MARTO-APRILO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro TRIA NUMERO




Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.


# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

Dancu Marionetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.10
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
Viktimoj, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
Hura! romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
Preter la Vivo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
Pilgrimo, poema o tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

Lingvo, Stilo, Formo tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
Streĉita Kordo tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
Rimportretoj tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
Eterna Bukedo, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind. — 5.— bind. 3.—, broŝ. 2.—
Hungara Antologio bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
Dante: Infero bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80

**ALIAJ VERKISTOJ:**

S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto bind. 9.—, broŝ. 7.—
J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50 broŝ. 1.50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. — 1.50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. — — 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain broŝ. — — — — — 1.—
H. Weinhengst: Turstrato 4. romano bind. 5.50, broŝ 4.—
E. Aisberg: Fine mi komprenas la radion! bind. — 6.— broŝ. 4.50
K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon broŝ 1.20
K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto. bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
Hungara Ŝlosilo — — — — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

AUSTRIO: Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
AUSTRALIO: L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
BELGUJO: Belga Esperanto Instituto **Antwerpen**, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.
BRITUJO: Alec Venture, **Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.
BULGARUJO: Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
ĈEĤOSLOVAKIO: Otto Sklenĉka, **Hradec Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
DANUJO: Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
ESTONIO: Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.
FRANCUJO: Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
GERMANUJO: Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
HISPANUJO: Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2 3a
ITALUJO: Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715
JUGOSLAVUJO: Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
NEDERLANDO: Leo Moreau, **Arnhem,** Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13843
NORVEGUJO: Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11
POLUJO: Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.
RUMANUJO: Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
SVEDUJO: Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
SVISUJO: Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, **ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34. Poŝtkonto: Nr. IX. 53.41.
JAPANUJO: Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
USONO: Amerika Esperanto-Insituto. *Madison, (Wis.) Sherlok Hotel*
ALIAJ LANDOJ ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

# Virino, kiu plaĉis al mi

— JĀNIS EZERINŜ —

Teorie mi ŝatas la homojn kaj povas diri, ke inter ili estas multe da belaj ekzempleroj. Sed de la tempo, kiam mi en anatomiejo unuafoje desegis kruron de kadavro kaj poste dum tuta vintro okupis min pri senhaŭtigado, mi senkonscie sulkigis la frunton kaj la mondo iĝis por mi multe pli senenhava.

Ho, iufoje estis tiel neelteneble, ke eĉ straton transiri mi ne povis. Ĉiun preterpasanton mi kuŝigis sur la marmortablon. Al mi ŝajnis, ke mi konas ilin pli ol necese, ke iliaj malpuraj sekretoj por mi plu ne estas sekretoj. Floranta virino transkuris la trotuaron, kaj mi iel subite ekpensis, ke en ŝia akselo pusoplenas abomena abceso. Ĉu ofte ne estas tiel? Ĉu mi ne estis tion vidinta? Jes, jes — fantazio ĝi ne estis, kaj pekema fantazio eĉ ne tiom. Kaj jen, ĝuste tial ĉio ŝajnis abomene malbona. Duono de la ĉi-teraj belajoj por mi plu ne ekzistis. Mi estis perdinta tion, kion oni nomas sento de diskreteco kaj sen kio nenio bela estas bela kaj nenio senmanka — senmanka. Kiam la junaj teologoj, rigardante la pentrindan bruston de iu sinjorino asistantedzino, ekhimnis la Altan Kanton de Salomono, mi povis noti nur la nombron de ŝiaj laktoglandoj, kaj tiu tute ne ŝajnis laŭdinda. Vere, bona tio ne estis, kaj neniu homo faras en similaj okazoj tiel. Sed por mi formo plu ne kaŝis la enhavon, animo la karnon, kaj tiun malbenon forskui mi ne kapablis.

Efektive, sole en formo montriĝas la animo, en la mildaj movoj de l' membroj, en mimiko, en gestoj, en neeksplikebla cerboproduktado; kaj ĝia tasko — interalie — estas forkaŝi la altrudeman karnon, ĉi tiun viandopecon, tiom plezurigantan la ĥirurgojn. Sed por mi ĝi jam kaŝis plu nenion.

Dume mi ĝenis min demandi la kolegojn, kion sentas ili, vizitante la kadavrejon. Cetere tiu demando ŝajnis superflua, sensignifa. Inter ili estis aŭ Don-Juanoj, kiuj povis resti fraŭloj nur pro tro frua senfortiĝo, aŭ homoj, kiuj povis ĉiutage skribi al virinoj tiujn netolereble malsaĝajn leterojn, kiuj odoras je bebo.

Ili estis feliĉuloj, ili nenion povus respondi.

Tuj, kiam en parkoj komencis fajfadi la merloj, mi kure rapidis for de la urbo, pensante neniam plu reveni en la inferon de l' anatomiejo — tiom min suferigis la lasta vintro. Mi prenis kune neniun el la libroj, en kiuj sur ĉiu paĝo amasis rompitaj ostoj, naskantaj virinoj kaj en frenezo malfermegitaj buŝoj. Eĉ la poŝtranĉilon mi ne kunprenis.

Tutan someron mi laboradis kun la hejmanoj sur herbejoj kaj agroj, dum tutaj tri monatoj mi pensis nur pri fojnejoj, fojnamasoj kaj la bruna trifolio. Neniu venis al mi pro dentodoloroj aŭ reŭmatismo, kaj tio estis bonega. Mi vivis kiel ĉevalido sur paŝtejo — senzorgan kaj sanigan vivon. Kaj finfine mi multe ŝanĝiĝis: la vangoj iĝis kvazaŭ panbuloj; haŭto — kvazaŭ salika ŝelo. Kaj ne nur tio. Kiam mi aŭtune revenis en la urbon (mi eĉ ne pensis plu pri la antaŭa decido), okazis io neebla: mi ekvidis *virinon, kiu al mi plaĉis.*

Estis proksimume la dua horo. Mi sidis en parko, kiam ŝi preteriris. Kaj, kvankam neniu ankoraŭ nomis min facilanima, en tiu momento miaj pensoj estis tre proksime al tiu limo. Vidu, mi diris al mi, jen estas la sola kreajo, kiu post tiom da tempo impresis vin per sia apero. Ĉu vi ne sentas, ke viaj oreloj brulas kvazaŭ elektraj lampetoj kaj la koro dancas laŭ ĉiuj reguloj? Malsaĝulo! do kion vi pensas? Tiel oni ne akceptas tiajn maloftaĵojn!

Jes, ĉu mi do devus leviĝi? Mi levis min. Kaj... kaj mi devus iri? Ne, efektive, tion mi ne povis. Ludi ĉi tiun mokfajfatan farson? Ne, tio superis miajn fortojn. Eble alvoki iun bubon, ke li sekvu ŝin ĝis la hejmo? Aŭ, finfine - fari nenion!

Sed apenaŭ la fraŭlinon forkaŝis parkangulo, okazis ree io neatendita: mi ekmoviĝis kaj faris paŝon antaŭen! kiel strange la tero sub mi ne fendiĝis! Kaj neniu ekridis! Mi faris ankaŭ la duan paŝon kaj plu ne lasis ŝin malaperi. Nu, kion do finfine — ja diversajn vojojn necesas iri!

Mia miraklo paŝis iom antaŭ mi. Ĝi iris — jes, ĉu mi povas priskribi, kiel ĝi iris! Sed tion mi scias, ke ĝi tirus min tra la tutan urbon, se ĝi ne enirus jam post du stratoj iun flavetan domon. Post momento ankaŭ mi estis tie. Mi metis unu piedon sur la ŝtonan ŝtupon kaj ree ĝin retiris. Tio, verŝajne, estis tre ridinda, ĉar la kortisto, kiu iradis antaŭ la pordego, demandis:

— Sinjoro, kion vi deziras?

La kortisto ŝajnis esti bona homo. Mi diris:

— Mi devas renkonti la fraŭlinon, kiu ĵus eniris.

— Fraŭlinon?

— Nu jes!

— Tiu fraŭlino ne loĝas ĉi tie, ŝi nur venadas por tagmanĝi.

Mi, verŝajne, nekredeme tiris la ŝultrojn, kaj li iom pli grave daŭrigis:

— Ĉiu homo ja tagmanĝas! iu hejme, iu en restoracio, sed la fraŭlino venadas al madame Tupsik.

— Al kiu madame?

— Nu, al nia madame, ŝi havas pensionon kaj oni tagmanĝas ĉe ŝi.

Nun la afero estis klara. Kompreneble, tie atendi mi ne povis; do mi adiaŭis kaj iris plu. Dum la tuta posttagmezo mi vagadis kvazaŭ en arbaro. Mi zumkantis ĉiujn sciatajn melodiojn; ili ne estis multaj, sed mi komencis refoje. Kiam la suno jam dronis post la tegmentojn, mi devis la promenadon ĉesigi. Ja kiom longe oni povas tiel vagadi? Post duonhoro la flaveta domo ree staris antaŭ mi, sed nun mi eniris ĝin, kvazaŭ ĝi estus aŭkciota kaj mi intencus ĝin aĉeti. En la dua etaĝo aromis kumino. Jes, tie estis pensiono; mi sonorigis kaj petis, ke venu la *madame* mem. Honoron al la honorinda — ŝi estis laŭaspekte mastrino kiel decas. Kun tuta respekto mi eldiris la deziron, esti akceptata en la pensionon. Ĉi tiu arogaĵo igis dezirinda min pli bone rigardi, kaj ŝi petis min enveni.

— Sed mi devas diri, ke ĉi tie oni ricevas nur tagmanĝojn.

— Absolute sufiĉe. Mi manĝas nur unufoje tage. Tiu deklaro ŝin maltrankviligis.

— Tio... tio estas tro malmulte.

— Nu, kiel oni rigardas la aferon. Iuj el miaj kolegoj tute ne manĝas.

— Je-es, — eligis ĝemspiro, — kompatinduloj. Nu, pro tio ili havas pli da tempo por studi. Vi ja studas?

— Tute ĝuste.

Kaj ree, diablo forportu, al ŝi ne plaĉis, ke mi havis la arogantecon studi.

— Nu, tiel... Vi devos antaŭpagi por unu semajno.

— Estimata, eble vi konsentus akcepti por du?

Per tio la interparolo estis preskaŭ finita. Ŝajne al mi estis pardonitaj ĉiuj mankoj, ĉar la mastrino eĉ lumigis en koridoro lampon, per ke mi en mallumo ne puŝfalu.

La sekvan tagon mi alvenis kun ioma malfruiĝo. Loko por mi estis rezervita kaj mi, riverencinte al teleroj kaj forketoj, okupis la seĝon. La interparoloj ĉe l' tablo subite ĉesis, kaj tio igis min senti min iel kulpa. Strange, kvazaŭ mi ne povus malsati, kiel la aliaj! Kaj ni manĝis kvazaŭ koleraj. Teleroj tintadis, kuleroj frapiĝadis, kaj se iu aŭskultus post la pordo, li supozus, ke ĉi tie estas ne la pensiono de madame Tupsik, sed telegrafkontoro aŭ skribmaŝina oficejo. Mi kaŝe alrigardis la samtablanojn. Jam multfoje trompita de l' fato, mi tute ne surpriziĝus, se mi ne ekvidus inter ili mian miraklon. Tamen ĉi tiun fojon la fato kondutis kiel vera ĝentilhomo. Mia fraŭlino sidis, jam fininte manĝi, ĉe l' tabla fino, kaŝinte la pugnetojn sub la mentono. Ke la malbona! — mi tamen ne kapablis ŝin pli fikse alrigardi! Ĉu tio signifas, ke mi ankaŭ nun estas sub ŝia potenco?

Dume la ceterajn mi observadis tute senĝene kaj finfine sukcesis kalkuli tri sinjorinojn kaj sep sinjorojn. Ili ŝajnis jam tiom emancipiĝintaj, ke ili ne ligis siajn profesiojn en kravatojn, kvankam ĝenerale nenio elstara ĉe ili rimarkiĝis. Nur unu sinjoro diferencis de la aliaj, similante fieran rosmaron — tiel mirinda estis lia vizaĝo kaj la peze pendantaj lipharoj.

Ĉe la disiro mi alrigardis mian miraklon kaj facile salutkliniĝis. Ni ja estis samtablanoj kaj mi kuraĝis fari tiun etan escepton. Sed ŝi, verŝajne, tion tute ne atentis.

Jes, kion do mi povis fari?

Jam baldaŭ mia ĉeesto plu ne ĝenis la pensionanojn de madame Tupsik kaj ili rekomencis sian gajan konversacion. El tiu mi baldaŭ eksciis, ke la rosmaro tute ne estas rosmaro, sed, pro tolstojismo, degradita instruisto, dum la ceteraj staras inter raportisto-komencanto kaj agento de antaŭ nelonge bankrotinta firmo.

Ili ĉiuj estis tre parolemaj, kaj iufoje estis malfacile diri, ĉu ili pli manĝas aŭ parolas. Nur pri la maljuna pedagogo oni povis certe diri, ke li nur manĝas.

— Vi devus pagi por la tagmanĝo duoble pli, — rimarkigis la najbare sidanta pensionano.

— Tute ne, sinjoro sekretario, — profunde gravis el sub la lipharoj, — Tolstoj maĉis ĉiun manĝopecon tridekfoje, mi — certe, certe, tridekkvinfoje.

— Kalkulite? — ekridis alta voĉeto.

— Kalkulite, — obtuzis la respondo, — krome, infanoj, vi devas scii, ke parolante kaj ridante dum manĝado oni facile povas misgluti.

Nun ankaŭ mi, preskaŭ la unuan fojon, ekpartoprenis la ĉetablan konversacion, dirante, ke mi pretas al ĉiu gajemulo eltiri la misglutitan oston. Sed tio ne estis tre prudente farita. Ridante oni demandadis min:

— Ĉu vi estas sanitaristo? sanitaristo? — pleje tion ripetadis iu el la fraŭlinoj, celante ofendi mian eluzitan studentĉapon.

— Veterinaro, — mi respondis.

— Jen kiel! — ekkriis la vantema fraŭlino kaj diris plu nenion.

Kompreneble, ŝi meritis tian respondon.

Sed mi tre malkontentis pro la fiaskinta debuto. Pleje min turmentis tio, ke mi eĉ unu paŝon ne pliproksimiĝis al mia infano. Mi ne sciis, ĉu kulpigi min aŭ la gajan kompanion, sed la tagmanĝoj venis kaj pasis kaj ni tuj disiris ĉiudirekte. Ĉu mi do venadis nur por la kotletoj? Tute kontraŭe, mi ja iufoje eĉ peceton ne englutis. Ŝi, kiel komence, sidis ĉe la fino de l' tablo. Iufoje mi alparolis ŝin kaj ŝi same afable respondis.

— Ĉu mi rajtas proponi salon? Eble pipron?

— Dankon, mi ĉion havas.

Jen, tiel ni interparolis. Gardu Dio kontraŭ enamiĝo homon, kiu de tiaj aferoj absolute nenion komprenas!

Mi ja eĉ ne sciis, kiel ŝi nomiĝas kaj kie ŝi loĝas. Tiu malgranda sekreto ĉe la tablo ja baldaŭ malkaŝiĝis. Sed tio ne multon signifis. Ja ĉiu homo estas iel nomata kaj ĉiu homo ie loĝas. Kaj ŝi, jen, estis fraŭlino Saulite, loĝis ie en urba periferio, sed oficis en iu angla entrepreno kiel tradukistino.

Kiam mi konvinkiĝis, ke la pensiono de madame Tupsik ne estas loko, kie oni povus ekplekti pli intimajn rilatojn, mi decidis skribi leteron. Estas hontinde, sed finfine mi tion efektive faris. Ĝi estis la unua fojo en mia vivo; do neniu povas riproĉi, ke mi ne kuraĝis tuj malkaŝi mian nomon, sed petis adresi la respondon al ekspedejo, kie mi ĉiusemajne vizitis amikon.

Mi skribis, ke homo sur la tero estas nenio eksterordinara, sed ke ŝi estas io eksterordinara inter la homoj — tion mi povus eĉ ĵuri. Mi aldonis, ke ĝenadi ŝin per rendevuoj mi tute ne volas, ĉar mi sufiĉe ofte ŝin vidas en la urbo, pro kio mi estas senfine danka al la fato. Sed ŝi ne estu kompatema, se ŝi havas ian sedon.

Al mi ŝajnas, ke tiu ne estis malbona komenco. Ĉar kial do oni nepre sekvu la famajn ekzemplojn, kiuj estas presataj en la finoj de la plenaj verkaroj, kaj kiuj nur pruvas, ke eĉ tute prudenta homo iam povas iĝi malsaĝulo?

Kaj jen, post kelkaj semajnoj estis jam interŝanĝitaj same multaj leteroj. Komence ili estis mallongaj, abruptaj, preskaŭ oficialaj, kiajn guberniestro sendas al alia guberniestro. Sed iom post iom senvole enŝteliĝis pli intimaj tonoj, kvankam sen troa sincereco.

Verdire, nenion mi tiel hontas, kiel sincerecon, kiun oni povas kune kun sekvinberoj sendi perpoŝte. Vera kaj nemiskomprenebla ĝi, kredeble, povas esti nur, kiam mano manon eklulas .... kvankam pri tio konvinkiĝi mi neniam povis. Sed sinfido, fiero kaj memstaraj opinioj en niaj leteroj ne mankis, kaj tio ofte proksimigas la homojn pli, ol dokumentita parenceco. Ja eĉ duelantoj, kiuj loĝas en diversaj urboj, fine kunvenas almenaŭ je tridek paŝoj. Ni proksimiĝis kiel senmalamaj batalantoj, kaj estis tiel bone, ke ni havis proprajn opiniojn kaj propran mondkoncepton. En niaj argumentoj ne mankis akrajoj, kiuj povis vundi, kaj fervoro, ĉar ni aspiris esti indaj unu por la alia.

Sed en la pensiono de madame Tupsik mi rimarkis ĉe ŝi neniajn ŝanĝojn. Gajeco regis kiel ĉiam, ni renkontiĝis kaj disiĝis kiel antaŭe.

Ioman konfuzon kaŭzis nova pensionano, kiu deziris esti tre laŭetikete kaj alparolis ĉiujn: miaj sinjoroj, miaj sinjorinoj. Duonklaŭno, duonteatremulo, li ĉiam rakontadis anekdotojn, kaj, verdire, al la plejmulto tio plaĉis. Pro hazardo li sidis apud fraŭlino Saulite, kiu aŭskultis lian babiladon kun evidenta malplaĉo. Ofte li petis la virojn eliri en apudan ĉambron,

# ĈINAJ POEMOJ

— Tradukis: *Saint Jules Zee* —

### MIA HOMO.

*El Ŝi-King aŭ Libro de Poezio.*

Mia homo, brava homo,
Vera gloro de l' nacio,
Lanco en la mano, marŝas
Antaŭ l' reĝa procesio.
De foriro via ĉesis
La hararon mi aranĝi.
Ĉu pomado al mi mankas?
Ve, al kiu plaĉu jam ĝi!
Pluvos certe, pluvos certe, —
Ree brila sun' jen pendas.
Sopirante al vi, kara,
Kapdoloron mi ne plendas.
Kiel oni post la ĉambro
Plantu forgesŝukan floron?
Ĉar sopiri al vi, kara,
Kaŭzas al mi kordoloron.

### POPOLKANTO

*Han-dinastio (206. a. K.)*

Mi volas kun vi amikiĝi,
Kunvivi, neniam disiĝi.
Ĝis monto solviĝos je cindro,
Sekiĝos la akv' en river',
Fulmtondros rulbrue en vintro,
Kaj falos la neĝ' en somer',
Kuniĝos ĉielo kun ter':
Nur tiam finiĝos por ni la afer'.

### POEMO.

*Taŭ-Cien (365—427)*

Sennuba estas la ĉiel' vespera,
Printempa brizo blovas tute milde,
Ebria kvazaŭ de la bela nokto,
Knabino ĝis tagiĝo kantas birde.
Profunde ŝi suspiras post la kant',
Homkoron forte tuŝis jena penso:
La luno blanke brilas en nubar'
Kaj floroj pompas en la foli-denso:
Ja ĉiuj la momenton glore festas,
Kaj, poste tuj, al ili kio restas?

### KANTO DE NORDA POPOLO.

*Ĉirkaŭ 5—6. jarcento.*

Kvinfutan glavon antaŭ tagoj mi aĉetis,
Kaj ĝin pendigis sur kolonon centra-halan.
Tri fojojn mi ĝin mankaresas ĉiutage
Kaj ĝin pli amas ol knabinon dekkvinjaran!

### PRINTEMPA MALGAJO.

*Kin Can Ŝu (ĉirkaŭ 9. jarcento).*

Forpelu jam la najtingalon,
Ke ĝi ne trilu sur la branĉ'
De l' tril' rompiĝos mia sonĝo
Kaj ne ĝisvenos ĉe l' fianĉ'.

---

ĉar, li diris, li havas ankaŭ tiajn aferetojn, kiujn aŭskulti kapablas nur sinjorinoj. Tio lasis konkludi, ke la spritaĵoj de tiu sinjoro jam elĉerpiĝis, kaj dank' al Dio, ĉar jam tro li tedis. Sed la deziro esti en ĉies atento instigis lin serĉi ion novan. Demonstrante sian kuraĝon li nun ĉiam ĝenadis la fraŭlinojn, ĝis post iu nekontentiga tagmanĝo li deklaris, ke deserton malhavi li ne kutimas, kaj antaŭ ĉies okuloj kisis fraŭlinon Saulite. Plorĝema ekkrio, la knabino flankenkuris.

— Vi, koĉero! — mi ekkriis, saltleviĝis kaj regalis lin per pugnobato.

La kanajlo ne esperis helpon kaj malaperis. Sed fraŭlino Saulite, tremante, kun larmoj en la okuloj, dankis min.

— Ĝi estis mia devo, fraŭlino.

— Mi timas eliri sur la straton, — ŝi daŭrigis.

— Mi vin akompanos.

Kune kun la aliaj ni forlasis la pensionon. Mi jubilis. Mi iris apud ŝi, mi povis tuŝi ŝian vestaĵon. Efektive, en la koro mi estis danka al la stulta aroganulo, kiu per sia ŝvelanta nuko solvis unu el la plej malfacilaj problemoj.

— Ĉu vi iras al la oficejo? — mi demandis.

Ŝi estis tiel ĉagrenita, ke ŝajne ŝi eĉ ne aŭdis min.

— Ne pensu, ke okazis io atentinda!

— Ja ne, ne; sed estis tiel abomene.

— Estis kaj ne estas.

Mi vidis, ke ŝiaj palpebroj ektremas kaj la okuloj profundiĝas en ombron. La interparolo rompiĝis. Sed silenti estis tiel terure malsaĝe. Al ŝi ne estis facile, sed, diablo forportu, konsoli estas centoble pli malfacile, almenaŭ pli ridinde. Kaj mi diris:

— Vere, pro tiu bagatelo vi jam, ŝajne, mortos!

— Tiel terure ja ne estos.

— Kompreneble, kaj se okazis io malbona, do nur tio, ke kanajlo ricevis ion, kion meritus multe pli inda homo.

— Kion? — ŝi subite ekridis. — Ĉu vi pensas la baton?

— Ne, ne, mi pensas ion alian.

Ŝi ruĝiĝis, sed tamen ni ridetante alrigardis unu la alian.

— Ne parolu tiel, — ŝi diris, — mi vin petas.

Al mi ja estis egale, pri kio paroli. Kaj efektive, ĉu ne estas sendiference, pri kio oni parolas — pri hundo, pri kato aŭ pri brasiko — en ĉio ja respeguliĝas homo, se tiu nur estas homo.

— Ĉu vi rapidas al lekcio?

— Mi volonte ankoraŭ akompanus vin.

— Ne, tio nun jam ne estas bezonata.

Ŝi etendis manon kaj ankoraŭfoje dankis. Tion ŝi faris tiel kore, ke mi eĉ konfuziĝis.

— Ho, vi ankoraŭ ne konas niajn pensionanojn! Ili ĉiuj stariĝus apud tiu, se ili ne ektimus. Do permesu danki vian helpon pli, ol mi dankus en alia okazo.

— Bonvolu, bonvolu, se tio faras al vi ĝojon.

— Faras, — kaj, kapkline salutinte, ŝi eniris flankstraton.

Do. Nun mi povis iri hejmen. Sed ĉu tio decus post tia okazaĵo? Ankoraŭ dum tuta horo mi vagadis, pensante: jen, kiel stranga estas la amo! Vi pretus al homo eĉ ripojn enrompi. Sed apenaŭ manon etendi vi kapablas. Jes, kion fari!...

Tamen la tempo mem helpis al ni. De tago al tago niaj rilatoj iĝis pli intimaj. Eĉ en la pensiono ni tute malkaŝe elmontris atentemon unu al la alia. La sentaŭgulo plu ne montriĝis, kaj ni sentis nin liberaj kaj senĝenaj.

Tiam venis sur la teron grandioza oktobra dimanĉo. Estis prujno kaj frosto. Sur la arboj ardis ĉiuj jarsezonoj: flava kaj blanka, purpura kaj verda. Ni iris laŭ la ĉefa strato kaj malaperis en kampojn. Niaj paŝoj bruis sur la frostinta tero, kvazaŭ tuta armeo marŝus. Sed ni estis nur du. Efektive. Ĉiuj ceteraj

restis ie fore, for, kvazaŭ en la alia fino de l' mondo. Kaj se ni nun ekdezirus fari unu al alia malbonon — neniu nin savus. Kaj se ni dezirus bonon... efektive, ĉion, kion ni havis, ni povis doni nurnure unu al la alia — rigardon, mienon, voĉon, senintencan mangeston. Tio estas stato de ia supernatura ekstazo, kaj pro tio, ŝajne, oni ĝin tiel ofte uzas. Tio estis pilgrimado de unu al la alia, eĉ se ni irus flank-ĉe-flanke al la geheno mem. Sed kial do iri al tia malbona loko, ja ne mankas en la mondo arbaroj, montoj, mire belaj valoj!

Vento fluis renkonten, kurbdorsaj ni boriĝis en ĝin.

— Kiel bone estas! — ŝi diris.

— Kio?

— Nu jen, ke ni tiel — pro nenio-ekintencis elveni, kaj nun estas tiel bone. Vento, folioj, arboj.

— Jes.

— Kaj... kaj akvo! Vidu! Glacio, ĉe l' bordo eĉ glacio!

Eta rivereto baris nian vojon. Ŝi ekkaŭris sur la bordo, kaj mi vidis, ke la maljuna tero havas multe da neklarigeblaj sorĉaĵoj! Ne nur knabinojn, eĉ imperiestrojn ĝi iam igas stariĝi mane-piede, kvankam la regatoj poste flustradas, ke ili iĝis bovoj kaj manĝis herbon. Ne, nur iom ludi ŝli ekdeziris.

Mia infano batadis per pugneto la glacion kaj volis trinki.

— Ne, ne, — mi diris, — vi tro varmiĝis.

— Jes, verŝajne. Ni devus iom ripozi.

— Ĉi tie neeble, pro la vento.

Ni flankeniris kaj eksidis ĉe l' arbara rando, kie la vento nin ne tuŝis. Mi metis paltobaskojn ĉirkaŭ ŝiajn koksojn kaj varmigis per mia peza mano. Ŝia kapo ripozis sur miaj genuoj. Unu okulon duonferminte, per la alia ŝi rigardis min ŝtele.

— Jen, kion vi tie faras?

— Mi? Pafcelas, — ŝi ekridis.

— Kion do?

— Vin!

— Nenio estos.

— Estos! — kaj subite ŝi ĵetvindis la brakojn ĉirkaŭ mian kolon kaj alpremiĝis tutforte. — Estos! estos! estos!

Mi delikate iom malproksimiĝis ŝin kaj kisis surfrunte.

Do. Tio estis okazinta.

Kaj kiam ni en la krepusko lacaj revenis en la urbon, en la mucida aero jam lumis lanternoj. Mi akompanis ŝin ĝis la hejmo kaj mem iris rekte al mia loĝejo.

Neniam plaĉis al mi la urbaj lanternoj, sed tiuvespere ili nebulis en la stratoj kvazaŭ senfina procesio de mortintoj. Diablo, kia kavalkado! Mi rapidis, la okulojn duone ferminte.

La dika pordisto staris ĝuste en la pordo.

— Bonjour, majestate!

— Ah, vi, — kaj li iom flankeniĝis, por ke mi povu eniri.

Jes, mi estis terure laca. Mi trinkis varmegan teon kaj tuj enlitiĝis. Sed ankaŭ la teo ne helpis, nokte komenciĝis febro kaj matene mi devis resti en la lito. Evidente mi malvarmumis. Nu, nenio. Mi povis kuŝi. Mi ja bezonis tempon, por pripensi kaj ekkompreni, kio okazas en la mondo. Kaj jen, mi pensis pri tio, ke mi krimas kontraŭ mia infano, superŝutante ĝin — *ja kial?* — per miaj leteroj. Estis jam vero, ke ilin skribis iu... *iu Fidelio.* Kaj skribis ion tute alian, ol kion li parolis, kaj esprimis tute aliajn opiniojn, ne tiujn, kiujn diris lia buŝo. Tio estis malsaĝa, nepardonebla! Kaj tamen... Ĉiu ja ludas, kiel li scipovas. Mi ne scipovis surteriĝi kvarpiede, interparoli kun fiŝoj tra la blua glacio, sed mi scipovis ion alian: skribi kaj konkuri min mem. Kaj mi devas konfesi — en tio estis multe da dolĉeco! multe da dolĉeco! Sed — prenu la diablo! — tio tamen estis tre maldeca kontraŭ mia infano. Kaj mi decidis malkovri al ŝi ĉion ĉe la unua renkontiĝo, por ke ni almenaŭ dum unu horo povu esti gajaj!

La kuŝado ekdaŭris, kaj mi iĝis maltrankvila. Iufoje mi eĉ ekpensis, ke eble ankaŭ ŝi devis enlitiĝi. Jen, kiaj estas la aŭtunaj ventoj! La aŭtunaj ventoj!

Kiam en la tria tago la mastrino anoncis, ke min deziras renkonti fraŭlino, pro la ĝojo eĉ respondon mi ne trovis. La bona, amata estaĵo — mi pensis, — ŝi estas ĉi tie! ĉi tie! Kiel ŝi sciis alveni? Nu jen, ŝi sciis!

— La fraŭlino petas, ĉu ŝi rajtas enveni.

— Jes, jes, kompreneble, — mi rekonsciiĝis.

Kaj post momento mi jam aŭdis tra la muro alian, afablan voĉon:

— Ĉu vi jam kovris vin?

— Bonvolu, bonvolu, — kaj mi tiris la litkovraĵon eĉ sur la kapon.

Mi aŭdis, kiel ŝi envenas, haltas ĉe la sojlo kaj konfuziĝas, ne kuraĝas veni pli proksimen. Al mi ja bone, mi kuŝas, sed ŝi staras. Nu jen, amiketo, kun kovraĵo oni ne ŝercu!

— Vi ja sufokiĝos! — ŝi ekridis: — kiel malbona vi estas!

Jes, vere, mi estis malbona; mi forŝovis la kovraĵon de l' vizaĝo. Ŝi tuj alkuris.

Neniam ankoraŭ ŝi ŝajnis al mi tiel belega, je Dio! Tiel senafekte ŝi diris, ke ŝi konjektis, preskaŭ sciis, ke mi malsanas. Al mi plaĉis ŝia sinĝenemo kaj tio, ke ŝi eĉ unu ĝemeton ne elspiris pro mia malsano. La avara mastrino faris tion ĉiuvorte, — laŭ tio oni povis vidi, kiel malmultekosta varo estas la kompato.

— Nu, kion faras via manĝotablo?

— Ĝojas, ke nun eblas verŝi la telerojn pli plenaj.

— Kompreneble, ankaŭ vi?

— Kompreneble, ankaŭ mi.

— Nu jen: ankaŭ vi estas malbonkora.

— Tiaj ni ambaŭ estas.

La lastan frazon ŝi diris tute strange, per kvazaŭ fora, preskaŭ serioza voĉo. Ĉe la adiaŭo mi kisis ŝian manon. Apenaŭ fermiĝis la pordo, min kaptis furiozo kontraŭ mi mem, kaj mi ĵete turniĝis sur alian flankon. Diablon, se ŝi almenaŭ estus vidinta mian skribkarakteron, se ŝi rigardus al la tablo! Sed ŝi vidis sole min, kaj mi — mi eĉ vorton ne povis diri. Eĉ ne vorton pri la malsaĝaĵoj, kiujn faras mia »alter ego«, la granda anonima filozofo. La lipoj kunpremiĝis, kiam mi volis pri tio ekparoli. Kaj ĉio restis kiel antaŭe, kaj — *mi ne sciis kial.*

La sekvan tagon mi eliris kaj ricevis de ŝi du leterojn. Tio estis dolora, sed kion do alian mi povis atendi? Ŝi ja devis respondi la entuziasmajn sendaĵojn, kiujn skribis iu kompatinda junulo. Haha, dankon al Dio, ke mi almenaŭ konis tiun ulon!

Sed en la leteroj estis ankaŭ io pli, ol atendite — tio, ke la lasta estis skribita ĵus — hieraŭ vespere. Jes! La aminda infano sidis ĉe mi, sidis sur mia seĝo, kaj tuj post foriro denove eksidis, por ekparoli kun iu alia! Fidelio, mi envias vin! Ĉio nekonata allogas



Jacob van Ruisdael

*Akvomuelilo*

kaj ŝajnas glora — jen via nekontestebla avantaĝo. Sed mi malbenas vin, satano, por ne riproĉi ŝin.

Mi penis pravigi la virinon — efektive, kial ŝi estu submetata al tia ekzameno? Sed vane. En mia interno mi estis tre malkontenta. Mia egoismo asertis, ke mi povas kaj kapablas forpreni de virino la mondon, por anstataŭi ĉion sole per mi.

Kaj la plej stranga en tiuj meditadoj estis tio, ke al mi mem mi riproĉis plu nenion.

Kaj subite, kvazaŭ ventmuelilo komencis turniĝi en mi kaj ĉirkaŭ mi. Ĉio blekegis kaj tondris, kaj la flugiloj siblante frapiĝadis.

Mi ekkuŝis en liton.

Jen, tiel estas. Tiel estas. Kaj nenion oni povas fari, kara amiko. Al ŝi tiel plaĉas, kaj oni povas fari nenion. Nenion, nenion! nenion, nenion!

Por momento mian muelejon haltigis la mastrino, enportante teon. Sed tiam ĝi denove ekmuelis, furioze kaj frakase. En ĝi pereis ĉio plej bona, kio ŝajnis en tiuj tagoj akirita. Kaj tiel daŭris ĝis noktmezo, kiam mi fine ekdormis.

Sed mateno estas mateno! Mi ankoraŭfoje tralegis la leterojn kaj konstatis, ke la stilo estas senriproĉa. Tuj mi altabliĝis por respondi, kaj solene atestis, ke mi restos ŝia adoranto dum la tuta vivo. Mi fumigis incenson, ĝis certe devis kapo turniĝi. Tio signifis, ke vojon returne mi plu ne havas. Tion ĝi signifis.

Sed ŝi — kiel gaja ŝi estis en tiuj tagoj! En ĉion, en ĉiun bagatelon ĝi enverŝis sian kormildecon, kaj kvazaŭ sorĉe belajn kalikojn prezentis al mi. Kaj mi akceptis ilin kaj trinkis — ĝis ebriiĝo. Kaj la muelilo denove ekbruis, la radoj turniĝis — ilin movis ia dolorplena, monstra demono. Li hurlis kun la siblantaj radoj, kaj subite mi rekonis mian propran voĉon: tie rikanis la antaŭa ĥirurgo, kiu ne toleris la homojn, kiu sternis ĉiun sur la marmortablon! tiu malbeninda anatomo, kies mondo — la kadavrejo, kies sceptro la klingo! Ha, vi maljuna kanajlo! kie vi estis la tutan tempon?

He, kie li estis? Kompreneble, kie ĉiam.

Ĉar kion do atestis la hezitado, la sendecidemo, la manko de kuraĝo kaj sincereco? La leteroj kaj la afekta Fidelio? Nun mi komprenas!

Kaj jen — kvazaŭ mordita de falĉilo, mi ekŝanceliĝis kaj falis teren. Kiam proksimiĝis mia infano, mi deziris krii: ne venu! ne venu! Sed — ĉu mi plu povis tion? Ŝi venadis kiel antaŭe, igante min nepriskribeble feliĉa. Jam mi kredis, ke ĝi estas amo!

Nun mi sciis: tio estis ĝuo pro la baraktanta viktimo. Anstataŭ kadavroj mi sentis vivan homon!

Mi fariĝis kruela. Mi sieĝis ŝin de ĉiuj flankoj. Se tage mi surgenue kuŝis antaŭ ŝi, vespere ŝi ricevis leteron de homo, levanta kapon en superhoma malhumilo kaj fiero. Mi bruligis ŝin per inkviziciaj flamoj, mi tranĉadis, mi disŝiradis la junan karnon. Sed apenaŭ mi rimarkis, ke ŝi tro proksimiĝas al mi, mi admonis: Fidelio! estimata sinjoro! Klopodu, ke viaj leteroj estu brilaj! Kaj mi ne devis longe atendi — ŝi malsereniĝis kaj en malespera embaraso tordadis la manojn.

— Kio estas al vi? — mi demandis estime kaj milde.

— Nenio, nenio.

— Kaj tamen... — mi insistis, karesante ŝian hararon.

— Estas tiel, kvazaŭ mia forto min forlasus.

— Jam? Pro kio?

— Mi mem ne scias. Sed ŝajnas al mi iufoje, ke vi plu ne amas min, kiel antaŭe.

— Jes, vere. Mi amas vin nun multe pli.

Ŝi kapskuis, dolore ekridis.

— Ho, kion vi! . . . Sed eble vi akompanos min morgaŭ al opero? Mi tie jam longe ne estis.

— Akompani? Eĉ ĝis la fino de l' mondo!

Ni interkonsentis pri tio kaj disiĝis.

Iom neĝetis. Survoje mi aĉetis biletojn. Neĝblankigita kiel sciura vosto mi fine revenis hejmen.

Jes, jes! Eĉ ĝis la fino de l' mondo! Tion mi povis promesi, ĉar la mondo ja estas la sola aĵo, kiu havas nek finon, nek randojn. Morgaŭ? Bone, infano mia, ni iros. Mi estos kun vi, mi rigardos vin pli, ol la primadonon. Mi amas vin, mi volas doni al vi ĉion, doni pli, ol vi kapablos akcepti. Fidelio! nia komuna amiko! Vi ja restos al mi fidela ankaŭ estonte?

Kaj jen, ĉi tiu sentaŭgulo skribis sian lastan leteron.

— Mia bona, mia noblanima! La riproĉojn mi akceptas kun klinita kapo. Mi sentas, ke plu ne ekzistas preteksto, por rifuzi vian deziron min vidi. Morgaŭ je la 8-a vespere mi legos gazeton ĉe la plej luma lanterno de l' urbo. Ĝi brulas ĉe la orfejo, sur la angulo. Venu tiujn kelkajn paŝojn, mi vin atendos. Mi atendos vin eĉ malgraŭ tio, ke vi laciĝis, promenante kun la studento S. Mi konas tiun sinjoron kaj bedaŭras, ke mi ne estas lia amiko. Tiuokaze mi povus pri li multon rakonti. Via Fidelio.

La letero estis zorge enkovertigita kaj forsendita jam frumatene.

Ĉe la tagmanĝo ŝi estis ekscitita. Al mi ŝajnis, ke nur pene ŝi englutis kelkajn kulerojn da supo.

— Kiel malsaĝe, — ŝi diris elirante, — mi deziris esti hodiaŭ vespere en la opero, sed, verŝajne, tio ne eblos. Mi ne estas tute sana.

Mi kompateme ekprenis ŝian manon.

— Amiketo, mi ja ankaŭ iom komprenas la medicinon. Permesu kalkuli pulson.

Ŝi ridante retiris la manon kaj nomis centon da neprokrasteblaj farotaĵoj.

— Bagateloj! — mi daŭrigis jam ne tiom afable. — Vi fariĝas kaprica. Tio al mi ne plaĉas.

— Ho, Dio! ja komprenu, kion mi diras!

Kaj mi respondis, ke mi komprenas, ke mi tre bone komprenas, sed al mi ne estas egale, kiel ŝi kondutas. Mi eĉ aldonis, ke tian spitemon mi ne toleros. Kiam ni venis en la parkon, mi eldiris dubon: ĉu ŝi eble intencas provekzameni mian amon? Honto!

— Sciu, — mi ekkriis, haltinte antaŭ ŝi kaj piedbatante la teron: — hodiaŭ vespere vi venos kun mi! Vidu, jen la biletoj! Vi venos, aŭ! . . .

Ŝi time retiriĝis.

— Kion ĝi signifas? Mi ja ne estas hundo, ke vi tiel kun mi parolas!

Ŝi kaŝis la vizaĝon en la manojn, mem konsternita pro sia respondo. Sed nur por momento. Tiam ŝi transiris al flustro, superŝutis min per akraj riproĉoj. Ŝi akuzis, kaj ŝiaj vortoj estis nura vero. Mi aŭdis ĉion pri mi, pri mia naneco, mia tiranemo, pri homo, kiu vivas nur de hazardoj kaj . . .

— Silentu! — mi interrompis, — vi ja amis min!

— Jes! eble eĉ nun ankoraŭ. . . eĉ morgaŭ. Sed mi sentas, ke mi ne eltenos, ke mi devas fuĝi . . . fuĝi . . .

— Fuĝu! — mi siblis tra dentoj, rikane ridante. — Fuĝu! fuĝu! ja kien?!

La lastaj vortoj, ŝajne, estis decidaj. Ŝi premis per pugnoj la vangojn kaj, malrapide sin turninte, paŝis al la parkeliro. Postdorse laŭtiĝis paroloj, kaj, ekridinte, iris ankaŭ mi.

Jam krepuskis, kiam mi eniris restoracion kaj altabliĝis en la plej fora angulo.



Jan Toorop *Apostolo Paulo*

— Glason da brando!

Mi trinkis, sed ne ebriiĝis.

Venis ĉiam pli da gastoj. Sed estis jam post la sepa, mi devis iri.

Degelis, gutoj faladis de tegmentoj. En la proksima preĝejeto oni preĝis ĉe mortinto. Tra la malfermita pordo fajris la kandelingoj, pensigante pri tripintaj, flamaj forkegoj. Efektive, ili estis la samaj, per kiuj oni en la infero pikadas la kompatindajn pekulojn.

Mi aĉetis gazeton kaj iris al la urbdomo. Ĉe la orfejo kverelis du buldogoj; kiam ili finis, mi transiris la straton kaj apogiĝis al la lanterna stango. Estis lume kaj komforte. Mi elpoŝigis la gazeton kaj komencis legi. Tie estis presite, ke hundoj efektive tro multiĝis kaj ĝenadas eĉ la pasantojn. Jes, kiel rapida kaj ĝusta informo! — mi ekmiris, trankvile daŭrigante la legadon. Jus mi finis pri la raboj en komunumo Ormani kaj transiris al banditoj en Lielmeiri, kiam mi devis ĉesigi la legadon. Sur la strato aperis mia infano kaj hezitpaŝe proksimiĝis al la orfodomo. Mi disetendis la gazeton iom antaŭ la vizaĝo, ekstaris firme kaj restis senmova, ĝuste tiel, kiel devus iam stari mia monumento.

Ŝiaj paŝoj iĝis ĉiam pli hezitaj, tamen fine ŝi estis jam tute proksime.

— Venu ja pli rapide! — mi diris, kunfaldante la gazeton, — al mi jam tedis atendi!

Ŝi rigidiĝis duonpaŝe. Ekkriis subite, kvazaŭ iu puŝus ponardon en ŝian dorson. Mi eĉ ne sukcesis ŝanĝi la pozon, kiam ŝi ekkuris, kun brakoj antaŭe etenditaj. Ŝi fuĝis, puŝfalis, leviĝis, ree kuregis, ĝis ŝi malaperis en la fume nuba mallumo.

Al mi ŝajnas, ke el la mallumo ankoraŭ ehis kelkaj krioj, sed ili estis apenaŭ aŭdeblaj.

Kiam nenio plu estis rimarkebla, mi iris hejmen.

— — —

Sufiĉe longa tempo jam pasis depost tiu vintro. Mi finis la studadon, estadis en eksterlandoj, sed similaj okazaĵoj neniam plu ripetiĝis. Por vivisekcio plej bone taŭgas kobajoj, kaj mi tranĉadas ilin, la homojn plu ne atentante.

El la latva: *N. Kurzens.*

# NORDKABO

– Dr Marcell Jankovics –

Longfellow, la lasta idealisto de Ameriko, havas belegan romancon, kiun li dediĉis al la trovinto de l' Nordkabo. (»The discoverer of the North Cape. — a leaf from King Alfred's Orosius. = La trovinto de la Nordapromontoro, paĝo el la kroniko Orosius de reĝo Alfred.)

Alfred, la estro de la anglosaksoj, kiu estas amiko de l' vero, tenas sur siaj genuoj la grandan libron, en kiun li notas ĉion, kion li aŭdas pri la nekonata nordo. Alrapidas antaŭ lin Othere, la maljuna maristokapitano, en kies pajloflavajn buklojn ŝpiniĝas jam arĝentaj fadenoj, sed kies okuloj estas brilaj kaj viglaj, kiel de bonhumora knabo. — ĉar ili rigardas malproksimen. Kaj Othere fabelas pri la malproksima nordo. Li estis tie, kie antaŭ li ankoraŭ neniu. Tie, kie la tago fariĝas pli kaj pli longa, ĝis estiĝas unusola tago, dum kies noktomeza fantoma horo ankaŭ brilas la sangruĝa stelo:

»The days grew longer and longer,
Till they became as one,
And northward through the haze
I saw the sullen blaze
Of the red midnight sun.

La reĝo aŭskultas mirigite kaj li notas precize ĉion. En tiu ĉi ruĝa brilado aperas subite fantomo. Grandega ŝtonbatalfrapilo, kiu ekbatas en la ŝaŭmantan maron. La Norda Promontoro:

»And then uprose before me,
Upon the water' s edge,
The huge and haggard shape
Of the unknown North Cape,
Whose form is like a wedge...

La maro ŝtormas. Falas la prujno, hajlas. La nebulo kvazaŭ griza fantomo priploras la malaperantajn bordojn, sed Othere penetras kaj penetras plue.

La plumo de la reĝo kraketadas, de vorto al vorto li skribas la rakonton de la maljuna maristo, sed nekredeme li balancas sian kapon. La alia ridetas. Li pruvas la vereco de la diritaĵoj. En sia sunbrunigita mano li kaŝas ion neĝblankan. Li transdonas al Alfred la Granda la rosmardentegon, kiu atestas, ke li estis tie, kie homo ankoraŭ neniam...

Preskaŭ la tuta romanco estas vero.

Alfred la Granda (849—899), la glora reĝo de la anglosaksoj, ne nur la glavon svingis heroe, ne nur leĝojn skribis saĝe, sed li volis ankaŭ scii ĉion, kion homo povas ekscii. Kiel unu el la plej grandaj scienculoj de sia epoko, li kolektis ĉion, kion rakontis vidatestantoj pri nordo. Li estis la unua *Maecenas* kaj kronikisto de l' polusa esploro.

En la jaro 860-a okazis, ke Othere, la normana maristo, volis esplori, ĝis kie etendiĝas Norvegujo. Li ĉirkaŭŝipis la Nordan Promontoron ĝis la Blanka Maro kaj pri siaj spertoj li raportis al la plej inda scienculo, reĝo Alfred.

Kiajn animskuajn travivaĵojn devis sperti tiu kuraĝa viro, kiu sur eta velŝipo kun kvin kunuloj (»six norsemen«) ekŝipvojaĝis al la nebuldroninta Nekonato kaj unua li ekvidis la veran »manepalpeblan« finon de la mondo, la Nordan Promontoron, li estis la unua, kiu spertis, ke la suno falas nur ĝis la horizonto, sed de tie nevidebla mano denove relevas ĝin sur sian ruĝan lumvojon... Vane li turnis dudekkvarfoje la sablohorloĝon sur la buspritо de l' ŝipo, ne fariĝis plu nokto. Eĉ post mil jaroj ni povas envii Othere-n pro tiu ĉi travivaĵo, ke unue li ekvidis la »finon« de la mondo, — ke li travivis unue la sennoktan tagon.

Kiu havis la bonŝancon stari dum la minutoj de somera noktomezo supre sur la Nordkabo, tiu povas ligi inter siajn memorojn tian sentoperlon, kiu agordos lin je profunda pietismo kaj dankemo ankaŭ dum lia malfrua maljunaĝo, kiam ni palpetas jam nur la memorojn, kiel la unuformajn erojn de l' rozario. Sed, se la fingroj de nia animo ektuŝos tiun ĉi memorperlon, ni ektremetos — kaj denove ni travivos malproksimiĝintajn, sed neforgesitajn belaĵojn.

Mi staris sur centoj da altegaj montsuproj: sur rokoj, kiuj aŭdace fendas la lazuron, sur la italaj *campanile*, sur la blindigaj neĝo-calotte-oj, de kiuj mi povis nombri la suprojn de l' Alpoj, aŭ la ruĝtegmentajn urbojn de Lombardio... Ĉiu montopinto estis unu diservo de mia vivo, sed eble nenie mi tiom sentis la malproksimiĝon de la materialista mondo, kaj nenie mi povis saluti tiel proksime la triumfon de l' idealismo, kiel sur la supro de l' Nordkabo. Tiu flavruĝa firmamento, tiu senfina maro, trans kiu ne ekzistas homoj kun sopiroj vagantaj en polvo, mem la roko, en sia orfeco, solece rigardanta kontraŭ la vanaj koleroj de l' tempestoj: ĝi estas mem la idealismo...

---

## Renkontiĝo

– EMBA –

Ondiĝis grenkampo senfina, mara
ĉe rand' arbara.
Ŝiriĝis nebulo de l' herba valo,
La sunon matenan salutis psalme
la najtingalo.
Lultenis nin febre en sia sino
La kampa muziko. Ĉu vi memoras
ho, amikino?

Odoris la floroj pompantaj, majaj
ni estis gajaj.
Ni kaptis la nunon sen celoj, planoj,
Karesis nin ventoj varmetaj, vagaj
per molaj manoj.
Sekretojn fabelis al ni tilioj,
Ridante ni kuris en ros' arĝenta
post papilioj.

Ho, tiam ja majo sunbrila estis
ni ĝojon festis.
L' ozono de majo dum pasis horoj
Amĝermojn infane naivajn plantis
en niaj koroj.
Vespere eksonis ŝafista fluto
Kaj gardis nin milde la sonĝanĝelo
dum nokta muto.

Rigardu! ...nun estas denove majo,
sed kun malgajo.
Nun ŝarĝas nin vivo kaj urbo zumas,
Sed nian malĝojon memoroj belaj
je ĝoj' parfumas.
Post dekoj da jaroj! . . . Ĉu vi memoras?
Ni ludis ja kune... sed ho!... Nu diru
vi kial ploras?

*El aperonta poemaro.*

# Herooj de l' Homaro

— Georgo Verda —

Ne per teruraj sangaj bataloj ili gloriĝis. Ne estas landoj dezertigitaj, nek popoloj dekonigitaj kaj buĉitaj, kiuj eternigis iliajn nomojn. Ilia heroeco estas la plej alta esprimo de l' vivo, de tiu vivo, kiun ni celas kaj aspiras, kiun ni vartas en niaj koroj kiel plej dolĉan revon. En la funebra kaoso de l' nunaj tagoj, kiam ni preskaŭ perdis jam ĉian kredon pri vera homa grandeco, kiam ni por ni mem sentas sole malŝaton kaj malestimon, la gloraj nomoj de Slepnov-oj, Kamanin-oj, Molokov-oj, Uŝakov-oj kaj iliaj kolegoj elstaras kiel flamantaj torĉoj kaj brilas kun blindiga lumo, heligante niajn mornajn animojn kaj verŝante freŝan fidon en niajn korojn.

La ekspedicio de »Ĉeluskin« kaj la elsavo de ĝia anaro deper bravuloj, kiuj malkaŝis ne nur eksterordinaran kuraĝon, sed — antaŭ ĉio — profundan instinkton de homa respondeco kaj solidareco, estas sendube la plej bela, la plej poezia ĉapitro en la historio de nia gangrenumita periodo. Ĝi estas potenca antaŭensvingiĝo de l' homa spirito kaj plenigas nin per neesprimebla ĝojo — ĝojo ne sole pro tio, ke la malfeliĉaj ŝiprompuloj estas savitaj, sed ankaŭ pro tio — kaj tio por la estonteco estas la plej grava — ke la tuta helpagado da tiam minacaj danĝeroj estis konsiderata kiel afero de nacia honoro kaj prestiĝo.

Kun retenita spiro ni sidadis ĉiutage ĉe la radio-aparatoj aŭ sekvis avide la gazetraportojn pri la sorto de l' malfeliĉuloj, kaj ĉiufoje kiam ni sciiĝis, ke tiu aŭ alia aviadisto entreprenas la savoprovon, elmetante sin mem al plej granda risko, ni, ekscititaj kaj emociitaj, benis la nekonatan heroon, plej sincere dezirante al li sukceson en lia batalo kontraŭ la kruelajoj de l' naturo. Disigis nin dekmiloj malsamaj, kontrastaj konvinkoj — sed spirite ni kunfandiĝis kun ili. Kaj se iu el ni inklinas al mistiko, li rajtas kredi, ke ne sole la gloraj herooj savis la ŝiprompulojn, sed ni mem ankaŭ, ni ĉiuj, kiuj, vere, korpe ne partoprenis en la savado mem, sed kiuj en ĉiu parto de l' mondo, en ĉiu terangulo — ĉiu laŭ sia maniero — sentis sin kunaj kun tiuj herooj. Tiu-ĉi konscio inspiras al ni ian noblan fieron kaj sternas paradizan spaliron inter dornoj kaj urtikoj sur la mizera vojo de nia nuna vivo.

Pri tio ja temas: ke ĝuste nun, en tempo de cinika egoismo, kiam la ideo de homeco kaj solidareco refalis en foran antikvecon, kelko da bravuloj pruvis al ni, ke ni eraras, ke la homa animo tute ne falis ankoraŭ tiom malalten — ili fariĝis vivanta universitato de bela optimismo, kaj kiel longe ekzistos sur nia tero Kamanin-oj kaj Uŝakov-oj kaj Schmidt-oj, tiel longe ni firme alte-tenos la standardon de homeco, de solidareco kaj nobla ideealismo!

La sennombraj Aleksandroj, Cezaroj kaj Napoleonoj perdas sian majestan brilon, kaj ilian lokon en la historio ekokupas reĝoj de l' scienco kaj homa nobleco, kiuj ofte staris ĝis nun en angulo de l' forgeso kaj ignoro. Dekgroŝa retorto de fanatika mikrobĉasisto kapablas mortigi miloble pli da niaj malamikoj ol la vanteco de niaj napoleonoj. La braveco de l' rusaj aviadistoj estas nekomparebla kaj ĝin pruvos neniu el la nunaj »popolsavantoj«. Feliĉa estas la generacio, kiu scios respekti kaj ami *tian* heroecon.

La sovetlanda registaro kreis specialan ordenon, nomante la bravajn aviadistojn »herooj de Sovetio«. Kun nobla egoismo ni direktas nian proteston al Sovetio: ne nur la viaj estas tiuj-ĉi herooj. Ankaŭ ni, kiuj spirite sekvis ilian danĝeran vojon, ankaŭ ni volas havi la honoron jubili al tiuj herooj. Slepnjov, Kamanin, Molokov, Uŝakov, Ŝmidt kaj ĉiuj aliaj, kiuj forrabis de l' Blanka Morto ĝiajn viktimojn kaj redonis ilin al la vivo, ili ĉiuj estas ankaŭ niaj herooj. Ne nur »herooj de Sovetio«, sed »Herooj de l' Mondo«, »Herooj de l' Homaro« — kaj al tiuj-ĉi senmortaj herooj ni jubilas hodiaŭ kaj aklamas: Hura! Ili vivu!

---

Laŭ tri ĉieldirektoj ne ekzistas eĉ la plej malgranda terpeco, kiun povus homo nomi sia hejmo. Oriente kaj okcidente vere ne ekzistas, sur tiu ĉi granda ringo ĉie ĉirkaŭe regas la virgepura senhoma soleco. Norde, se mi ne konsideras la malgrandan okcidentan *Aalesund* apud la bordoj de l' fjordo *Kingsbay* de l' Spitzbergen, nur sur la transa flanko de la terglobo, trans la poluso — en Alasko (Kanado) vivas homo. Kie troviĝas sur la vasta terglobo ankoraŭ tia loko? Kie?

*

Kiam nia ŝipo proksimiĝas de la direkto de l' insulo Ursoj al Norvegujo, dum horoj ni vidas antaŭ ni la flavajn, nebulkovritajn, sunlumigitajn rokojn, la fatamorganon de la malproksima kontinento. Ni revidas iun, kiun malgraŭ ĝiaj multaj mankoj tamen nepriskribeble ni ŝatas. Ni revidas — Eŭropon, kaj ni tre amas ĝin.

Kalvaj, dezertaj rokoj leviĝas antaŭ ni. Nenia vegetaĵo, nur birdoj vivas sur ili. Ie la pafsonojn de la ŝipkanono salutrespondas miriado da birdoj per laŭta pepado kaj flugilfrapado. Iliaj svarmoj mallumigas la ĉielon. Ni kurbdirektiĝas al nordoriento — kaj sub latitudo 71° 10' 24" jen altas antaŭ ni la fiera promontoro de la insulo Magerö, la 307 m. alta Nordkabo. Ĝi estas alta, perpendikla, malhelega, spitema — ignore ĝi rigardas malsupren al la ondfrapadanta, ekscitita maro. Sur ĝia supro videbliĝas eta domo kaj la siluetoj de kelkaj homoj. Nin oni atendas: la poŝtisto, kiu scias, ke nun kelkmiloj da ilustritaj poŝtkartoj dismigros de ĉi tie al ĉiu direkto de la ventkompaso, — kaj la plej norda kolportisto, kiu hodiaŭ tie supre kalkulas je l' malplenigo de kelkaj boteloj da senmalutilaj, prohibiciaj trinkaĵoj. Ambaŭ ili konas la homan eraremon. Kiuj en sia vivo nur foje povas stari dum sunlumigita nokto sur la plej norda promontoro de Eŭropo, tiuj tie supre skribas ilustritajn poŝtkartojn kaj pro ĝojo pri sia granda travivaĵo ili intertintigas la glasojn plenigitajn per senalkohola ĉampanaĉo, anstataŭ enprofundigi sian animon en la senlimecon, por ke ilia animo ricevu iom da fajrorezista emajlo kontraŭ la purgatorio de l' vivo.

Ni havas feliĉon. La vespero estas silenta, la oceano kvieta. Se ankaŭ meze de somero furiozas ĉi tie la neĝventego, tiam oni neniel povas alproksimiĝi al Nordkabo. Sur la senindulgaj rokoj disrompiĝus eĉ la plej forta boato, kvazaŭ malplena glaso ĵetita de senbride dancanta ebriulo kontraŭ la muron. Kiam la elementoj diboĉas, la humoro estas ĉi tie tre sovaĝa . . .

Kviete ni turniĝas malantaŭ la Kabon en la malgrandan Hornyik-golfon.

Kelkloke deklivaj, herbokovritaj monteloj estas videblaj. Ankaŭ ili estas loĝejoj — sub la tero; ilia enirejo rigardas al la monto. Interne tre hejmecaj estas tiuj ĉi subherbe kaŝiĝintaj hejmoj; povas furiozi super ili la

# El „La Trofeoj" de J. M. Heredia

— G. Waringhien —

## Al triumfinto

*Imperator' grandfama, sur via ark' ilustre*
*skulptigu militistojn barbarajn, hont-angorojn*
*de l' estroj sub la jugo, armaĵojn, ŝipdekorojn,*
*el la kaptaĵo mara la* rostrum *kaj* aplustre.

*Ĉu Ancus-fil' vi estas, ĉu kampulid', inkruste*
*aŭ ĉize skribu nomojn, titolojn kaj honorojn*
*en la bareliefojn kaj en la friz-marmorojn,*
*profunde, ke l' futuro ne ŝtelu vin maljuste.*

*L' armilon fatan svingas la Tempo jam. Ĉu do vi*
*esperus vian famon trans la jarcentojn ŝovi?*
*Aĉa heder' sufiĉas por krevo de trofe'.*

*Kaj sur triumfaj ŝtonoj falintaj, kie briton*
*de via glor' ruina la herbo kaŝas, ve,*
*sole kampul' samnita breĉetos la falĉilon.*

## La kuranto

*Kia lin vidis Delfoj, ĉarmanta pleban guston,*
*fluganta tra l' stadio, dum Thymos lin kun cedo*
*postrestis: jen per svelta, ventfluga bronzpiedo*
*Ladas ankoraŭ tretas sian marmoran fuston.*

*Brakstreĉe, fiksokule li antaŭklinas buston,*
*de l' frunto bronze perlas guteto post guteto,*
*el la muldilo, ŝajnas, elsaltis la atleto,*
*dum la skulptisto fandis lian vivantan bruston.*

*Li pulsas, li tremegas de febro kaj espero,*
*la flank' anhelas, mankas al lipoj la aero,*
*pro fortostreĉ reliefas muskoloj el metalo:*

*L' impet' nerezistebla de lia kur' lin pelas,*
*kaj paŝegante preter la propra piedestalo,*
*li por la glora palmo en la arenon celas.*

## Epitafo

*Jen kuŝas, ho Fremdulo, la verda salt-lokusto,*
*de Helle dusezone vartita kvazaŭ ide,*
*kies flugil', vibranta sub dentaj kruroj stride,*
*bruadis en la pino, citizo kaj ligustro.*

*Ve, de ĉi lir' natura mutiĝis jam la flustro.*
*Ĝi, Muz' de l' kampoj, sulkoj kaj greno — jen rigide.*
*Por ĝin en dorm' facila ne ĝeni, ho rapide*
*pasu amik', ne pezu sur ĝia eta brusto.*

*Rigardu: en la mezo de timiano blankas*
*ĝia funebra ŝtono metita nur freŝdate.*
*Ho, tia sort' konsola al kiom homoj mankas!*

*La tombo per la larmoj knabinaj priverŝate,*
*al la Aŭroro pia ĉiun matenon dankas*
*oferon da rosgutoj faritan delikate.*

---

uragano de Apokalipso, — la mastro ne atentas pri la kolero de l' vetero.

Ni albordiĝas. Ne malproksime ŝrumpiĝinta lapono skulptadas cervobranĉkornon. Norvegaj infanoj kuradas tien kaj reen kaj proponas kolorajn bastonojn. Bona, zigzage kurba vojo kondukas supren, kiu dum kelkaj minutoj pleniĝas per la pilgrimantoj de l' Belo. Estas ĉirkaŭ la deka vespere, tamen ni rimarkas nur tiom, ke ni iras en ombro, en la propra ombro de l' Nordkabo. Post tri horkvaronoj ni atingas la altanon de l' montosupro, de kie kejlumita, dratkondukile direktita senvoja vojo kondukas al la rando de l' Nordkabo. Dum 20 minutoj oni devas iri laŭ tiu ĉi dratsignilo; en neĝo, nebulo, nur tiu ĉi Ariadne-fadeno montras la ĝustan direkton. Supre freŝe salutas min la vintreca, sala spiro de l' maro kaj la milda rideto de l' ruĝa suno. La mirbela, mi povus diri malgaje rezignacia noktomeza suno. Kiam enprofundiĝinte mi rigardas tiun ĉi ruĝan stelon, ĉe la rando de l' Atlantiko, volvitan en tien kaj reen saltetantajn violkolorajn nubojn, senvole mi devas pensi pri belulino sin kaŝanta malantaŭ vidvina vualo. La beleco de la suno estas perfekta ankaŭ noktomeze, sed ĝi brilas al ni demalantaŭ vidvina vualo; intere estas ia granda malĝojo.

Min ĉirkaŭas rokpintoj, kalvaĵoj. Ĝi ne plu estas la regno de l' homo, sed de la ĉielo. Poste la oceano, la lazura, arĝenteca, orstria oceano. Kiu ne staris ĉi supre, ne povas scii, kion signifas tiu ĉi vorto: maro, kiu estas ligita kun la penso de senfino.

Mi rigardsekvas la fajrokolonon tra la ondoj, de la sunbulo ek kaj ekflamanta ĉe la horizonto ĝis la balanciĝanta *Orinoco*. La granda blanka ŝipo ŝajnas de ĉisupre nur infanludilo. Mi povus ĝin teni sur mia manplato. Tial mi ŝatas la altaĵojn, ĉar de ili rigardante ĉio, ĉio estas ludaĵo, tial la plej granda feliĉo estas la altaĵo de l' animo, ĉar ankaŭ de tie rigardate ĉio, kio sin rigardas granda kaj potenca, estas nur ludaĵo.

Estis bele . . .

Kiam tra la monta vojeto mi paŝadis reen, mi sentis, kiom mi riĉiĝis: per netaksebla memoro. Sed mi ankaŭ sentis, kiom mi malriĉiĝis: per plenumiĝinta espero. Jam apartenas al la pasinto io grandioza, kion mi travivis.

Kiam la Orinoco malrapide sin turnas al Okcidento, ĉirkaŭ la unua nokte, denove leviĝas la suno ekripozinta por kelkaj minutoj. Ĝi kolorigas skarlatruĝe la malproksimiĝantajn rokojn de l' Nordkabo. En mia animo senĉese zumas penso de Ady:

. . . . . . . . . . . . Majesto,
Nordkab', mistero, fremda esto.

El la hungara: *Aleksandro Csáder.*

Dro Marcell Jankovics (naskiĝis en 1874.) hungara verkisto en Bratislava. En sia junaĝo li vivis plurajn jarojn en Torino (Italujo), kie mortis ekzilite lia onklo Ludoviko Kossuth (1894). Li estas eminenta alpinisto kaj sur tiu ĉi kampo li atingis gravajn rezultojn. El dekduo da liaj be'etristaj, plejgrandparte alpinistaj verkoj mi citas: Sur senvojaj vojoj (1903.), Aglonestoj (1906.), La Alpoj (1911.), La insuloj de l' Nordo (1930.), Kortega arlekeno, Hungaraj polveroj.

# PRINTEMPO FURIOZAS

## (OCUJA KOROŜI)

### — ĴUN'IĈIRO TANIZAKI —

Nun, Ŝinsuke mem ne povis kompreni, kial li mortigis lin, kial li faris tian kruelajon. Li ne povis pensi alie, ol ke lin instigis senespera konvinko, ke li povos sin forsavi nur, se li mortigos la viron, kaj li mortigis lin, kvazaŭ en duonsonĝo. Aparte de la nervoskuo, li sentis en si, malgraŭ kelkaj vundoj doloraj, ankoraŭ la ĉeeston de tiom da spirita forto, ke li miris. »Kiel facile estas mortigi homon!«

Kio okupis lian penson en la sekvanta momento, estis la demando, ĉu li forkuru, aŭ kapitulacu antaŭ la leĝo. Ĉiuokaze, li ne malfruos, li konkludis, se li iros unue por vidi ŝin kaj poste elektos la vojon irotan. La aspekto de la korpo de la viro, povinta ridi, koleri kaj batali ĝis antaŭ momento, nun simpla maso da karno, kuŝanta tie kiel ŝtipo, tiel subite perdinte la parolkapablon, — nun ŝajnis al li preskaŭ ridinda. Li tuŝis la korpon per siaj piedpintoj, kaj lia sento de teruro — strange — miksiĝis kun tiu de amuza mokemo. Ial al li ŝajnis, kvazaŭ tio, kion oni nomas homo, estus nur treege interesa meĥanikaĵo elpensita de ekstrema genio. Por eviti provizore la malkovron de sia krimo, li ĵetis la kadavron kaj la batalilon en la riveron, kaj tra la pluvo ankoraŭ forte batanta, li rapidis kure al la hejmo de la boatisto en Takabaŝi.

»Por nia ĉefo mi bezonas vian kapon« : — diris Santa. Do estis facile nun vidi, ke Seiĵi estis, je lia miro, granda kanajlo, kaj lia domo devis esti nenio alia ol nesto de kanajloj laborantaj sub la masko de boatisto. Estis facile vidi ankaŭ, ke Seiĵi intencis lin mortigi, ĉar li volis forrabi Cuja-n. Sed se la tuta domo estas unuiĝinta en la konspiro, la foresto de Seiĵi tute ne signifas, ke li povas tien reveni sen antaŭzorgo. Ĉiuokaze, pensis Ŝinsuke, ne estos tiel facile revidi Cuja-n. Ju pli longe li meditis, des pli dolore ĉagrenis lin la penso, ke li tiel facile falis en la kaptilon de la diabla kanajlo; kaj lia ĉagreno plu kreskis, ĝis fine sovaĝa malamo al la boatisto kaj pasio de venĝo ekkrevis en lia koro.

»Mortigi unu, mortigi du — kia diferenco? Se necese, mi mortbatos tiun hundon. Kaj tuj tie mi mortigos min pro justeco!« En momento de senespero li pensis tiel; tamen, vivi li volis je ĉiu kosto ĝis li revidos ŝin, amatan sinofere. Kaj kion fari, se li ne povos ŝin revidi — revidi neniam plu? Antaŭ la malĝojo de tia penso, la pasio kontraŭ la boatisto ŝajnis velki for de lia koro kaj ĝi nun pleniĝis de dolora sento de mizero kaj soleco, neretenebla kaj neregebla.

Por sin ŝteli en la domon kiel eble plej senbrue, li komencis eviti la piedbruon jam kvar aŭ kvin metrojn de antaŭ la domo. Ĉirkaŭirinte en la mallarĝa pasejo flanke de la domo, li metis la orelon al la kuireja pordo, preskaŭ dezirante aŭdi plorkrion de Cuja; sed nenia voĉo interne; ĉiuj ŝajnis nun dormantaj. La vetero neniam povus esti pli favora por tia tasko, kaj li pensis, ke li povas fari iom da bruo. Li maltime decidis perforte demeti unu el la glitpordoj el la sojlosulko. Sub lia kolektita forto, tamen, tuj cedis la pordo; ĝi eble ne estis riglita, kaj facile glitis flanken. En la interna ĉambro li trovis lanternon ĵetanta malfortan lumon, sed nenian signon de antaŭirinta okazaĵo. Tamen, li ne forgesis antaŭzorgi, sin armante per fiŝtranĉilo, pendanta apud la defluejo de la kuirejo, kaj kaŝante ĝin en la sino, ŝtele li iris internen. Kiam apenaŭ li proksimiĝis al la bazo de la ŝtuparo, jen —

»Kiu estas? Ĉu estas vi, Santa?« Estis la edzino de la boatisto, kiu alparolis; ŝia voĉo estis apenaŭ pli ol flustro.

»Jes, estas mi,« respondis Ŝinsuke per voĉo tre mallaŭta kaj raŭka kiel la ŝia, kaj tie li haltis.

»Do, kiel iris la afero — ĉu bone?« ŝi plu demandis en maltrankvila voĉtono. La virino sola sidis apud la fajrujo sin varmigante per piedvarmigilo. Videble ŝi atendis en ĉiu momento la revenon de Santa, eĉ ne povante dormeti. Kaj sufiĉe strange, la dungitoj, kutime dormintaj en la apuda ĉambro, ne troviĝis tie hodiaŭ nokte. Ĉu do Cuja estus ien forkondukita: li demandis al si, kaj tio mirigis lin ĝis teruro.

»Estu trankvila, mi ludis la rolon lerte kaj bone,« li diris imitante la voĉon de Santa, kaj maldelikate malfermante la ekranon, li sin montris antaŭ la virino. Daŭre per la same mallaŭta voĉo, sonanta eĉ pli timige pro sia altrudita moltoneco, li diris — —

»Diru al mi, kie Cunjo estas.«

»Ha, Ŝin-don!« ŝi kriis spasme, sed ne parolis plu. Ŝia miro estis tiel granda, ke ŝi apenaŭ sukcesis ne sveni post granda korstreĉo, dum ŝi blinde serĉis en sia koro ian artifikon por kovri la situacion. La aspekto de Ŝinsuke, tamen, estis tro plena de morta ekscito por lasi al ŝi tian ŝancon. Li mem ne rimarkis tion, ĝis li trovis sin en la lumo de la lanterno; ne nur liaj vestoj disŝiritaj, sed ankaŭ lia korpo mem estis makulitaj kelkloke per ŝlimo, pluvo kaj sango, — terura aspekto, ne de surteraj estaĵoj. Momenton Ŝinsuke konsterniĝis vidante tion, sed li tuj ekscis, ke li nun devas forlasi ian ajn esperon kaŝi la faritan sangverŝon.

»Kio ja okazis al vi, Ŝin-don?« ŝi demandis ŝajnigante, ke ŝi nenion scias, kiam ŝi sufiĉe retrankviliĝis.

»Kial demandi? Mi ĵus mortigis Santa-n! Se vi diros al mi, kie estas Cunjo, mi ŝparos al vi la vivon.« Li etendis la tranĉilon sub ŝian nazon, kun minacaj voĉo kaj teniĝo. La virino restis eĉ provoke trankvila.

»Sendube ŝi estas sur la supra etaĝo,« ŝi diris kaj ekbruligante longan pipon, trankvile ekfumis kun indiferenta mieno.

Ŝi estis antaŭe ĉiesulino en Joŝiŭara, de kie Seiĵi prenis ŝin, post kiam lia unua edzino mortis. Malgraŭ sia kresko iom tro alta, ŝi estis virino kun bela haŭtkoloro kaj treege alloga talio; virino en la frua posttagmezo de sia vivo, ĉirkaŭ tridekdu aŭ tridektri jaroj. Kiel virino kutime fanfaronanta pri siaj firmaj nervoj kaj koro, eĉ superaj al tiuj de viro, ŝi neniom perdis sian aplombon en tia okazo. Estis rekoneble ankaŭ, ke la virino, kutime rigardanta lin de supre, kiel knabinece malfortan graciulon, aŭdis lian konfeson pri murdo kiel pli malpli simplan minacon por ŝin timigi momente; kaj ĝuste pro tio, ŝi laŭeble penis ne montri sian malfortan flankon. Li volis ĉiuokaze traserĉi la supran etaĝon, kaj provis ligi ŝiajn manojn kaj piedojn per ŝnuroj por ne doni al ŝi eblon forkuri intertempe.

»Kia impertinento, diablido!« Ŝi sin ĵetis antaŭen por ataki kaj luktovenki la viron, kredante en li neniom



Josef Israëls *Mortanĝelo*

da vireco. Sed sub bato donita sur la spinon kun tiel granda forto, ke ĝi preskaŭ sensentigis ŝin, ŝi rulfalis nun senpova antaŭ la viro. Nur unufoja sperto en hommortigo donis mirindan progreson al lia arto lerte fleksi, tordi, puŝi, premi la homan korpon. Estis negranda laboro al Ŝinsuke ligi la kvar membrojn de la virino kaj ŝtopi ŝian buŝon.

Kun la helpo de lanterno, li supreniris la ŝtuparon. Ĉambroj, kameroj, malantaŭo de la ekranoj: nenio restis ne traserĉata; sed li ne trovis Cuja-n. Li jam antaŭe supozis tion, tamen, fine certiĝinte, ke ŝi estas forrabita, li sentis sin senhelpa kiel infaneto forlasita kaj vojperdinta. Mallumaj pensoj atakis lian koron. Kun vizaĝo tordita de duonploro, li malsuprenkuregis la ŝtuparon kiel frenezulo. Sin alkroĉante al la jam perdiĝonta espero, li trairis ĉiujn ĉambrojn de la malsupra etaĝo, kaj rigardis eĉ sub la verandon, sed nenie li povis trovi Cuja-n.

»Nu, diru! Kie vi kaŝis ŝin? Alie vi perdos la vivon«, li diris, kaj formetis la ŝtopilon el ŝia buŝo. Kaj dum li demandis, li frapis ŝiajn vangojn per plata flanko de la tranĉilo.

La virino silentis trankvile kun fermitaj okuloj. Baldaŭ ŝi iom malfermis la okulojn kaj akre rigardante lin, ŝi diris:

»Kion povas fari vi, azenulo? Vi mortigos min? — bone, neniu vin malhelpos«. Ŝi ree fermis la okulojn. Ŝi ne plu moviĝis, firme kiel ŝtono. Okaze li rimarkis, ke li ankoraŭ ne serĉis en la ĉambro de la servistinoj, kaj ke estos pli prudente devigi ilin konfesi, ol vane torturi ĉi tiun malmolkoran virinon. Li salte rapidis tien. Kaj tre strange denove, li trovis nenium el la tri servistinoj, kutime dormintaj tie. Ŝajnis, ke oni antaŭe forsendis la domanojn kredeble kun komisio, por ke ili ne baru la vojon de konspiro. Ŝinsuke revenis do tien, kie li lasis la virinon kaj, el kia kaŭzo? tuj malliĝis ŝin. Ĵetante sin antaŭ la virinon, kun kapo mallevita ĝis la planko, li kunmetis la manojn en gesto de publika preĝanto, eĉ ne la maniero kaj humileco de surstrata almozulo.

»Pardonon, mi petas!« li estis fervora. »Mi pentas pro tio, kion mi faris kontraŭ vi. Mi pentas, mi petas vin — vidu, kiel mi petas! Pro via kompatemo, jam ne koleru kontraŭ mi! Havu kompaton — havu koron — nur diru al mi, kie estas mia Cunjo! Jen estas ĉio, kion mi volas demandi, — mi petas!«

»Nu, vi devas scii; vi serĉis en la tuta domo. Kial demandi al mi do? — Tio ne estas mia afero.«

»Pro kio nun tiu ŝajnigo? — kiom ĝi utilus? Por mi ne estas malfacile vidi, ke vi ĉiuj unuiĝis, kaj ien forkondukis mian knabinon. Nu, ĉu vi ne vidas, kiel honeste kaj malkaŝa mi penas esti al vi? Ĉu mi ne diris al vi, ke mi mortigis Santa-n antaŭ ol mi venis ĉi tien? Mi ne diras, ke mi volas trovi la knabinon por fari ion kun ŝi; nek ke mi volas kapti vian edzon por min venĝi pro tio, kion li faris kontraŭ mi. Mi nun demandas ĉi tion nur, ĉar mi volas — mi devas — revidi mian Cunjon — ankoraŭ unu fojon en mia vivo — por diri al ŝi adiaŭ; ĉar morgaŭ mi donos min en la manojn de la leĝo. Nu, pensu pri ĉi tio, mi petas. Eĉ se mi havus ion kontraŭ vi, domanoj, certe pri nenio vi povas min juste akuzi. Kaj kiam mi prezentas al vi la lastan peton de mia vivo, kial vi povas ĝin ne plenumi? Plenumu ĝin por mi, kaj mi donos al vi la vorton de viro, ke mi diros nenion por kuntreni vin aŭ vian edzon en malfacilaĵon, tute egale, kian ajn torturon mi devos suferi en la juĝa korto.«

»Nu, aŭskultu, Ŝin-don. Mi aŭdis, ke vi babilas jen pri nia unuiĝo, jen pri kuntreno en malfacilaĵon, kaj pri ĉio ĉi nur vi sola scias. Bone, montru al mi la pruvon de tio, pri kio vi parolas! Eble vi freneziĝis pro tio, ke vi mortigis homon. Kion ajn Santa farus, tio ne estas afero de mia edzo. Senĝene iru kaj donu vin al la leĝo, aŭ venĝu vin kontraŭ la ĉefo, aŭ faru kiojn ajn vi ŝatas, tute laŭ via plaĉo.«

»Se vi estas tiel senkulpa kaj pura kiel vi asertas, kial vi ne diras al mi, kie ŝi estas? Kaj ĉiuokaze, kien iris sinjoro Seiji?«

Videble la virino fariĝis pli kuraĝa. Kun maltima sinteno de insultemo ŝi rigardis lin, kun manoj enŝovitaj en la sinon. Ŝia voĉo portis tranĉe malvarman mokemon, kiam ŝi diris:

»Kien iris mia edzo, vi demandas? — Lastatempe li eliras ĉiunokte; kiel do mi povas scii ĉiufoje, kien li iras! Pri Cunjo; ŝi diris, kiam ŝi eliris frue en la vespero, kunprenante la servistinojn, ke ŝi iras ĝis Hirokooji por vidi spektaklon. Sed vidante, ke ŝi tiel malfruas, eble okazis al ŝi io malbona, mi supozas.«

Dum li aŭskultas la insulton de la virino, lia koro denove prenis teruran turnon. »Hundo! Kion fari kontraŭ la virinaĉo?« li blasfemis en sia korfundo. Se estas certe, ke li jam en povas trovi ian ajn rimedon por

elpremi el ŝia buŝo la veron, kie ŝi estas, li devas prokrasti sin doni al la leĝo dum monato, aŭ eĉ duonjaro, ĝis li fine retrovos ŝin. Kaj malfacilaĵo, pri kiu li pensis, estis, ĉu lia krimo povus resti ne malkovrita ĝis tiam. Kio ŝajnis certa interalie, tio estis, ke la virino akuzos lin sekrete.

Tia penso disvolviĝis en la koro de Ŝinsuke, dum li tie staris en paŭzo, en malcerteco, kun okuloj fiksitaj sur la duonturnita vizaĝo de la virino, kiu sidis sub li, kun fleksitaj genuoj, trankvile fumante per sia longa pipo, kiel senhontulino kun mieno de superega memfido.

»Kaj ĉu ŝi ne estas la edzino de tiu viro, Seiji? Se mi mortigos ŝin rebate pro mia sufero, al mi restos plu nenio danĝera kaj mi povos venĝi la knabinon pro la malbono al ŝi farita. La aspekto de la virino — kun pufaj vangoj, tiel maltima kaj fiera, tiel malbenite certa pri si, neniom sciante pri sia vivo jam nun finiĝonta; — humuro! Kaj simpla ekstreĉo de mia brako, simpla ekpremo ĉirkaŭ ŝia kolo — kaj jam restos al ŝi nenio, krom kadavro! Kia amuzo!«

Subite lia koro klinis sin al fantazio eĉ pli terura, eĉ pli diabla. Senvorte li prenis kanabŝnuron ĉe sia piedo kaj fulmorapide volvis ĝin ĉirkaŭ la kolon de la virino. Li realigis la fantazion precize, kiel ĝi aperis en lia koro. Kiam tio finiĝis, subite li sentis sin ellacigita, morte laca, — sendube sekvo de la tuta streĉo, kiun li devis elporti. »Mi ja estas granda krimulo.« Ĉe tia penso, la haŭto de liaj propraj manoj kaj piedoj ŝajnis al li plene malpura de nuanco de fantomeca malhelbluo. Eĉ se li volus tuj forkuri, li povas fari nenion kun tiuj ĉi sangomakulitaj vestaĵoj. Li iris al la kuirejo, kaj nudiĝinte li lavis la tutan korpon plene makulitan de sango. Feliĉe, sur la kamerbreto, li trovis plenan vestaĵaron, ŝajne de Seiji, kaj li vestis sin per ili. Ili estis vatita vesto el peza ponĝeo,* supervesto el la samo kaj malmola iom larĝa zono kun strioj meze de la brunnigra fono; al li ĝusta kaj konvena kostumo kun gusto de respektinda kvieteco. Due li turnis la atenton al la tirkesto de la komodo, el kiu li prenis miksite ĉirkaŭ tri »rjoo«-jn da oraj kaj arĝentaj pecoj. Li faris tion unuflanke por plenigi sian propran bezonon en tiu tempo, kaj samtempe por ŝajnigi ĉion kiel sekvon de entrudiĝo de rabisto. La demetitajn vestaĵojn li kunvolvis en paketon kun peza ŝtono uzata por peklo, kaj forsendis ĝin en la profundon de la kanalo. Ĉion ordiginte kun tia antaŭzorgo, li turnis sin al la sceno, kie nun troviĝis nenia atestaĵo montranta lian murdon al Santa kaj al la virino. Aŭ, li penis perforte trankviligi sin pre tia penso.

Ekstere, la pluvo jam antaŭe ĉesis. En la ĉielo plenserena, la meznokta luno brilis froste kaj hele. Li kovris la kapon per profunda ĉapo, kiun li ne forgesis kunporti. Kaj, ĉe la unua angulo de la pli larĝa strato, li preterpasis la patroldomon nealparolite.

## PARTO III.

En la tagoj, kiam ankoraŭ Ŝinsuke vivis kun siaj gepatroj, lia patro ofte prenis lin al la hejmo de iu ĉefo de vetludistoj, nomata Kinzoo, kun kiu la patro havis personan rilaton. Estis lia domo, kien Ŝinsuke, havante neniun alian lokon, devis sin turni en la nokto, kiam li plenumis la teruran krimon.

En sia juneco, Kinzoo kondukis sian vivon tute neregule kaj riproĉinde, tamen, kun la riĉaĵo kreskinta kaj la prudento maturiĝinta, li komencis tute novan vivon dum la lastaj du-tri jaroj, de kiam li atingis la aĝon de kvindek jaroj, kaj li nun estis konata kiel homo racia kaj sindetena, tute diferenca de la homo de lia antaŭa profesio; nun li estis homo simpatia kaj grandanima por tiuj, kiuj bezonis lian helpon.

Ŝinsuke delonge konfidis lin, priskribis al li la konturon de la okazaĵo en tiu nokto kaj petis al li kaŝi lin sub sia tegmento dum kelka tempo, promesante, ke li donos sin al la leĝo, kiam li retrovos Cuja-n. Priskribante la aferon, Ŝinsuke konfesis pri la morto de Santa, sed ne tuŝis tion, kio koncernis la boatistedzinon.

»Sinjoro Ŝinsuke, se vi bezonas mian helpon, eble vi povos ĝin havi; sed estas io, al mi nevidebla tre klare. Nun vi diris, ke vi rekte venis ĉi tien tuj post la morto de Santa. Kaj mi vidas, ke via korpo estas plena de vundoj, sed la vestaĵoj aspektas tute pure. Mi ne komprenas tion.«

Tuj Kinzoo rimarkis. Trafite Ŝinsuke tremis de teruro. Kiam li forlasis la domon de Seiji, li pensis, ke li certe lavis sin pura. Nun, atentigite, li trovis koaglintan sangon ne nur ĉe siaj fingrungoj kaj ĉirkaŭ la kolo, sed eĉ sur la maldekstra tempio; ĝi gluis tie la harojn en ĉiftufeton. Li do ne povis fari alie ol konfesi ĉion.

»Mi jam supozis tion. Nun mi vidas ĉion klare. Kial do ne plenumi vian peton? Kredeble ni povos labori kune por retrovi la knabinon, de vi nomatan Cuja. Sed antaŭ ol ni faros ion ajn, mi devas vin komprenigi, ke vi nepre vin submetu al la leĝo tuj, kiam vi retrovos la amatinon. Nu, estis tempo, kiam ankaŭ mi mem mortigis unu aŭ du homojn, sed — unu fojon ekkoninte ĝian senton, jam estas terure malfacile forgesi ĝin por ĉiam. Vi neniam estis tia homo, kiun mi povas nomi maltimulo, sed nun vi estas tute alia. Jam estas nenio, kio povas vin haltigi, kaj tio signifas, ke la tentoj venos nun al vi multe kaj ofte. Vi devas scii, sinjoro Ŝinsuke, ke vi ja troviĝas ĉe la vojkruciĝo de la sorto. Se vi ne estos singarda, ne pensema, vi rulfalos pli kaj pli profunden, ĝis vi estos la diablo mem. Se mi diras insiste, ke vi ricevu punon memvole, kaj mi tute ne cedos pri tio, vi ja opinios min senkora, tre malvarma, — mi scias. Sed, sciu, eĉ se vi estus nun savita, certe vi faros ion, — nepre malbonan, kaj ja ne bonan, al vi mem aŭ al la mondo, kie vi vivas. Tio signifas, ke okazos pli da murdoj kaj nenion alian.«

Ŝinsuke ne povis bone kompreni, kion signifas la admono de Kinzoo. Ĉu li ne konfesis ĉion laŭ sia konscienco? Kaj ĉu li ne montris penton pro tio? Kial do ĉi tio, nun kiam li decidis firme pri tio, kion li devas fari, kion li estis faronta? Li ne povis trovi kaŭzon, kial li timas pri lia malpliboniĝo estonta. El la plejprofundo de sia honesta koro, li ĵuris kaj ĵuris, ke li nepre donos sin al la leĝo estonte.

Ŝinsuke estis kvazaŭ besto, unu fojon incitita, kaj nun rekvietigita; li estis denove viro ĝentila kaj pacema kiel antaŭe. Li rememoris la okazaĵon de tiu nokto, kiel en sonĝo, kiun li sonĝis en la horoj, kiam lia koro estis plenokupita de terura demono. Li povis fuĝi, laŭ ilia interkonsiliĝo, kaj serĉi rifuĝon, ĝis la tempo forviŝos la famon, ĉe iu vetludisto loĝanta en Oomija, Buŝuu, kun kiu Kinzoo rilatis kiel frato. Sed tio forprenos de ili la ŝancon retrovi Cuja-n. Krome, feliĉe al Ŝinsuke, la afero videble forpasis ne kaŭzante tre rimarkindan famon en la urbo. Frumatene en la sekvanta ta-

* silko ne tre bone ellaborita.

## *La blanka pordo*

-- *Edvard Valenta* --

Ne, sinjorin', ne opiniu,
Ke venas mi kun almozpet',
Nek vojaĝist' mi estas, kiu
Tromplogos vin per lotbilet',

Pri sap' negocojn mi ne faras,
Mi ne brokantas pri la vest',
Nek akvotubojn mi riparas,
Nek petas mi pri manĝa rest',

Ne estas mi fripon' senhonta
Kun ruza pens' pri ŝ'elprepar',
Nek estas mi student', luonta
De vi ĉambreton kun meblar' —

Mi estas tute simpla homo
Kaj volis preteriri nur,
Sed en fenestro de ĉi domo
Jus via montris sin statur'.

Mi scias, estis ĝi hazardo,
Min mem vi lasis sen atent',
Kaj tamen via ekrigardo
Plenigis min per ĉarma sent',

La ŝtupoj vokis min invite
Kaj balustrado kaj la mat'.
Nun sonorigas junigite
Ĉe blanka pord' mi, nekonat',

Vi ne atendu almozpetojn —
Jes, fermu pordon, sinjorin' —
Mi ne kolportas lotbiletojn,
Mi sole volis vidi vin.

El la ĉeha: *Miloŝ Lukáŝ.*

---

ĝo de la alveno de Ŝinsuke, Kinzoo, kvazaŭ okaze, preteriris la stukitan muron, kiu ĉirkaŭis la loĝejon de grandsinjoro Hosokaŭa. Li ne trovis sangon, kiu kredeble estis forlavita de la dumnokta pluvo, nek la ombrelon postlasitan de Ŝinsuke sur la loko. La sola trovebla afero estis restaĵo de la manĝaĵskatolo de la restoracio Kaŭaĉoo, dispremita kaj pistita sub piedoj. Rilate la boatiston Seiji, li ŝajnis preni ĉion tiamaniere, ke Santa, plenuminte la krimon, faris ankoraŭ unu paŝon kaj forkuris kun la mono akirita per la murdo de lia edzino. Sekve, eĉ se okaze Ŝinsuke renkontos la boatiston, ŝajnis, ke li povos certe miregi, sed neniam lin akuzos. Ankaŭ tio estis informo de Kinzoo, sekrete akirita pere de boatisto al li intima. Kinzoo igis la junulon demeti la vestaĵojn de malagrabla memoro, kaj surmeti vintrajn vestaĵojn el lia vestaĵaro. La zorgemo de la maljunulo igis lin eĉ pentri haŭtmakuletojn sur lia vizaĝo.

Alivestite kiel vendisto de pajlosandaloj tage, kaj de makaronio nokte, Ŝinsuke ĉirkaŭvagis la stratojn, ĉefe en Hukagaŭa, — konsilite de Kinzoo.

Baldaŭ la jaro finiĝis, kaj venis la nova, la oka jaro de la Bunsei epoko.* Ŝinsuke ĉiutage vagis en Takabaŝi, ĉirkaŭ la domo de la boatisto. Kiam apenaŭ pasis dudek tagoj aŭ iom pli, jam troviĝis la tria edzino ĉe lia domo, kaj lia negoco prosperis kiel antaŭe. Jam estis nedubeble, ke oni forvendis Cuja-n en servuton, Ŝinsuke konsideris. Por preterlasi nenian ŝancon, li iris al Taĉibana-ĉoo kaj kaŝe rigardis en la butikon, kie li antaŭe servis. Li trovis, aŭ fantaziis trovi la lokon plena de dezerta soleco, kian li neniam antaŭe vidis, kaj tie troviĝis, kompreneble, nenia signo pri la juna filino reveninta. Li eĉ aŭdis famon, ke la mastro, korrompita pro la forkuro de sia filino, nun kuŝas grave malsana, depost la lasta jaro. Tio kaŭzis al li tiel neelporteblan malĝojon, ke li fine decidis neniam plu sin turni al tiu loko.

Li decidis ankaŭ ne serĉi provizore en la ĉirkaŭaĵo de la kanalvojo. Li do serĉis en preskaŭ ĉiuj gajkvartaloj de la urbo, kaj etendis la serĉmanojn eĉ ĝis Koume, Haŝiba, Irija, sin lokantaj ekster la urbo, kaj travagis lokojn, konatajn pro la loĝejoj de amatinoj kaj pro la vilaoj de urbaj riĉuloj. Kiam fine la dua monato de la jaro estis finiĝonta, ankoraŭ daŭris lia serĉado. Baldaŭ la ĉerizfloroj komencis ekflori laŭ la riverbordo de Mukoojima. Gaza kurteno de nebulo ekpendis trans la paca ĉielo de printempo. Venis plaĉe varmaj tagoj, kiuj ŝajnis ĵeti dolĉan dormemon eĉ sur la viron kriantan ekstere sur la strato pri siaj vendaĵoj. Laŭ la proksimiĝo de printempo, la koro de Ŝinsuke akre doloris pro amo kaj malĝojo. Kaj li terure sopiris vidi ŝin denove, — vidi ŝin, eĉ se nur en sonĝo.

»Sinjoro Ŝinsuke, ĉu la knabino, de vi serĉata, ne estas kantistino en la kvartalo Naka-ĉoo, — ŝi nomiĝas Somekiĉi?«

Tiun ĝojan sciigon Kinzoo alportis hejmen en iu vespero de la malfrua Aprilo. En la sama vespero Kinzoo regalis, li klarigis, sin kaj siajn du-tri homojn ĉe la restoracio Obana-ja, en Hukagaŭa. Unu el la gejŝoj, okaze vokitaj al la kunmanĝo, frapante similas al la priskribo, donita al li de la junulo. Estas dirinde, ke la knabino, kvankam ŝi estis malofta belulino, havis palpebrojn iom pezajn, kaj provojn densajn ĝis preskaŭ vira severeco. Kiam ŝi ridetis, ŝia duobla dento sur la dekstra flanko ete aperis sub la supra lipo kaj tio faris la ridentantan vizaĝon tiom pli alloga. Ŝia kutimo, iom mordi la lipojn kaj premi la malsupran lipon per dentoj, kiam ŝi ekparolas! Ŝia voĉo riĉa je ĉarmo, kiu ŝajnis apelacii rekte al la homa koro! Tiuj karakterizaĵoj koincidis kun tiuj, kiujn Kinzoo rakontis pri la gejŝo. Li do iris kaj sekrete informiĝis pri ŝia deveno. Oni diris, ke vetludisto nomata Tokubei, loĝanta en la vilaĝo Suna-mura, estis ŝia garantianto. Li elflaris ankaŭ, ke tiu ĉi Tokubei estas fripono kun malnobla karaktero, malŝatata eĉ de siaj samprofesiuloj, kaj ke li ŝajne rilatas la boatiston Seiji, kvankam ne publike, kiel amiko. Ĉio ĉi jam lasis nenion pridubi. Ankaŭ Ŝinsuke samopiniis.

»Entute ĉio ŝajnas al mi ne eraro. Sed estas io, kion mi tute ne komprenas. Mi timas, ke vi ofendiĝus pro mia diro, en okazo, se la knabino pruviĝus la via, —«

Kun tiu ĉi enkonduko, Kinzoo rakontis pri ŝi la famon, kiun li aŭdis en la gajkvartalo. Estis nur antaŭ unu kaj duono da monatoj proksimume, ke la knabino Somekiĉi komencis aperi en Naka-ĉoo; sed pro ŝiaj ta-

* 1825 post Kristo.

# Prijuĝo

— Lev. Vladyka —

Per sidado oni devas perdi nek memestimon nek aŭtoritaton; Zenon Ojiczski sidis de frua mateno, same kiel ĉiun tagon, kaj laboris. Nur nun, post triobla sonoro, kiu anoncis venon de leteristo, li forŝovis la skribmaŝinon kaj kontente streĉis la krurojn. Lia rigardo glitis laŭlonge de la pentrindaj tegmentoj de antikva Krakova strato kaj poste fiksiĝis al neokulfrapa loko surplafona, kiu ofte estis kvietiga lampo por lia pensado.

Eniris la mastrino kaj alportis poŝtaĵojn. Tri leterojn. Ŝire li malfermis ilin sinsekve, neniel vidigante en sia mieno emocion. La tria letero estis de tute nekonata deveno, pri kio atestis la koverto, sed eĉ tio efikis senimprese al la griza viro. Al nekonataj leteroj li estis kutimiĝinta. Liaj gloro kaj sukcesoj estis akompanataj de tiaj manifestaĵoj, kaj tial li akceptadis ilin kiel parton de sia profesio. Kelkafoje li tiamaniere eĉ eksciis interesajn detalojn, kiuj helpis la studadon de homa animo. Kaj tio estis rimarkinda pluso por Ojiczski, ĉar li estis konata kiel eminenta literaturisto, kiu famiĝis per kelke da romanoj kun profunda psikologia bazo.

Li malfermis la trian leteron kaj profesiule li rigardis la unuan paĝon. Ĝi estis maŝinskribita kaj sentitola.

»Fine hodiaŭ matene mi saltis sub la lokomotivon numero tricent sesdek kvin. Estis preskaŭ mallume, kiam mi ekiris elhejme. Grandaj gutoj da roso similis al larmoj de la vualita vizaĝo de l' tero. Mi iris laŭ verda vojo inter maturiĝantaj grenkampoj, ĝis kiam antaŭ mi subite aperis fervoja linio. Surprizis min ĝia ekzisto tiuloka, kvankam ja mi sciis, ke ĝi tie devas esti.

Rigide mi haltis — ĉar ĵus ĝi estis veturanta. Lokomotivo. Peze ĝi spiregis — post si ĝi trenis alte ŝarĝitan vagonaron.

Nerezistebla forto tiris min antaŭen. Mi kuregis kiom eble plej rapide. Ĝustatempe mi venis. Transsaltinte fosaĵon mi ĵetis min sur la relojn.

Ra-ta-ta — ra-ta-ta — bruis la kuplaĵoj en ritmo identa kun la pulsobatoj de mia fandita koro. Tio estis tre stranga. Sed la elŝprucanta vaporo siblis en trankviligaj intervaloj kaj memorigis pri la tempo de feliĉa infaneco.

Ĝi estis tiom dolĉa. Mi emis dormi. Dormi... sendoloriĝan, longan kaj senvekiĝan dormon. Se nur la reloj postmatene ne sentigus tian malvarmon.

Huuu — la vagonaro transpasis. Mi estis konvinkita, ke mi frakasiĝis kaj estas morta. Ekkaptis min frosta teruro. Mi timis leveti la kapon — mi ne kuraĝis ekmovi brakon aŭ kruron. Nur poste mi fermis la okulojn kaj malrapide eklevis la nukon kiel malsana limako, rektigis min en kurbigita timego, mem estante fantomo kaj ombro. Kaj kiam mi tenis la kapon alte super la nivelo de la reloj, subite mi malfermis la spasme kuntiritajn okulojn.

Taga lumo ekdolorigis min.

Okazis nenio. Tute nenio. Do ankoraŭ ĉi-foje ne?! La sekvan fojon mi devos elekti unurelparan fervojlinion, por ke min trafu mia sorto.

Nur reirante al la hejmo, kiam mian kapon ĉirkaŭflugetis konvulsia frostotremo dum ĉiu rememoro, mi decidis turni min al vi. Nun mi kuŝas apud viaj piedoj en hunda humileco, mi ĉirkaŭprenas viajn krurojn — — helpu min. Mi petas nek almozon nek senhontan protekton. Sole kelke da vortoj sufiĉos al mi, kelke da vortoj de homo, kiu ĝisfunde jam pripensis multajn destinojn kaj okazaĵojn. Ĉu estas eble forigi la strangan vualon de sur la nekomprenebla kontraŭnatureco de mia animo? Ĉu sukcesos iu per taŭga

---

lento en muziko, ŝatinda personeco kaj beleco konkuranta kun iu ajn en la tuta kvartalo, oni baldaŭ aŭdis ŝian famon el ĉiu buŝo. Ŝi fariĝis ĉarmo de la loko. Juna filo de riĉa ŝtofvendsito de malsupra kvartalo, iu oficiro de la »Hatamoto«* klaso, kaj kelkaj aliaj de la urbo perdis sin pro ŝi kaj konsumis preskaŭ nekredeblan sumon da mono, dum ili ludis nur ridindan rolon antaŭ ŝi kaj neniu sukcesis atingi ŝian favoron. Oni konjektis d[illegible] ĝenerale en la kvartalo, ke la viro Tokubei, enamiĝinta al ŝi, ĉiam metis sin inter ŝi kaj iu ajn, kiu kaŭzis al li ĵaluzon. La mastrino, de kiu ŝi dependis, estis neniu alia ol la konkubulino de Tokubei. Ŝi kondukis la negocon kun lia kapitalo. Kaj neniu tago pasis sen kverelo aŭ malpaco inter tiuj tri personoj. Kiel rezulto de ĉio ĉi, la mastrino devis fine sin foriĝi el la domo nur antaŭ apenaŭ dek tagoj, kaj Somekiĉi estis nun la plej grava persono en la domo, tiel gajninte sian lokon inter la ĉefulinoj. Ŝi fariĝis unuaranga gejŝo. Kaj oni babilis klaĉe, ke Tokubei estas tro senkora komprenebe, sed Somekiĉi havas kuraĝon mirinde tro distingan malgraŭ sia junaĝo.

Tamen, estas tute dubinde, ĉu ŝi vere sin fordonis al Tokubei, kiel diras la klaĉemuloj, — aldonis Kinzoo sian opinion, kvazaŭ li dezirus doni esperon al la junulo. Estis tre konsidereble, laŭ lia opinio, ke ankaŭ Tokubei spertis tute la samon kiel la aliaj, nur ekscitante sin en amĉaso, kiu kondukis lin al nenio. Sur la objekton de ĵaluzaj okuloj kutime falas pluvo da senbazaj kalumnioj. Sekve, do, la duono de la famo pri ŝi povis esti rigardata kiel malveraĵo. Laŭ ŝia teniĝo vidita ĉe la restoracio, ŝi estis tiel fikuraĝa antaŭ la homoj, ke li apenaŭ povis imagi en ŝi la knabinon, kreskintan ĉe la riĉa familio de la lombardisto, ĝis antaŭ apenaŭ kelkaj monatoj. Ĉe simpla ekrigardo, ĉe ŝi ne vidiĝis eĉ ombro de ĉagreno pro la perdita amato, al kiu ŝi fordonis sian korpon kaj animon. Ŝi ridis ĉiam kaj estis gaja drinkante alkoholaĵon avide, kiel nur malmultaj virinoj faras. Se ŝi estus farinta tion nur por venki la korĉagrenon, tio ne estas tre malfacila por kompreni.

»Ĉiuokaze, tuj iru morgaŭ por ŝin vidi.« Kinzoo diris konklude. »Mi lasis miajn vortojn ĉe Obanaja, por ke ili zorgu vin, eĉ se vi iros sola.«

La novaĵo pri Tokubei kaŭzis necertan maltrankvilon al Ŝinsuke, tamen ĉio alia ŝajnis direkti sin al unu punkto kaj al la sama teorio, kiam li pripensis ilin kune. Forta drinkemo, fikuraĝemo, nekonvena gajemo, ĉio ĉi estas verŝajna sekvo de ŝia malmoraliĝo. Kiom ajn ŝi malmoraliĝu laŭaspekte, li ne plendos, li ne zorgos, pensis Ŝinsuke, se ŝi nur restus al li fidela.

*(Daŭrigota)* El la japana: *J. Ŝimomura*

* Hatamoto estis la korpogardantoj de la Ŝoguno, gubernatoro reganta anstataŭ la Imperiestro: sekve la plej honorata klaso inter la militistoj (japane »samurai«) sub la Ŝoguna reĝimo.

klarigo frakasi la flugilojn de l' abomena vampiro, suĉanta mian sangon?

Mi ne estas sinmurdemulo. Eĉ ensonĝe mi neniam ekintencis adiaŭi la verdajn valojn de tiu ĉi mondo. La vivo estas por mi grandioza donaco, multvalora kaj admirinda. Ho, kia multo estas atingebla per ambaŭ manoj, kian kiomon oni povas primediti kaj transformi en realajon de majestaj revoj, kiel egan kiomon oni povas renkonti sur matena irvojeto lumigata de ĝojoplenaj sunradioj!

Eĉ amatinon mi havas — se vi volas scii ĉion. Freŝan persikon en la ĉarmodora ĝardeno de l' juneco. Vi ne kapablas sumigi la sekundojn, kiuj formas piramidon de ĝuego kaj feliĉo, kiuj mem sufiĉas por tio, ke oni deziru atingi la aĝon de Metuzalemo.

Kaj tamen min persekutas mia kruela fatalo kaj mi timas, timas, ke mi ne povos ĝin eviti.

Lokomotivo.

Se mi vidas la ŝtalajn piŝtostangojn kaj la potencan aron da radoj, se mi rigardas la masivan metalbruston kaj la nebrideblan forton kuregantan antaŭen... mi ne estas savebla. Depost mia juneco persekutas min tiu ĉi fantaziaĵo, mi estas pistata, turmentata kaj torturata, mi fariĝas spirite malforta simiido hipnotigata per furioza rigardo de sagaca pitono.

Ŝajnas al mi, ke lokomotivo estas kreita sole por tio, ke oni povu sub ĝin salti. Mi estas altirata kaj logata al la du malbenindaj relostrioj, kaj fakte mi tremas pro ia senespera kaj korprema ĝuo, se mi aŭdas bruegon de rapidantaj radoj. Ĝi estas terura... terura... kaj mi ne posedas forton por liberigi min de tio.

Kiam mi estas en stacidomo aŭ ĉe multe trafikata traveturejo, mi scias reteni la teruran manion furiozantan en mia interno. Honte mi evitas la okulojn de aliaj homoj, ĉar mi sentas, ke ĉiuj rimarkas mian malnormalecon kaj ke ili min observas kun speciala atento. Sed tie, kie mi ektrovas min sola nur kun la relparo meze de kampoj, mi fariĝas ludilo en manoj de la sangavida vampiro.

Bonvolu min helpi. Imagu por momento la frenezan miksaĵon de timo kaj pasia sopiro, la kruelan ciklonon, kiu min jam mortlacige tedas kaj pri kiu mi scias, ke ĝi nepre pereigos min, se mi ne estos savita nun, en la lastaj sekundoj...«

Ĉi tie la letero estis finita sen ajna ekstera signo. Subskribo mankis. Fino, kiu ne estis fino, same kiel la komenco, kiu estis preterlasita. Stranga deklaro, freneza rakontaĉo, kaj tamen stertoras en ĝi teruro pri nekonataj manoj, kiuj sufoke premas gorĝon streĉitan pro konsterniĝo.

Sed Zenon Ojiczski sidis ĝis nun trankvile. Prudenta malvigleco de lia aĝo estis fidinda gvidanto de liaj paŝoj. Malrapide li turnis la koverton kaj refoje li rigardis la adreson skribitan per mano relative kvieta kaj sekura. Eĉ poŝtmarko ne estis surgluita. Kiel venis ĉi tien la letero?

Senemocie li vokis, kaj post momento aperis en la pordo lia mastrino, kies rigardo similis rigardon de museto enpelita en angulon.

— Kiu alportis tiun ĉi leteron? — demandis la maljunulo preskaŭ severe.

— Pardonu, sinjoro, mi ne volis akcepti lin. Li estas juna homo; verŝajne li atendis, ĝis kiam venis la poŝtisto. Kaj poste li ektrudis ĝin al mi. Mi opiniis, ke ĝi estas io suspekta, sed li diris, ke mi ne timu, ke



Pentrajo de Rembrandt

li atendos antaŭ nia dompordo. Ke vi supozeble vokos lin, traleginte lian leteron.

Ojiczski ekmeditis. Lia rigardo naĝis super la blueta komforteco de sendifekta humoro. Li ne intencis rifuzi la malprudentan senesperulon, sed li pripensis, kion diri al li por helpi lin. Ĝi estis malfacila pripensado, kaj Ojiczski fakte elpensis nenion. Sed la paŭzo ŝajnis al li esti tro longa kaj pro tio li levetis la mentonon.

— Nu, do enlasu lin.

Post ne tutaj dek sekundoj la pordo malfermiĝis per rapida senbrua puŝo kaj sur la sojlo aperis tre dece aspektanta junulo. Malmulte estis rimarkebla lia interna konfuziteco. Li salutis tre ĝentile kaj nekuraĝe li haltis mallevante la okulojn.

Zenon Ojiczski mansignis al li, ke li eksidu. Kvankam la mieno de l' junulo estis tre konfidema kaj instiga, Ojiczski ne trovis la unuan vorton, per kiu li trarompus la glacion de siaj duboj. Fine la junulo mem elpesis demandon.

— Mi petas vin, majstro, kion vi juĝas pri tio?

— Ne timu ĝin — ekridetis la flatita majstro. — Ĝi estas resto de idolkulto en vi. Konscio pri dieco. Verŝimile, kiam vi estis infano, iu montris al vi lokomotivon kiel modelon de perfekteco teknika. Li sendube estis tre ravita per la koloseco kaj fortego de la maŝino, tiel ke li sukcesis en la infanan fantazion enstampi imagon pri nevenkebla grandeco kaj mireginda povo de la leviloj, radoj kaj ŝraŭboj. Tiel estis preparita bazo por subkonscia adorado...

— Bonvolu pardoni — kuraĝis interrompi la juna viro. — Jen iometa malkomprenajo. Nenio el tio, kion mi skribis, estas vera — sed mi interesiĝas pri beletristiko kaj tial mi petas, ke vi afable diru, kion vi juĝas pri tio kiel pri literatura provo.

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáŝ.*

# Edziĝotago

**(Gerald Bullett)**

Edziĝotago. Estis strange nereale. Dum li penis ordigi sian kravaton, lia propra vizaĝo regrimacis al li, vizaĝo kiu povus al neniu doni kontenton. »Malgraŭ ĉio mi kelkfoje bedaŭras ke Onklo Edgar mortis«, li konfidencis al la spegulo. Ronda kaj roza, kun fasketo de palbrunaj lipharoj, kiu ŝajnis ne aparteni al ĝi, tiu lia fantomo lin daŭre turmentis. Strange, kiel la virinoj trovas ion admirindan en la viroj. Ekzemple, la sindona amo de Florrie al li: ĝia malracieco, ĝia persisteco, vere ĉagrenis lin. Sen tiu malgranda heredaĵo ili devus atendi ankoraŭ kvin jarojn. Li ja ne volas atendi, tamen... kvin jaroj estas kvin jaroj... oni havus tempon konsideri la aferon. Guste tiu kvindekfunta vivrento aliigis la situacion; ĝi proksimigis al li ĉi tiun tagon; lia kordeziro, brilanta kiel lumdona frukto sur neatingebla arbo, subite sin klinis al li, kaj lia mano jam pretis ĝin kapti. Sortinflua momento. Pripenson ĝi ne toleris. Estas ne juste, ke la maljunulo tiel senaverte agis.

»Hola, Bert!« Eksonis laŭta frapo ĉe la dormĉambra pordo, kaj antaŭ ol li povis ĝin respondi, la atakanto eniris tumulte. Li estis granda, ruĝhara viro, evidente vestita por la proksimiĝanta ceremonio, alta, razita, kun manoj tro grandaj proporcie al lia korpo.

»Hola, elefanto!« Lin agacis lia eniro, tamen iel neklare li ĝojis pro ĝi. Li volis esti sola kun siaj revoj, sed li timis esti sola kun siaj duboj. Nu, post kelkaj horoj la soleco ja estos afero pasinteca. Florrie kaj li estos kune, en dormo kaj maldormo, en sano kaj malsano, ĝis ilin disigos la morto. Dum kvardek jaroj, eble, kaj neniam sola! Matenmanĝi kun Florrie, trafi la 8.13 al la oficeja kvartalo, la 6.5 revene, malfrue temanĝi kun Florrie, babiladi kun Florrie, vespermanĝi kun Florrie; kaj semajnfine vizitadi la preĝejon, fosadi en la ĝardeno. Nun jam ne eblas eskapo. Eskapo! Kiu volas eskapi? Li ne, certe. Kaj tio estas bonŝanca, ĉar jen Maurice, la jubilanta edziĝkunulo, cetere frato de Florrie. Nenia eskapo.

»Estus bone iom rapidi, mia kara«, diris Maurice, kies vizaĝon preskaŭ tute dividis granda rido. »Vi ne disponas tiom da tempo, kiom vi ŝajnas kredi. La fiakro ĉepordas.«

Estas bonŝance, li sciis, ke la eventfluo lin peladas; alie li starus eterne sin rigardante en sendecida revo. Sed tio ĝenegis lin, ke oni provas lin rapidigi. Li estas ankoraŭ libera, kaj en lia koro ekvivis kolereto kontraŭ la viro, kiu volas ŝiri tiun liberecon el liaj manoj antaŭ la bato de la fatala horo. Gi batos tre baldaŭ, sed ĝis tiam... ekŝajnis al li necese, montri al Maurice sian sendependon. Li jam finis sian tualeton, sed li ankoraŭ iom prokrastos.

»Nu, bone. Nur unu minuton.« Li parolis kun afekta senĝeno, kvazaŭ li alparolus trudeman komercan vojaĝiston. Kaj li senrapide prenis de sur la tualettablo malgrandan ungtondilon. Per ĝi li komencis fortondi sian liphararon.

»Hej, kion vi faras?« demandis Maurice.

»Venis la tempo forigi ĉi ajon«, respondis Bert, ankoraŭ manipulante la tondileton. »Estu afabla kaj verŝu por mi razakvon. Ne, la malvarma taŭgos.«

La ekstera mondo flamis de somero, signofajro en la griza dezerto de la senlimo, fajrbulo jetita en la mallumon. La ĉielo verŝis belecon sur la rebrilantajn trotuarojn. Sed li restis obstinege enfermita en sia senemocia introspekto. Kvazaŭ nur li el ĉiuj kreitaĵoj kapablis rezisti la ĝojinfekton portitan de la varma aero. Kvardek jaroj... kvardek jaroj... La ĉiutageco de la vivo teruris lin. La afabla Maurice iĝis por li simbolo de la ĉiovenka cirkonstancaro.

La Florrie, kiu venis al li ĉe la altaro, estis nova Florrie, vualita, mistera, kaj tial alloga. »Tial«, jen la vorto, kiun emfazis la diablo en lia cerbo. Sed ŝi estis nepre bela, kaj tiel delikata, tiel simila al rava porcelanaĵo, ke li retenis sian spiron pro ador-timo kiam ŝi donis sian manon en la lian. Jen la belega, senartifika infano kiun, tagon post tago, jaron post jaro, la vivo kurbigos, kaj rompos, kaj fine flankenĵetos. Al li apartenos la ŝajna privilegio observi tiun procedon, vidi la harojn griziĝi, la vizaĝon sulkiĝi, la infanajn revojn morti unu post la alia. Lia koro batis de profunda kompato. Kompatindulino: ili estas ambaŭ en la sama situacio. Ankaŭ ŝi forĵuras sian liberecon, prenante sur sin la vualon de ĉiama unutoneco. Kaj, neracie, li kulpigis nek sin nek ŝin, sed la dejorantan pastron, la gastojn kaj, plej forte, tiun ulon Maurice. Li ĝojis, ke li ne permesis al Maurice lin rapidigi, ĝojis, ke li sentas tiun doloreton ĉe la supra lipo, kiu atestas la fakton, ke oni ne sukcesis lin rapidigi.

La pastro, ĉe kies piedoj ili genuis, taktplene rapidparolis pri la naskigo de infanoj. Iu sur malantaŭa benko snufis ploreme. Tio estas sendube la patrino de Florrie, tiu anguleca ekzemplerino de Maurice. Li fariĝis preskaŭ konfuzita de la dormigaj sonoj eligataj de la pastro, similaj al la zumado de abeloj en botelo. La sunlumo, enirante tra la kolorvitra fenestro, jetis luman multkoloran desegnon sur la plankon de la altarejo. La koloroj eniris en lin: en liajn okulojn, en liajn naztruojn, eĉ en liajn vejnojn; kaj igis lian sangon vibri akorde al ilia brileco. Pala purpuro, kvazaŭ tiu de vinmakuloj: malpala flavo, tiu de la rikoltita greno;

## *Kapturniĝo*

*— Georgo E. Maura —*

En mian vivon simpla kaj ridanta
iutage vi eniris;
mi vin akceptis kun saluto danka,
vin akceptis kaj admiris. .

Mi ja ne sciis, kian fatdonacon
al mi portas via mano,
ke de mi la trankvilon kaj la pacon
depostulas vi, infano;

mi ja ne sciis, ke tra ĉiu vejno
amvenen' vojiros glite,
ke en la mez' de mia propra hejmo
mi min sentos ekzilite;

ne sciis ja, ke ĉian konfidemon
mi rezignu jam sufere,
ke al solena ĵuro la fidelon
mi perfidu forofere,

ne sciis ja, kiom mi devos vidvi...
Mi hodiaŭ scias ĝin,
kaj dubas nun, kiel mi povis vivi,
antaŭ ol renkonti vin!

# STULT—KURAĜA

**— Stellan Engholm —**

En la vilaĝo Laggarbo loĝis viro kun la nomo Gustavo Kuraĝa. Li estis tajloro, kaj lia korpo estis malgranda kaj miskreska. Liaj kruroj estis kurbaj, maldikaj kaj oblikvaj. Unu el la piedoj estis turnita flanken, kaj kiam li iris, aspektis kvazaŭ li moviĝus en du diversaj direktoj. Unu el la ŝultroj leviĝis alten kiel montpinto sur infana pentraĵo, dum la alia deklivis malsupren, larĝa kaj kruta kiel la vojo, kiu kondukas al la infero. Li estis malgrasa kaj osteca, kaj liaj vizaĝo kaj kapo estis glataj kiel polurita ŝtono, ĉar haroj ne kreskis sur lia korpo. Krome li strabis, unu okulo rigardis ĉielen, dum la alia estis turnita al la tero.

Jam en sia junaĝo Gustavo Kuraĝa tre ŝatis interparoli pri seriozaj aferoj. Liaj vortoj montris, ke laŭ lia opinio la homoj en Laggarbo vivas tro libere, sen leĝo kaj fiksita doktrino. Ĉar doktrino mankis, li komencis serĉi tian, por si mem kaj por la aliaj. En tiu tempo ne ekzistis tiom da doktrinoj kiom nun, verdire oni havis neniun, ĉar la kristanismo estis nur por dimanĉa uzado. Sed ĉar la kristanismo estis la sola troveebla doktrino, kiun li povis preni kiel gvidilon por si kaj siaj samlokanoj, li komencis parkere lerni la Novan Testamenton kaj la psalmaron. Tiam li estis dekokjara. Dum tiu tempo oni malofte vidis lin, kaj lia mastro plendis pro maldiligento kaj fuŝo en lia laboro. Kuraĝa respondis, ke tio eble estas vera, sed tion kaŭzas lia laboro por pli valoraj aferoj. Lia mastro demandis, pri kio li do okupas sin.

— Vi kudras vestojn por iliaj korpoj, Kuraĝa tiam respondis, sed mi pretigas vestojn por iliaj animoj.

— Vere tio estas pli valora, la mastro diris. Sed se oni iam cedas al malbona kutimo, estas malfacile forlasi ĝin. Jen, se vi tranĉus la ŝtofon erare kaj la vestoj fariĝus tro malvastaj aŭ pendus kiel sakoj sur la animoj kaj la butonoj elfalus jam la duan tagon! Kiu pekas en malgrandaj aferoj, tiu pekas ankaŭ en grandaj. Ĉu vi kredas, ke vi povas kudri vestojn por la animo, antaŭ ol vi povas kudri taŭgajn kostumojn por la korpo?

Al tio Kuraĝa respondis nenion, sed li daŭrigis sian lernadon kiel antaŭe. Kiam li finlernis la Novan Testamenton, li ree komencis montri sin inter la homoj, kaj ĉiam li predikis la doktrinon, kiun li ĉerpis el la Skriboj. La vilaĝanoj trovis lin stranga, kaj donis al li la nomon Stult-Kuraĝa. La kromnomo iom post iom fariĝis kvazaŭ vera nomo, kaj tial mi skribas ĝin laŭ tiu formo. Ke lia nova nomo fariĝis tia, eble plej dependis de tio, ke li ĉiam parolis pri la kuraĝo kiun oni bezonis por batali kontraŭ la diablo. Lia korpo kaj lia konduto malmulte koincidis kun ilia koncepto pri kuraĝo.

Stult-Kuraĝa tamen trovis adeptojn. En tiu tempo kelkaj vilaĝanoj vizitis la novan sektan preĝejon en la urbeto. Ili revenis kun tuŝitaj koroj, kaj post la dua vizito ili nomis sin savitaj, parolis per bibliaj esprimoj kaj kantis religiajn kantojn. La nova kredo kaptis pli kaj pli da homoj, kaj post mallonga tempo oni sentis bezonon de propra kunvenejo. Tiam oni konstruis la sektan preĝejon de Laggarbo.

Kaj jen la vorto de la Skribo plenumiĝis. Stult-Kuraĝa, kiu ĉiam estis konsiderata kiel la lasta inter la bravuloj de Laggarbo, fariĝis la unua en la sekta preĝejo. Kaj konstante li daŭrigis la predikadon de la doktrino. »Estas la doktrino, kiu feliĉigos la homojn«, li diris.

Stult-Kuraĝa persiste batalis kontraŭ du senditoj de la diablo. Unu estis la forĝisto Samuel, kiun li nomis »uragano de maljusto«. La alia estis Petro Vadman, kiun li titolis »vagabondo de peko«. Troviĝis multaj aliaj pekuloj, sed neniuj estis kiel tiuj. La aliaj konsentis pri tio, ke la doktrino gvidas al eterna feliĉo, sed tion ne faris tiuj du.

*

Stult-Kuraĝa malfermis siajn spiritajn okulojn. Li ridetis pro la vidaĵo, kiu renkontis lin.

— Klare mi vidas, kien mi venis, li diris al si. Ĉio estas, kiel antaŭdiris Lia promeso.

Li promenis antaŭen sur la ora strato en la ombro de la vivarboj, kiuj borderis la randon de la vivrivero, kiu kun kristalklara akvo fluis en la mezo de la strato kaj estis proksimume same larĝa kiel la veturejo sur ordinara tera strato. Baldaŭ li atingis la centron de la urbo kaj vidis tie la tronon, la ŝafidon, la dekdu plejaĝulojn kaj ĉion ceteran, kion li jam multfoje vidis en la lumo de la kredo. Nur ŝajnis al li strange, ke neniu sidas sur la trono. Sed li ne trovis tempon demandi, kion tio signifas, antaŭ ol venis anĝelo, kiu transdonis al li harpon. Li komprenis, ke li devas ludi, kaj tuŝis la kordojn por aŭdi ilian sonon.

---

ili sonigis siajn tintilomelodiojn en lia konscio, ĝis li ne plu povis kalkuli la forpason de la tempo.

»Kaj mi esperas, ke vi havos grandan feliĉon. Nun ni iru en la vestiblon.«

Kun Florrie kroĉiĝanta al lia brako li iris en la vestiblon; kaj tie svarmo da parencoj, kiel tiom da mielserĉantaj abeloj, ilin ekĉirkaŭis.

»Florrie, vi aspektas ravega!« »Bert, vi karegulo!« Kaj tiel plu . . .

Alproksimiĝis la pli juna frato de Florrie, jus fininta la lernejon. »Gratulon, amiko. Ŝi estas bona knabino. Mi ŝin bone edukis. Sed kio okazis al la kriketteamoj?«

»Al kio?«

»La kriketteamoj. Dek-unu ĉiuflanke, ĉu ne?«

Florrie tradukis. »Viaj lipharoj, Bert. Kial vi forrazis ilin? Mi tre bedaŭras tion.«

Li eksentis konsciencriproĉon. Diablo, kial li forrazis ilin?

»Ho, mi ne scias. Mi pensis, ke mi pli liberos sen ili.«

Maurice, la ĉiopova Maurice, rapide alproksimiĝis. »Ek!« li diris vigle. Kial li estas ĉiam tiel ege rapidema? Bert kaj lia novedzino komencis marŝi laŭ la flanknavo. Li volis danci: ne pro ĝojo, sed tial ke estas tiom malfacile marŝi laŭ la takto de la *Edziĝa Marŝo* de Mendelssohn.

Ekstere la mondo ankoraŭ flamis. Kaj cent okuloj gapis. Li helpis Florrie en la atendantan fiakron kaj ensaltis post ŝi, dum la rizgrajnoj torentis laŭ lia dorso. Maurice, la karceristo, fermis la pordon sur ilin kaj poste, kun nekredebla vigleco, metis la kapon tra la fenestroaperturon, etendis la kolon, kaj kisis sian fratinon sur la vango. »Plej bonan sorton, ambaŭ!« Li retiriĝis. La fiakro brue ekveturis. »Bone, ke mi razis min,« diris Bert sovaĝe . . . Komenciĝis la kvardek jaroj . . .

El la angla: *K. R. C. Sturmer* kaj *Alec Venture*

# Alessandro Mazzolini †



Li estis unu el la plej bonaj, plej fidelaj, sindonaj, laboremaj kaj valoraj kulturantoj de nia lingvo kaj niaj klopodoj. Mortis je la 15. de februaro en Fano, kie li loĝis de kelka tempo: havis 74 jarojn (naskiĝis je la 28. de februaro 1857), kaj malgraŭ lia aĝo ne plu juna li mortis sur la bastiono. Li laboris forte, kvazaŭ kun impeto vere junaĝa, ĝis dekses horoj tage, por Esperanto, kaj por Esperanto li malŝparis siajn fortojn, kun la tuta fervoro de idealisto, ĝis la lasta tago de sia vivo.

Instruinte en Meza Lernejo dum 38 jaroj, li plenumis sian profesion kvazaŭ mision, kaj, kvankam jam de multaj jaroj li vivis pensiumita, lia morto vekis grandan doloran bedaŭron ankaŭ inter liaj nombraj disĉiploj, rememorantaj lin kun tutkora amo. Liaj diversaj verkoj estis laŭdataj kaj vaste disvastiĝintaj, inter aliaj la »Manuale di plastica«, »Foglie e Fiori«, »Erbario artistico per lo studio del disegno«, »Ornamenti piatti policromi«. Li gajnis du arĝentajn medalojn per siaj verkoj pri l' instruado kaj honoran mencion ĉe la Ekspozicio en Saragossa (Hisp.). Lian »Metodo di Disegno« per bronza medalo premiis la ministro de la Publika Instruado (1888). Dum longa tempo li estis vicprezidanto de la Nacia Asocio de l' Desegno-instruistoj kaj administracia konsilanto de l' Mezlerneja Profesora Federacio.

Amo al la Lernejo, al la Familio, al la Patrujo estis konstantaj idealoj de tiu ĉi ĝentilhomo... Neniam li serĉis rekonon de sia multobla kaj inteligenta aktiveco kaj ĉiam volis resti kaŝita.

Eble estas superflue memorigi tie ĉi, kiom faris Alessandro Mazzolini por Esperanto. Konscienca kaj senlaca laboranto, konstanta kaj persista propagandisto, li lasis per sia laboro larĝan postsignon sur la kampo de Esperanto. Pri liaj skribaĵoj petis niaj plej bonaj literaturaj revuoj, kaj nombregaj estas la artikoloj, kiujn li publikigis, la gramatikoj, ekzerclibroj, per kiuj li elmeritis entuziasmajn laŭdojn de la plej eminentaj esperantistoj el ĉiuj partoj de l' mondo. La verko kronanta lian agadon estas la Dizionario Italiano-Esperanto kaj Esperanto-Italiano. Li estis membro de Lingva Komitato, Itala direktoro de ISOSEK (Internacia Supera Kurso de Esperanto), unu el la fondintoj de l' Cattedra Italiana di Esperanto.

Al la supraj linioj, tradukitaj el la itala L'Esperanto, ni aldonas la esprimon de nia plej dolora bedaŭro. Ankaŭ L. M. estis unu el tiuj gazetoj, kiuj povis ĝoji pri la valora kunlaborado de l' karmemora foririnto. Niaj legantoj certe memoras liajn ĉarmajn enigmoversojn kaj la profundsentajn »maljunaĝajn tradukojn de junaĝaj poemoj«. En la unua periodo de nia revuo aperis de li majstraj tradukoj de italaj poemoj.

Ekstreme laborema, multflanka, ĉarme modesta maljunulo ni konis lin kaj ni tre ekamis lin per liaj sincertonaj leteroj, el kiuj ĉiuvorte oni povis senti lian grandan amon kaj zorgon por nia lingvo. Nia koro premiĝas je la penso, ke ni neniam plu ricevos de li tian longan, belege kaligrafian leteron.

---

Kaj sonis orelturmente kiel kata ĝemo kaj hunda hurlo.

Ĉu troviĝas neagorditaj harpoj en la ĉielo? Stult-Kuraĝa murmuris kaj malkontente postrigardis la anĝelon, kiu donis al li la harpon. Tamen li opiniis, ke estas plej prudente ne fari skandalon pro tiu afero, kaj li provis mem agordi la harpon. Kiam li volis turni la ŝraŭbojn, li trovis, ke apud ĉiu ŝraŭbo sidas slipeto kun surskribo: Pacemo, Kompato, Pardonemo, Pura animo, Kiel infano, ktp. Li ŝraŭbis kaj sonigis la kordojn, sed estis por li absolute neeble estigi harmonion inter la tonoj de la kordoj, li ne sukcesis eĉ havigi tolereble puran tonon el iu unuopa kordo.

Fine li rezignis kaj en la anĝela amaso serĉis tiun, kiu donis al li la harpon.

— Mi ne povas agordi la harpon, li balbutis kaj honte forturnis la vizaĝon.

— Agordi? la anĝelo diris. Ĝi estas agordita, tiom kiom ĝi povas esti. Tiu ĉi harpo estas farita el la deziroj de via propra vivo kaj el la agoj, kiujn naskis la deziroj. Neniu krom vi povas ludi ĝin kaj reagordi ĝin ne povas eĉ vi. Vi mem agordis ĝin, kaj la agordo ne estas ŝanĝebla.

Stult-Kuraĝa ektremis kaj maltrankviliga sento tusis lin. Hezite li turnis sin kaj volis ien forkuri por en trankvilo mediti pri la signifo de ĉio ĉi. Tiam li okaze ree ekvidis la malplenan lokon de Dio.

— Tamen diru al mi, kiel efektive statas tie ĉi! — Stult-Kuraĝa diris. Ĉu io estas en malordo, ĉar ĉio estas tiom konfuza. Kie troviĝas Dio?

— Dio? la anĝelo diris. Ĉu vi ne vidas lin? Tiuokaze vi neniam havis Dion.

— Vi devus honti! Stult-Kuraĝa diris. Ĉu mi ne havis Dion! Mi haavis la dion de Abraham kaj Isak kaj Jakob, la solan veran Dion.

— Se vi iam estus havinta Dion, vi certe vidus lin. La dion de Abraham kaj Isak kaj Jakob vi ne povas vidi, li estis ilia dio sed ne la via. La dio de la homo estas la plej alta sopiro de la homo, ĉu vi ne scias tion? Kio estis via plej alta deziro?

— Eniri la ĉielon, Stult-Kuraĝa respondis.

— Do vi ne plendu, la anĝelo diris. Nun vi ja estas en la loko de via sopiro kaj jam vidis vian dion. La ora strato, la vivrivero, la jaspomuro, la harpo kaj la trono kaj ĉio alia, kion vi vidas tie ĉi, estis via dio. Tia vi imagis lin, ĉu ne?

— Estas vere, Stult-Kuraĝa respondis kaj lia gorĝo kunpremiĝis. Kun malleviĝa vizaĝo kaj malgaja humoro li iris al la vivrivero kaj apogis sin al unu el la arboj, dum liaj amaraj larmoj gutis en la kristalklaran ondon. Sed subite li kvazaŭ ŝtoniĝis kaj per grandaj okuloj rigardis en la akvon.

Li ekvidis sian propran spegulbildon. Liaj okuloj strabis kiel antaŭe, liaj vizaĝo kaj kapo estis senharaj, unu ŝultro leviĝis kiel akra pinto, kaj la alia

J. J. v. d. Sande-Bakhuysen



*Pejzaĝo vesperkrepuske*

krutis malsupren, unu el la piedoj estis turnita flanken.

— Dio en la ĉielo! Stult-Kuraĝa diris kun peza spiro, kion signifas tio ĉi? Mi estas ja tute sama kiel antaŭe. Kaj mi ĉiam kredis, ke oni ricevos belan aspekton, kiam oni venos al la ĉielo!

Poste li rigardis sian mantelon. Ĝi estis mallerte flikita kaj kunmetita el diversaj eluzitaj ŝtofpecoj kaj tre similis al paro da kunkudritaj sakaĉoj.

— Certe la plej aĉa fuŝtajloro en la mondo kudris ĝin, li diris kaj nekomprenante skuis sian kalvan kapon.

Anĝelo preteriris, kaj Stult-Kuraĝa tuŝis lian brakon.

— Pardonu, Stult-Kuraĝa balbutis. Ĉu oni ne ricevas novan aspekton, kiam oni eniras la ĉielon — mi volas diri, ke la teraj mankoj malaperas.

— Kiu ne liberigis sin de siaj mankoj, tiu ankoraŭ posedas ilin. Tie ĉi ne estas loko por rubo. Perfekton vi gajnas nur per la vivado.

— Mi do ne meritas tolereblan aspekton, kiam mi venas al la ĉielo? Stult-Kuraĝa diris medite.

— Ŝajne ne, la anĝelo respondis.

— Kaj la mantelo? Stult-Kuraĝa demandis.

— Ĝin vi kudris dum via tuta vivo. Kia la majstro, tia la verko.

— Estas preskaŭ tro... Stult-Kuraĝa diris.

— Kiu konservis sian animon pura, tiu ne portas iun ajn mantelon, la anĝelo diris. Lia nudeco estas lia beleco. Rigardu tiujn!

La anĝelo montre etendis la manon kaj kun konsterno Stult-Kuraĝa ekvidis Samuel'on kaj Petron Vadman. Nudaj kaj belaj kiel la idolanaj dioj, kiujn Stult-Kuraĝa nomus diabloj, ili brakon sub brako promenis sur la strato kun harpoj en la manoj. Kiam Samuel ekvidis Stult-Kuraĝan, li lasis la brakon de Vadman kaj sonigis sian harpon. Sonis mirinde bele, kaj ŝajnis al Stult-Kuraĝa, ke similas al gaja dancmelodio.

— Hej, Samuel kriis, kaj al Stult-Kuraĝa li ŝajnis preskaŭ suspektinde gaja, kiel li ofte estis hejme en Laggarbo.

— Kaj tute sama vi estas kiel en pasintaj tagoj, Samuel aldonis. Estas agrable renkonti malnovan konaton.

Poste Samuel klinis sin al la rivero kaj prenis iom da akvo per la mano por trinki. Gustuminte li subite ekradiis.

— Estas pura brando, li ekkriis tiel, ke eĥis en la tuta ĉielo. Nenia dubo pri tio, ke ni venis al la ĝusta loko.

Kaj li daŭrigis sian ĉerpadon sen intereso por plua interparolo.

Stult-Kuraĝa ankoraŭ pli konsterniĝis je la elkrio de Samuel, kaj kvankam li estis bontemplano de kiam fondiĝis la bontemplana loĝio en Laggarbo, li tamen klinis sin kaj gustumetis la akvon por kontroli, ĉu la teruraj vortoj de Samuel estas veraj. Li lekis kaj ŝmacis sed neniun guston sentis, estis kvazaŭ gluti aeron.

— Vi ne devas mensogi kaj blasfemi antaŭ la trono de Dio! Stult-Kuraĝa diris kolere.

Samuel volis respondi, sed interrompis lin la anĝelo, kiu ĵus parolis kun Stult-Kuraĝa.

— Li ne mensogas, diris la anĝelo. Tio ĉi estas ...

— Ĉu ne mensogas! Stult-Kuraĝa interŝovis kaj ekkoleris. Estas nura mensogo. Mi mem kontrolis, la akvo havas neniun guston.

Sed la anĝelo rigardis lin tiel, ke li frostotremis kaj silentis.

— Tio ĉi estas aferoj, kiuj superas vian komprenon. Kaj cetere ankaŭ tiun de Samuel. Vi vivis por doktrino: jen perfekta efektivigo de via doktrino. Samuel kaj Vadman vivis laŭ sia ŝato, kiel infanoj, jen estas la enhavo de ilia animo. Vi nomis Samuel'on sendiulo, kiam li ebriigis sin, sed la bonon, kiun li faris laŭ siaj plej internaj deziroj, vi ne atentis. Vi posedis belan doktrinon, sed bonaj deziroj estis fremdaj por vi, pli fremdaj estis bonaj agoj. Ĉu gravas, ke li nomas la akvon de vivo brando? Brando estis por li benita afero, kaj kio estas la akvo de vivo, tion li komprenas same malmulte kiel vi, kaj tial estas nek strange nek malpermesite al li doni al ĝi nomon laŭ sia propra kompreno. Se vi estus tiel vivinta, ke la akvo de vivo havus guston por vi, vi eble nomus ĝin frambosuko. Jen temas pri saĝo pli alta ol tiu de Laggarbo. Sed en Laggarbo vi devas akiri tiun saĝon.

La anĝelo eksilentis, kaj Stult-Kuraĝa plore ekkuŝis sur la strato.

— Samuel, li diris post tempeto, kaj esperete ekbrilis en liaj okuloj, Samuel, ĉu vi vidas ian dion?

# Gastejo provencana

Novelo de **Maurice Averan** — Trad. el la franca kaj ilustris: **J. E. Sedillot**

*Bestoj kaj homoj interamiĝintaj...*
**Claude Farrère**

III.

— Pjer . . . — angoris Mad.

— Pjereto, — diris Meg.

— Mi rememoras pri iu tago, precipe, — daŭrigis la novelisto, ilin ne aŭdante. Ni estis enirintaj, Klareta kaj mi, la malampleksan preĝejon, okre rozan — la vivejon de l' bona abato Brun, maljuna pastro, pitoreska, kiu ludis je buloj* kun robo heroe suprenfaldita, sur la placeto, sub la briletanta ŝirmo de l' belaj platanoj, — kies sekso estas virina por tiuj latinoriginaj landanoj, dum franclingve »platane« estas virspeca . . .

»Malantaŭ niaj kalkanoj, ne vidite de ni, Akela estis enirinta. Samtempe indignante kaj amuzate pro la nekonscia sakrilegio, ni ĵus lin elpelis, kiam sub la humilaj volboj voĉo ekvibris.

»Ĝi estis tiu de abato Brun, kun la malica flameto de liaj grizaj okuloj. Li nin multe amis, la kompatinda sankta homo. Li ne povas scii, ĉu ne? Li nin kredis gefianĉoj. Kaj cetere . . .

»— Taŭgis ĝin lasi, tiun hundon. Ĝi ne malpurigis la domon de l' Sinjoro. Ĝi amas sian mastron. Ĝi plenumas sian devon de hundo sur la Tero. Tio estas agrabla al la Bona Dio, jes, — li diris, evangelieca.

»Li pludiris:

»— Konservu ĝin longatempe. Necesas konservi ion vin amantan kaj de vi amatan. Ĉiam.

»Nun, Klareta staris kontraŭ mi. Kun karesemo senegala, mi alparolis ŝin, kaj miaj vortoj ektuŝetis ŝiajn nigrajn harojn.

»— Klareta . . . Jam de longe mi volas al vi diri . . . ni geedziĝos tie ĉi se tion vi volas . . . En la preĝejeto okre roza. Kaj por ni, la sonorilo kantos en la tureto romanika. Nia bona abato Brun, por nin beni, sin pompe ornamos per sia plej bela punttuniko, freŝ-gladita, kaj per sia plej kantanta akcento . . .

»Tamen alvenis, kun terura rapideco, la momento, kiam el la kelkaj centoj da frankoj, kiujn mi posedis, ne restis plu unu nura sonanta soldo . . .

»Ja multon ni elspezis, — jes, multon, eĉ tiutempe. Tiom da vesperoj en la ĉarma eta Kazino, kie Klareta mia, kun frenezeta gajeco, kiu min inundis per feliĉo, dancis ĝis elĉerpiĝo. Kaj tiom da noktaj festenetoj, kiujn ŝi gajapetite formanĝis. Kaj la elspeznoto pagota ĉe la gastejo, — la gastejo Provencana . . .

»Tiun vesperon, ni triope estis venintaj kaj sidis supre sur altaĵoj, kiuj regas super la torento. La luno milde brilis kaj ŝutis iom da tremetanta oro sur la pezan palarĝentan hidrargon de l' Verdelet-torento. Senmove, apogante min dorse kontraŭ ŝtono, mi rigardadis la vizaĝon de Klareta, banatan de diafana ilumino. Ŝiajn okulojn, kiuj similis al mirindaj urnoj, kie sin trovis kolektita iom el tiu vivanta akvo de l' torento tie malsupre fluanta. Kaj al mi ŝajnis, ke la tuta ĉielo descendis en min, ke mi dispufiĝis pro tiu tuta bluo stel-dissemita . . .

— Karulo mia, karulo eta mia, — ŝi diris. Kion valoras ja mono! . . . Tiom multe amata. Fine ni venkos tion. Nur vi valoras. Nu, ĉi-posttagmeze, Tony — vi scias, la junulo kun la blanka Talbot, diris al mi, ke se mi volus resti kelkajn tagojn ankoraŭ en Aigues-Vertes, li min invitus . . . Ho! Interkamarade, kompreneble . . . Sed mi, mi pensis nur pri vi, kaj mi rifuzis, — simple . . . Sed tiamaniere ke li ne ofendiĝu . . . li estas agrabla, tiu knabo; krom tio . . .

— Tony, — mi murmuris.

* Ludi je buloj: ludo kutima en suda francujo. Ĝi estas ludata tere kun dikaj buloj el ligno kerno kaj metala ŝelo; ludo malsimila sed samaspekta al kegloj.

---

— Ian dion? Ĉu vi blasfemas? Samuel kolere demandis. Dio estas unu. Kaj ĉu mi vidas? Li ja sidas sur la trono, li estas la justo mem.

La vizaĝo de Stult-Kuraĝa ree kliniĝis al la ora pavimo, kaj li plorsingultis senkonsole. La aliaj foriris.

Dum longa tempo Stult-Kuraĝa sidis sola tie. Kiam lia plorado trankviliĝis, li komencis rigardi la mirindaĵojn de la ĉiela urbo, kaj dum kelkaj momentoj li sentis konsolon, sed baldaŭ io komencis mordeti en lia brusto kvazaŭ malsato, kaj lia kapo peziĝis, sed li ne povis endormiĝi. La sufero pro malsato kaj nekontentigita dormemo fariĝis pli kaj pli granda, kaj li estus forlasinta la gloran urbon pro telero da sekalfaruna kaĉo kaj dormloko en fojnejo. Sed la muroj de la urbo estis altaj, kaj ekster la nefermitaj pordegoj faŭkis malplena spaco.

Anĝelo preteriris. Stult-Kuraĝa kaptis lian brakon.

— Kara! li kriis, diru, kiel mi povos ricevi iom da manĝaĵo!

— Tie ĉi ne troviĝas manĝaĵo, la anĝelo diris kaj kompate rigardis lin. Malsatanta koro ne havas sian ĝustan lokon tie ĉi. Tie ĉi estas hejmo de paco. Pacomanko estas la malsato de la koro. Pachavanto neniam malsatas.

— Kara, tiuokaze diru almenaŭ kie mi povas trovi kuŝejon por dormi.

Tie ĉi ekzistas nek kuŝejoj nek dormo. Pachavanto ne bezonas ripozon. Lia paco estas manĝaĵo kaj dormo.

— Kara, diru, ĉu mi eble eraras? Ĉu tio ĉi ne estas la ĉielo? Ĉu estas . . . la alia loko?

— Nomu ĝin kiel vi volas, tion vi mem plej bone sentas. Estas la sumo de via propra vivo; ĉio, kion vi vidas, estas nur via propra interno.

— Kara, diru, kiel kaj kie mi povos akiri pacon kaj perfektiĝi?

— Per via propra vivo vi povas akiri pacon. En Laggarbo vi povas perfektiĝi, sed ne tie ĉi.

— Kara, kara, kiel mi povos iri tien, Stult-Kuraĝa diris, kaj liaj okuloj brilis pro ĝojo kaj espero.

— Jen la pordego, la anĝelo diris montrante. Nur elsaltu . . .

Kaj Stult-Kuraĝa rapide levis sin, kaj pleniĝis lin tia saltemo, ke lia kripla piedo subite turniĝis antaŭen, kaj tiom avide li rigardis la pordegon, ke liaj okuloj ricevis la naturan rigardmanieron. Sen rerigardo al la urbo malantaŭ si li forĵetis sian harpon kaj forkuris kaj saltis eksteren . .

## NI ĜOJU!

Ni ĝoju sen ĝojo,
ni kantu sen gajo
kaj iru dancpaŝe sur nia viv-vojo,
ĉar kantoj kaj dancoj
forigas laciĝon,
pliigas kuraĝon,
ni ĝoju!

Ni ĝoju sen ĝojo,
ni kantu sen gajo,
ĉu vintro, aŭtuno — por ni estu majo
kun floroj, birdĥoroj,
kun pura trilado
kaj suna brilado,
ni ĝoju!

Ni ĝoju sen ĝojo,
ni kantu sen gajo
kaj se eksilentos por ĉiam ni foje,
ne estu ja plendo tuj antaŭ silento,
sed kantu birdĥoro
en lasta stertoro,
ni ĝoju!

*Hendrik Adamson*

---

»Terure skrapanta jaluzsento eniris mian koron. Kun stuporo, mi min sentis submergata per ĉi tiu nova sento. Ia blanka Talbot . . .

»Mia hundo venis kaj apogis sian kapon sur miajn genuojn. Ha! Trista karesemo de ĉi orrigardo, tremanta amikemo, kiun nenia ajn alia egalas . . .

»Kaj mi rifuzis, — simple . . . Sed tiamaniere, ke li ne ofendiĝu . . . li estas agrabla, tiu knabo; krom tio . . .«

Kapturne estis al mi. Mi pensis pri Klareta, kaj mi min sentis svenema. Miaj fingroj palpe vagis en la felo de mia hundo. Mi pensis pri la eta ĉambro provencana, pri la blanka Talbot, — denove pri korpo, kiu odoris rezinon kaj rosmarenon. Kapturne.

Mister Davis estis forvojaĝonta. Lia aŭto lin atendis, plenplena de pezaj flavledaj valizoj. Ankaŭ li posedis aŭton, — iom malpli belan ol mia nuna. Aŭtomobilo, kiu estis forportonta mian Akela-n . . .

— Jen, — li diris al mi, ridetante, ion glitmetante en mian manon.

Kvinmil frankoj: kvin ampleksaj blubuntaj paperpecoj. Ili estis la unuaj, mi kredas, kiujn mi pagricevis. Kaj necesis, ke ili estu tiuj, kiuj dungis tiun aferon . . .

Mi terure malamikas al superimpresiĝemo. Sed, mi ĵuras, ke, kiam mi lastfoje vidis la kapon de mia hundo, streĉatan al la mia, mi ne plu havis la fivolonton fronti la mirtrafitan korŝiriĝon de lia rigardo, lin kisi, kiel mi pense intencis. De la nuko ĝis-piede tremante, mi ektuŝetis la pinton de liaj oreloj, kaj mi fuĝis . . .

Ha! — el ĉiaj misagoj, el ĉiaj malkuraĝoj, el ĉiaj fiajoj (kaj multnombraj ili estas), kiujn virino kapablas plenumi al iu, sen ia ajn dubo, tio ĉi estis la plej misa, la plej fia, la plej malkuraĝa . . .

»Kaj Akela? — demandis Klareta, kiam mi revenis.

— Vendita . . . mi singultis. Vi komprenas . . . pro mono . . .

— Vendita? — Ŝi diris.

Kaj tujposte:

— Kare?

— Kvinmil frankoj, — mi flustris, kapkline.

— Kvinmil frankoj? Kapitalo! . . . Kompatinda besto, — ŝi diris.

Ba! ĝi estis nur hundo, ĉio-dirite . . .

Mi ne aŭskultis ŝin plu. Mi soifbezonis forviŝi el memoro la vizion de mia fiago. Mi uzis la tradician rimedon: mi drinkis. Mi trinkis kiel soifanto el la lipoj de Klareta la forgeson, kiun liveras la plej malpure konfuza el ebrioj . . .

En tirkeston de la vaksbrila dikventra komodo mi metis la kvin monpaperojn. Kaj poste, mi klopodis ne plu pensi. Eĉ, mi kredas — ha! kiaj tristigaj aĵoj ni estas! — ke mi sukcesis dum kelkaj tagoj, — kaj kelkaj noktoj . . . Noktoj de la ĉambreto provencana, kien penetris, portata de la nokto blua, la fora muĝo obtuza de l' torento sin miksanta al l' alia plenda muĝo de l' alia torento de volupto, kiu al mi rulfluis senmova preskaŭ, en la brakoj de Klareta . . . Iuvespere, ankoraŭfoje, mi suprenŝtupis en la gastejo. Mi eniris la ĉambron, »Klareta!« Kaj la floroj de l' murtapeto el kretono kapturne ekdancis ĉirkaŭ mi. Neniu . . .

Foririnta ŝi estis, — foririnta kun ia »ĝigolo«. For kun la kvin milfrankaĵoj, la prezo de mia hundo...

. . . . »Ĝigolo«, tiel konvencie, tiel videble ĝigolo ke li ŝajnis tute volonte aspekti tia. Ofte mi lin vidis en la Kazino. Sed mi neniam rimarkis ke li rondvagis ĉirkaŭ ŝi. Mi havis en mia amikino tiel altan, tiel puran konfidon. Ŝi mem, ŝi mem estis al mi parolinta pri li kun tia misŝato kaj tia misjuĝo, ke indulgeme mi preskaŭ defendis lin. »Ha! tiu-ĉi, li fuŝas sian tempon, — ŝi diris. Mi volus lin vangbati por lin instrui . . . . Min supozi kapabla vin forlasi, vin, vin, mia granda karulo, pro li, tiu koto, tiu . . . Ha! nu, kisu min, gardu min kontraŭ vi, tutan al vi, tutan, tutan, tutan . . .«

### IV

— Kia fiulino! — diris Meg, indigne pala.

— Sed, ne — respondis Pjer kun granda mildo. Sed, ne. Simple kiel ĉiuj aliaj, — krom vi ambaŭ, karulinoj. — Li aldonis sen ironio, karesante, sur la tablotuko blublanke kvadratita, la manojn de siaj belaj kunulinoj.

— Ŝtelistinaĉo, — obtuze diris Mad.

— Ho! Ne tiuj mizeraj paperoj, kiujn ŝi de mi forrabis. Nek ĉio, kion mi estis al ŝi doninta de mi mem, mia fervoro, miaj orfaj vortoj, mia naiva feliĉinundita junaĝo. Jen, kion ŝi forrabis de mi . . la fideleco, l' animo de mia hundo. Jes: ŝtelistinaĉo . . .

»Kio tiam okazis en mi, tion vi divenas, ne tamen, vi ne povas diveni. Ha! kiom eblas malami virinon, kiun oni amas! Kaj ŝin aĉe malami, ŝin kotmakuli per nekonata rabisputo, per sentokoto, kiun oni ektrovas obskur-funde de si mem, kun mirtrafita stuporo! Jes, ŝajnis, ke tiu knabino estis ĉion putriginta en mi. Kaj mi kredas, ke pro ŝi, mi preskaŭ atencis la sakrilegion: malŝati Provencon mian kaj insulti la Sunon. Car ĉi tiuj pejzaĝoj, kiam ili estas la scenejo de ies feliĉo, estas ĝojradiantaj. Ĉar la suno, kiam oni ĝin portas ankaŭ en sia animo, estas ajo Dia, Ki-

am okazas korkoloro; ili ŝajnas tuj moki la doloron. Kaj poste, ili konsolas . . .

»Kaj post tio, tamen, necesis vivi plu . . . Vivo bardas, kiam oni ne plu havas firman kaŭzon vivi. Mi almenaŭ, mi havis ian. Sed ĝi valoris: reaĉeti mian Akela, mian kompatindan Akela, mian kunulon, kiu mi estis vendinta . . .

»Sendube mi povis reeltrovi Davis, ĉion rakonti al li, de li petegi redoni mian hundon, kaj atendi, ke mi povu al li repagi la tutan sumon de mi perditan. Sed mi estis malgraŭe honesta knabo: mi rigardis tiun postulviziton malhonoriga; jes: eĉ post tio, kion mi faris. Kaj certe, li ne estus tion kompreninta, tiu anglo . . .

»Nun, mi havis nur unu ideon en la kapo, labori — labori — sufiĉe por regajni kvin mil frankojn, retrovi Sinjoron Davis kaj reveni kun mia hundo amfurioze buliĝanta kontraŭ mi, — ĉar li min rekonus, li, hundo, mi estis certa . . .

»Mi do eklaboris. Ĉiam mi tre ŝatis literaturon. Mi verkis, tujunue kelkajn rakontojn. Mi estis estinta sufiĉe malfeliĉa en miaj amardoj, por ke la dua parto de l' proverbo* troviĝu vera: mi do estis feliĉa en la plej nobla ludo el ĉiuj, — la ludo literatura. La rakontojn sekvis novelo, — poste pluraj. »Psikologiaj«, kompreneble. Oni nenion komprenis el la animo de deknaŭjarulo, kiu havas — ho ironio — ĉi nomon de lumo: Klara. Oni neniam scios, kial ŝi atencis tiun perfidon, blasfemis tiujn mensogojn . . . Kaj oni iĝas Pjer Miguel, novelisto preskaŭ fama, al kiu ĉio ridetas, mono, kaj, mi preskaŭ diras, »do« — Amo . . .

»Mi vin antaŭavertis: nur pro mia hundo *mi konkeris la famon*, tiel ke estas presite en la jurnaloj. Mi havis, mi kredas, mian porcion da Amo, mian porcion da mono. Sed la sola rakonto, kiun mi ne verkis, kaj neniam verkos, la sola el miaj rakontoj, en kiu tiu mono, tiu amo estus viditaj laŭ ilia efektiva realismo, estas tiu, kiun ĉi-vespere mi rakontis al vi, karulinoj . . .

»Ha! mi forgesis fini: mi neniam povis retrovi Mister Davis. Nek mian hundon, kompreneble . . . .

## V

— Pjer, Pjer, — Mad demandis flustrante — kaj ŝi, ĉu vi revidis ŝin?

La voĉo de l' verkisto laŭtis, — trankviltone, malrapide:

— Neniam.

Ĉi-momente, la servistineto ridokula alvenis.

— Nu! »bela mia«, — Pjer diris, kion vi deziras?

— Pardonu, mi petas, — ŝi diris, kun sia kantakcento. Sed . . . la »gesinjoroj« deziras tie ĉi noktumi?

Ambaŭ, Meg kaj Mad, okulfiksis Pjeron Miguel.

— Kial ne? — diris la novelisto, tre trankvila kaj ridetanta. Jes, bone: tri ĉambrojn.

La junulino radiis de kontento:

— Bonege . . . Do mi donas la ĉambrojn 5 kaj 6 al la sinjorinoj, ĉu ne? Kaj al la sinjoro, la 7 . . .

— La 7? — diris Pjer, ĉiam ridetanta, sed mortpala.

— Jes, la 7 . . . tre beleta ĉambro, la sinjoro vidos, tute meblita laŭ l' antikva modo provencana . . . kaj oni dormas bone en ĝi . . .

— Mi scias, — Pjer diris. Estas kurtenoj el muslino; blanka, desegnohava tapeto el kretono, floroornamita; komodo dikventra el juglandligno, tute brilpolurita de l' aĝo . . . kaj lito . . .

— Ni foriru, ni foriru, — ili diris.

Meg kaj Mad samtempe stariĝis.

— Ne tuj, — diris Pjer, mi supreniros . . . mi vidos, ĉu la vazpoto el antikva *Moustiers* estas sur la tableto, apud la fenestro . . .

— La nokto estas mirinde bela, ni povas ankoraŭ iomtempe aŭtomobili. Ni tranoktos en . . . Saint-Trinit, — diris Meg.

— Ni forveturu, for, — petegis Mad.

— Kiel vi deziras, — diris Pjer pli ridetanta ol iam antaŭe.

Ili eliris. La servistineto estis konvinkita, ke ŝi neniam vidis klientojn tiel strangajn kaj suspektis ilin en si mem pri la plej hontigaj hontindaĵoj . . .

Ekstere, en la nokto hela, la motoro malforte pifpafis, preskaŭ neaŭdeble. Pjer, senmova, silentis.

— Je kio vi ankoraŭ pensas? — demandis Meg, kun speco de angoro.

— Aŭto, bela aŭto . . . — fine diris Pjer. Mi pensas pri bona junulo, kiu tolŝue paŝis, sur la landvojo, en la polvo, kaj al kiu du belaj aŭtoj forrabis iam ĉion de li amatan: lian amikinon, kaj lian hundon . . . Ha! por la koroj, kiujn oni frakasas, kiujn oni makzelas sub la radoj de tiuj maŝinoj, ne estas savo apelacia, ĉu ne?

Li lokis sin ĉe la direktilrado, lumigis siajn fajrojn.

— Nu! — li diris, subite ĝoja, — apud min, karulinoj. Mi antaŭavertis vin ke mia rakonto ne estas tre »amuza« . . . sed nun la nokto estas bela, la vojo estas bela, vi estas adorindaj kaj mi vin amas . . .

Kaj per sia brako maldekstra, li kareseme ĉirkaŭis la rondajn ŝultron de Meg . . .

— Ne, — diris Meg, skuetante sian ĉarman kapon. Ne. Ne estas ni, kiujn vi amas.

— Ne. Ne ni, — jesis la bruna Mad.

— Ne vi? kaj kiu ja, je l' bona Dio?

— Ŝi, — diris la bruna Mad.

— Klareta, — precizigis tre mallaŭte la blonda Meg.

Kun stuporo Pjer Miguel, verkisto-psikologo, rigardis ĉi ambaŭ pupojn, kutime tiel ridemajn, kaj iom senprinpensajn. Multe pli bone ol li estus tion farinta mem, ili jus, ili ankaŭ, jus projekciis la faskon de potencaj aŭtolampoj sur l' ombron, kiu senmovis en li, — dekjara ombro . . .

— Ŝi? — Eble, — li fine diris.

La nokto, la hela nokto ĉirkaŭvolvis la gastejeton provencanan . . .

Tiel florriĉan, tiel feliĉan, kun ĝiaj jaroj, ĝia geranibedo, ĝiaj verdaj ŝutroj . . .

El la franca: *J. E. Sedillot.*




* La proverbo tekstas: »feliĉa ludante, malfeliĉa amante«.

# Leono Zamenhof †



La senindulga morto ree eksvingis sian falĉilon super ni kaj per subita frapo estingis la vivon de la lasta, ankoraŭ al ni restinta frato de la Majstro: Dro Leono Zamenhof mortis pro koratako je la 7-a de februaro.

Nia revuo perdis en la kara foririnto bonvolan favoranton kaj ŝatatan kunlaboranton. Jam en nia unua periodo li riĉigis nian revuon per poemoj originalaj kaj tradukitaj, kaj antaŭ ne longe li sendis al ni por publikigo lian interesan socian satiron, kiun niaj legantoj povis ĝui sub la titolo »Fantaziajoj por la estonteco«. Lia varma koro, en kiu alte flagris la flamo de la Interna Ideo, lia lerta plumo, kiu donacis al ni tiom da belaj kreajoj, lia animo bonvola, helpema, entuziasma — ĉio ĉi ekmankis al ni subite postlasante doloran kaj nigran malplenon.

Pri la vivo kaj verkoj de l' karmemora mortinto ni publikigas tie ĉi la emociajn vortojn de *E. Wiesenfeld* el la Pola Esperantisto:

»Leono Zamenhof estis plej fidela disĉiplo de sia frato nia Majstro. Naskita la 31. X. 1875 en Varsovio, li studis en la sama gimnazio, nur kun alia specialeco (laringologio), kaj instaliĝus por ĉiam en Varsovio. En 1905 li estis dum la japan-rusa milito kiel kuracisto, mobilizita kaj pasigis pli ol jaron en Mandjurio. En 1906 li revenas Varsovion kaj komencas ree sian regulan praktikon en hospitalo kaj private.

En 1909 li edziĝas kun f-ino Leokadja Warszawska, kiu estis por li plej fidela akompanantino en la vivo (kaj bedaŭrinde al la eterna ripozejo ne povis akompani sian plej karan: pro grava malsano, ŝi estas forĝita al la lito ekde kelkaj monatoj) kaj donacis al li du filinojn.

Ekde plej frua juneco Leono sentis grandan amon al literaturo. Per tio klariĝas lia senlaceco je verkado de poeziajoj esp-aj, kaj tradukado de altvaloraj polaj poeziajoj en Esperanton. (Aspazio de Swietochowski, Protesilas kaj Laodamia de Wyspianski, verkoj de Reymont kaj al.) Krom tio li, kiel longjara redaktoro de Pola Esperantisto — kiam en 1908 la redakcio el Lvovo transiris Varŝovion — prensis sur siajn ŝultrojn la malfacilan taskon kaj tenis ĝin dum longa tempo — li pliriĉigadis nian literaturon per multaj malpligrandaj verkoj kaj verketoj. Pleje de li ŝatata estis la literaturlaboro sur la kampo de soci-etikaj demandoj. Li siatempe multe verkadis pri la kolonizo de Hebreoj en Sudrusujo. Krom tio li verkis broŝurojn pri aliaj etikaj demandoj (Pri egaleco kaj justeco), pri etiko en medicino, reformoj en hospitaloj. Laste en la loka gazetaro li tre aktive partoprenadis en la pristudado de la plej aktuala t. n. Hitlerlanda demando, vekante veran admiron por sia profunda kaj noblekora pensmaniero. Speciale menciinda estas la de li eldonita granda verko (en pola lingvo): Historio de medicino, kun biografioj, aforismoj kaj anekdotoj.

Lia agado sur la esperanta literaturkampo estis plej aktiva antaŭ la milito. Pola Esperantisto alkalkulas la periodon, kiam li estis ĝia redaktoro, al siaj plej brilaj jaroj. Ankaŭ la U. Kongresanoj certe memoras lian vigleron dum tiuj solenajoj. Ankaŭ al tiu periodo apartenas lia verko »Mia Liro«. La lastajn jarojn li tamen ne ĉesis okupiĝi pri Esperanto. Li daŭre verkadis por Literatura Mondo kaj aliaj. Li estis L. K. kaj Akademia Korespondanto.

Kiel plej specialan lian — kaj karakterizan! — meriton ni citu, ke li estis la fondinto de la intern-idea movado s. t. »Konkordo«. En Nro 14 de Esperanto Triumfonta (nuna Heroldo de E.) li publikigas epokan alvokon s. t.: La Korpo kaj Animo de Esperanto. Belega dedukto ke la lingvo mem estas nur la korpo de Esperanto, dum ĝia animo estas nepre la Interna Ideo. Kaj ne ripozante sur laŭroj, Leono Zamenhof ne kontentiĝas per simpla alvoko, sed baldaŭ kunvokas reprezentantojn de la varsoviaj samideanoj kaj sukcesas ĉiujn inspiri por krei tiacelan movadon. Tiel naskiĝis la esp. rondo »Konkordo«. Tiel naskiĝis la samnoma movado, kiu jam siatempe atingis brilan disvolviĝon kaj eĉ organizis du internaciajn fak-kunsidojn dum Universalaj Kongresoj (Vieno kaj Ĝenevo). Tiu estis la ideo, kiun pleje ŝatis nia Majstro, kaj tiu estis la ideo, kiu instigis nian Majstron al kreado de lingvo internacia. Sekve la ideo de »Konkordo« ne estis ia konsekvenco de Esperanto, sed kontraŭe — ĝia kaŭzo. Kaj tiu sama ideo, kiu puŝis nian Majstron al tia grandioza verko, puŝis ankaŭ Lian Fraton Leonon Zamenhof al la plej noblaj impulsoj. La devizon de Konkordo (Per Esperanto — al Repaciĝo kaj Konkordo), kiel ankaŭ la faman duparagrafan deklaracion, ĉion ĉi kreis Leono Zamenhof mem.

La familio, aŭ pli ĝuste la frataro Zamenhof, kvazaŭ unu homo, senescepte havis kulton por la ideo de konkordo, por la ideo de unuiĝo kaj reciproka amo. Kaj el tiuj hom-amegantoj, plej intensan agemon evidentigadis Leono. Plene liaj agoj justigis do la pri li en Galerio de Zamenhofoj skribitan fin-frazon: INDA FRATO DE NIA MAJSTRO.«



Jan van Eyck *Kanoniko Joris van der Palen*

# La Senlaborulo

**– Georges Duhamel –**

Kutime mi nur havas ĉe mi ridinde malgrandajn sumetojn: dek centimojn, dek kvin centimojn. De kiam mi perdis mian oficon, mi ne riskis peti monon de mia patrino. La kompatinda virino neniam parolis al mi pri tiaj aferoj. Kelkfoje mi iris aĉeti ion por ŝi kaj ne redonis al ŝi la monon. Tio estis sufiĉe diskreta maniero, sufiĉe senĝena por havigi al mi la malmultajn centimojn, necesajn por miaj malgrandaj bezonoj. Mi misuzis nenion, kredu al mi; sed de tempo al tempo, malgraŭ ĉio, la omnibuso, la subtera fervojo, unu poŝtmarko.

Aŭ prefere, tiu speco de mizero, kiu estis al mi sufiĉe indiferenta sub mia malnova vesto, fariĝis por mi malaminda, kiam mi devis surhavi ĵaketon el ŝevioto,[1]) ĵaketon de bonhava oficisto aŭ burĝo. Tiu vestaĵo, ne akordiĝanta kun la mono en mia veŝtpoŝo, ŝajnis al mi netolerebla mensogo. Certe estas tiu ĵaketo, al kiu mi ŝuldas ĉiujn specojn de absurdaj ideoj. Ankaŭ kaŭze de tio mi iris serĉi oficon kun plej granda aktiveco. Tiu aktiveco baldaŭ fariĝis febra, ne ĉesante esti senefika. La oficoj! Estas kiel rilate al ideoj; oni trovas ilin, kiam oni ne serĉas ilin. La homoj, kiuj okupas postenon favoran kaj certan, volonte diras: Junulo vere kuraĝa, vere fiksdecida, ĉiam finas . . . « Aĥ sinjoro, kiel povas ŝanco kaj sukceso fari la homojn malsaĝaj kaj nejustaj!

Kalkulante de la momento, kiam mi pensis en vera malespero: »Nu, jen, mi devas trovi lokon!«, mi sentis malklaran, sed neforigeblan impreson, ke mi trovos absolute nenion plu. Kaj efektive, mi trovis nenion plu. Mi ne plu aŭdis pri io ajn, kion mi povus akcepti kun digno.

Muro, muro! Senti, ke oni sin trovas antaŭ tre alta muro, tre glata, tre dika, kaj ke tiu muro estas la estonteco, kaj ke oni ne povas suprengrimpi ĝin, nek renversi, nek trabati al si vojon. Tiuj, kiuj spertis bonŝancon dum sia vivo, ne povas kompreni tian senton.

Sendube okazis al vi, ke vi staris atendante iun, vespere, ĉe stratangulo, sub gaslanterno. Okazis al vi, ke vi staris atendante dum unu horo, post tio, dum du horoj, ke vi ne sciis, ĉu la atendata persono jam ne certe venos, kaj ke vi daŭrigis esperi, spite de ĉio. Okazis al vi, koni tian malesperon. Tiun malesperon, kiun oni spertas ĉe ĉiuj dek metroj reen irante, kvankam estas evidente, ke neniu venos, ĉe la returniĝo kaj ĉe la reiro laŭ siaj paŝoj, malgraŭ la certeco, ke ĉio ĉi estas absolute senutila.

Mian vivon ĉiurilate oni povas kompari al tiu vana atendado sub gaslanterno, sub la pluvo, ĉe stratangulo. Mi sciis, ke ĉiu espero estas senutila, kaj mi faris (plurfoje dum tago) gestojn kaj agojn de homo, kiu havas esperon.

Rimarkinda estis por mi dum ĉiuj miaj promenadoj, dum ĉiuj tiuj momentoj de vaganta soleco, la supermezura aktiveco kun kiu mi pensadis.

Estas malfacile precize diri, kion oni volas. Parolante pri la aktiveco kun kiu mi pensadas, mi rimarkis, ke mi tute ne rakontis la veron. Diri, ke mi pensadis kun aktiveco, povus kredigi, ke mi min transdonis al pensado, ke mi min transdonis volonte, venke. Sed ne, tute ne! Frapanta estis pli ĝuste la pasiveco, kun kiu mi pensis. Multaj pensoj vizitis min, kontraŭis min, krude sin trudis al mi, perfortis min; pensoj, antaŭ kiuj mi submetiĝis, ne elvokante ilin, kiaj ili estas. Ĉu mi povas diri, ke mi pensadis? Ĉu mi povas alkalkuli al mi ĉi tiun meriton? Ĉu mi ne pli ĝuste estis senpova objekto de eksperimentado, viktimo? Ĉu mi ne pli ĝuste estis dezertigita batalkampo? Ne, vere, mi ne pensadis, mi nenion faris por pensadi. Oni pensis en mi, tra mi, kontraŭ mi. Oni pensis neĝenate, je perdo de mi mem, samkiel oni bivakas en konkerita lando.

Sendube ekzistas tre kleraj homoj, tre favorataj, kiuj intencas pensadi pri certa temo, kaj kiuj sin tenas je tiu intenco. Ekzistas homoj, kapablaj direkti sian menson, samkiel direktilisto sur maro plena de subakvaj rifoj; homoj, kiuj vere pensas, tio estas, kiuj pensas tion, kion ili volas. Feliĉaj homoj!

Rilate al mi, plejofte mi estas kuŝujo de rivero: mi sentas ruliĝi riveregon furiozan; mi ĝin entenas, jen ĉio. Kaj plie, vidu la vortojn! Mi eĉ ne ĉiam entenas ĝin, tiun riveregon; okazas inundo.

Rigardu la aferojn, kiel vi volas; certa fakto estas, ke dum mi vagis por reserĉi tiun netroveblan situacion, mia menso fariĝis la loko de fortega fermentado. Okazis io, kion mi provos rakonti al vi, kiun mi konvene povas rakonti al vi, sed pri kiu mi ne povas paroli facile, nek trankvile.

Mi ree atingis la domon. Estis vespero, meze de oktobro, ĉirkaŭ la sepa aŭ oka horo. Falis unu el tiaj pluvoj, pri kiuj oni ne devus diri, ke ili falas, ĉar ili ŝajnas elŝpruci el la malsana aero, de l' tero, de l' objektoj, de l' homoj.

Mi pasigis la posttagmezon rifuzante du aŭ tri humiligajn ofertojn; sklavajn oficojn, de aŭtomatoj aŭ ŝarĝo-bestoj. Mi venis malproksime el Grenelle kaj laŭiris la straton de Vaugirard. Mi resumis mian taglaboron. Ĝi vizaĝis al mi nur malĝoje kaj rigide. Mi ne havis sufiĉan monon ĉe mi por aŭtobusi kaj mi marŝis ne tro rapidante, tra akvajoj, tra la koto, ebria pro miaj senkuraĝiĝo kaj amareco.

Pasante ne malproksime de la strato Littré — vi vidas, ke mi tre precize memoras la lokon — penso trairas mian menson. Jen: ju pli mi alproksimiĝis la domon, des pli mi komencis scii, ke mia patrino ĵus mortis subite.

Mi rimarkigas al vi, ke ne estis kaj ankoraŭ ne estas ia kaŭzo, pro kiu mi devus timi ion tian: mia patrino nur estis sesdekjara; mi ne scias ian ajn malfortecon ĉe ŝi, ŝi ĝuis brilan kaj regulan sanon. Mi do nur pensis pri ŝia morto kiel pri okazontaĵo malproksima kaj preskaŭ neverŝajna, kies imago jam sufiĉis por plenigi miajn okulojn per larmoj. Sed tamen, kiam mi tiuvespere pasis la angulon de la strato Littré, mi subite vidis min revenanta hejmen kaj trovanta mian patrinon mortinta. Mi klopodis forpeli tiun absurdan penson, kiu, mi certigas al vi, ne havis la maltrankviligan econ de antaŭsento. Ne, nur kombino de ideoj. Mi klopodis, mi diris al vi; sed jam baldaŭ mi ekvidis, ke tiu penso ne venis sola: dum mi klopodis forigi ĝin de mi, ĉiaj aliaj pensoj, kiuj estis kvazaŭ la konsekvencoj de la unua, min atakis kun la ordo, kun la logiko de bone planita atenco.

Mia patrino estis mortinta. Tiam, kio? Kio okazis al ŝi? — La enterigo. — Mi vidis la enterigon, la funebran ĉaron en la malgrandaj stratoj, la tombejon, ĉion. — Kaj poste? — La domon malplenan. — Kaj poste? — Ke mi kaj mia tuta vivo devus reordiĝi.

1. Ŝevioto: lano de skotaj monto-ŝafoj.

## Pianludanto

Dancas fingroj
sur klavaro —
grincas dentoj
de luparo,
plaŭdas hufoj
sur glacio,
tondras pafoj
kaj ehadas krioj, krioj...

Dancas fingroj
sur klavaro —
grincas dentoj
en arbaro,
sed ekhaltis
ĉaspelantoj
kaj elsaltis
el densej' mil feo-kantoj.

Fingroj dancas
sur klavaro,
feoj kantas
en arbaro...

*Hendrik Adamson*

## Epitafo

*— Andrej Belij —*

*Vizaĝon mian ridigas*
*La frosta mort'.*
*Ĉirkaŭe ombro-ringon ligas*
*Sensone sort'.*
*En ombro-mond' delonge reve*
*Ripozis kor'.*
*Animo-kordoj, ploru kreve*
*Dum lasta hor'!*

El la rusa: *Hilda Dresen.*

---

Tuj mi vidis mian vivon reordiĝanta, ne laŭ certa maniero, sed laŭ cent variaj manieroj. La unua afero, kiu venis en mian menson estis jena: estis ja la malgranda rento. Mi jam parolis al vi pri ĉi tiu malgranda rento: ducent kvardek frankoj dum kvaronjaro; pretendo: pri kiu mi havis la nudan posedon[2]) pretendo ne transigebla, ne transcedebla, sur kiu mi eĉ ne povas ion pruntepreni, stranga ideo de onklo, mortinta paralizite.

Per unu vorto, estis ja la malgranda rento: okdek frankoj dum monato. Bone! Mi ordigus mian vivon; mi luus ĉambron kaj mi estus libera, libera kaj kompatinda; pano kaj terpomoj. Mi inkrustus min en evitema soleco. Mi ŝuldus nenion plu al la cetero de la mondo. Mi ekzistus por mi mem, amare. Kaj tiel mi atendus en senkonsciiga nedependeco la aferojn kiuj okazos poste. Ah!

He, mi min trovis antaŭ la Senatejo, subite, nesciante kiel mi alvenis tie. Mi min trovis antaŭ la Senatejo kaj mi deprenis la ĉapelon, ekstere malsekegan pro pluvo kaj interne pro ŝvito. Granda tremado min prenis perforte. Mi rigardis kun abomeno ĉe la lumbrilo de stratlanterno miajn malsekajn manojn, tremantajn kiel tiuj de drinkulo aŭ de malforta murdisto. Mi ree komencis la iradon, laŭlonge de la rando de l' trotuaro.

Jen la homo, kia mi estis. Mi pensis pri la morto de mia patrino; mi pensis pri tio trankvile kaj subite mi aranĝis mian vivon sen mia patrino. En miaj pensoj mi forstrekis mian patrinon por disponi pri la malgranda rento. Jen la homo, kia mi estis.

Mi neniam povus diri al vi tion, kio okazis. Speco de plendo resonis en la interno de mia korpo. Klara kaj prudenta voĉo diris: »Tio estas absurdaj ideoj, vi devas malestimi ilin kaj forpeli«. Alia voĉo, sibla indigniga, obstine ripetadis: »Malkuraĝulo, malkuraĝulo!«. Sed klaraŭdeble, spite de tiu bruado, tria voĉo kalkulis kun trankvileco: »Dudek frankoj dum monato por ĉambro, restas do du frankoj ĉiutage por vivi. Dek kvin centimoj por tagmanĝo, dek centimoj por vespermanĝo, la resto: libroj, senvalorajoj, la libereco.«

Mi strekis per la mano sur la vizaĝo, forte spirante. Miaj vangoj estis malsekegaj. Mi ne pripensis, ke tio estas larmoj: pluvis ĉiam pli kaj pli forte. Mi estis eluzita, mi naŭziĝis.

Mi sidiĝis dum momento sur ŝtona mureto, en kiu estis plantita la kradaĵo de la Luxembourg. Ŝajnis al mi, ke tiu ripozo de miaj muskoloj moderigis la boladon de miaj pensoj, se mi devas nomi »miaj pensoj« tiun balaaĵon, kiun mi ne povis estri, nek forigi de mi. Mi havis la senton, ke mi ree akiris iom da energio, ke mi tenis mian animon preskaŭ senmova, kiel obstina ĉevalo, kiun oni regas tirante forte la bridojn. Mi pensis, malrapide, movante la lipojn, mi pensis vorton post vorto: »Se mia patrino ĵus mortis...« Tuj mi sentis en mia gorĝo tordiĝon de ĉagreno kaj mian ventron kaptis forta doloro, kiun mi jam konis el antaŭa sperto. Al mi fariĝis pli malpeze, se mi povas diri tion. Mi ankoraŭ pensis: »Ĝi estas ĉiuokaze nekonvena ideo, estas ja nenia kaŭzo, pro kiu mia patrino min forlasus«. Ne! Estis nenia kaŭzo. Fine mi pensis: »Ĝi estas ĉiuokaze nekonvena ideo, estas ja nenia kaŭzo, pro kiu mia patrino min forlasus«. Ne! Estis nenia kaŭzo. Fine mi pensis: »Povus okazi al mi pli granda malfeliĉo« kaj mia tuta malĝojeco respondis: »Ne, ne, nenia pli granda malfeliĉo.«

Mi povis efektive kredi dum kelkaj sekundoj, ke mi reprenis la povon, reprenis la direktadon de mia animo.

Mi ekvidis tiumomente, ke mi ne estas sola ĉe la kradaĵo de l' ĝardeno. Maljuna, kompatinda viro, kun ronda ĉapelo; misformita pro la pluvo, mallaŭte alproksimiĝis, irante ĉeflanke, frotante la koksojn al la muro, kiu ne estis tre alta. Li diradis mallaŭtvoĉe: »La Preso! La Preso!«. Kaj neniu en la mondo aŭskultis lin.

Mi rekonis la blindulon, kiun oni kondukis tie ĉiun vesperon. Lia kapo estis iom klinita, iom turnita. Lian senmovan kaj fermitan vizaĝon batis la pluvo. Oni dirus, ke li iras rampante. Du paŝojn de mi li haltis, kvazaŭ li sentus min, kvazaŭ li rimarkus la bruon de mia vivo. Mi rigardis al li kaj murmuris:

»Li tie, li tie, pri kio li pensas, li tie?
Mi estis alparolonta lin, dironta al li ion ajn. Kion? Estas certe nenio komuna inter lia abismo kaj la mia.

Mi ree komencis la iradon. De malproksime, returnante min, mi vidis, ke la blindulo daŭrigas la rampadon laŭ la kradaĵo, kvazaŭ mia foriro estus lasinta al li liberan vidon.

Ĝis la placo de l' Panthéon, mi fariĝis preskaŭ trankvila, tio estas, malplena, tio estas, senigita je ĉia penso. Trairante ĝis la strato de Ulm, mi surprize rimarkis, ke ree mi kalkulas: dek kvin centimoj por tagmanĝo, dek centimoj por vespermanĝo. Mi mem lavus miajn subvestojn. Nova bezono por serĉi oficon. La soleco!«

Mi suprentiris la ŝultrojn kun doloro kaj decidis iri malgrandan ĉirkaŭvojon por ne tuj reveni hejmen. Tio pruvas al vi, ke mi efektive estis tute ne maltrankvila: mi bone sciis, mi bone sentis, ke mia patrino ne estas en danĝero. En mi, nur en mi, estis la ideo, ke ŝi sin trovas en danĝero.

Mi reiris laŭ miaj paŝoj kaj iris al la strato Clovis. Mi pensis metode kaj persiste: »Se mi vendus

2. Nuda posedo (nue propriété): nura posedo sen fruktuzo.

# Fragmento el taglibro

— Taras Ŝevĉenko —



La poŝta boato forveturis hodiaŭ Gurjev-on. Sudokcidenta vento. Merkrede aŭ ĵaŭde ĝi devas veni al Streleckaja Kosa, dek kvin kilometrojn de Gurjev. Sabate ĝi ricevos la lastan Orenburgan poŝton, dimanĉe — ĝi festos kaj lunde — returne. Dum favora verto oni devas atendi ĝin ĝuste post unu semajno, la 17-an aŭ 18-an de kuranta monato, sed neniel pli malfrue, ol la 20-an. Ĉu efektive ĝi nenion alveturigos por mi? Ne povas esti. Tio ja estus intenca tiraneco.

Hodiaŭ matene mi invitis al mi, en ĝardenon, suboficiron Kuliĥ, tiun saman, kiu havigis al mi el Uralsk la »Artokreadon« de Libelt.[1]) Nia interparolado koncernis, kompreneble, la batalionon, kaj precipe, la duan roton,[2]) kiu antaŭ du jaroj forlasis ĉi tiun lokon kaj kiu nun revenis ĉi tien. Kaj antaŭe, kaj nun mi havas malfeliĉon estadi en tiu ĉi roto. Komencinte ĉe l' iama tiutempa rota komandanto leŭtenanto Obrjadin, ni analizis laŭorde la tutan roton kaj, fine, ni haltis ĉe simpla soldato Skobjeljev. Malgraŭ lia nomo — Skobjeljev estis mia samlandano, naskiĝinta en la Ĥersona gubernis,[3]) kaj mi speciale memoras lin pro la ukrainaj kantoj, kiujn li kantis per sia juna, mola tenoro mirinde simple kaj belege. Kun speciala esprimo li kantis la kanton:

Fluas malgranda rivereto
El ĉeriza ĝardeneto.

Tiam mi forgesadis, ke mi aŭskultas tiun ĉi ensorĉigan kanton en kazerno. Ĝi transportis min al la bordoj de Dnjepr,[4]) al la libereco, al mia kara patrujo. Kaj neniam mi forgesos la brunkoloran, duonnudan malfeliĉulon, ŝlikanta sian ĉemizon kaj forportanta min el la sufoka kazerno tiel malproksimen dank' al sia nearta kantado.

Kaŭze de la figuro kaj de la manieroj, li estis malsimila al brava soldato, pro kio mi speciale estimis lin, sed tamen li estis glore konata, kiel honesta kaj komprenema soldato. Kaj malgraŭ la bruna, senforma kaj varioligita vizaĝo, en li brilis kuraĝo kaj nobleco. Kaj, sendepende de la kantoj, mi amis lin kiel samlandanon kaj honestulon. Li estis, kiel li sekrete konfesis al mi, forkurinta servutul-vilaĝano kaj kaptita dum la vagado, kaj tiam li klarigis, ke li estas forgesinta sian nomon kaj hejmon. Tiukaŭze oni igis lin soldatservi kaj li ricevis la nomon de Skobjeljev je l' honoro de konata babilulo, rusa invalido Skobjeljev[5]). Kaj jen pri tiu ĉi malfeliĉulo Skobjeljev rakontis al mi Kuliĥ sekvantan ribeligan historion.

Baldaŭ post la alveno de la dua roto en Uralsk'on, la komandanto de la roto, leŭtenanto Obrjadin faris Skebjeljev-on, soldaton sobran kaj fidindan, sed malkapablan frontservi, sia konstanta servosoldato. Kaj la simpla soldato Skobjeljev senintence fariĝis fidindulo de la elkoraj sekretoj de sia komandanto kaj konstanta lakeo de lia amatino. Ne pasis eĉ duonjaro kaj la malgracia lakeo Skobjeljev fariĝis ankaŭ amato de la amatino de sia ordonanto, kaj foje, dum la minuto de

[1]) Karolo Libelt (1807—1875) — pola filozofo, revinta pri la kreado de »slava filozofio«. En la verko »Filozofio kaj kritiko« li pruvis argumenti la malkapablecon de homa prudento solvi demandojn pri la individueco kaj senmorto de la animo.

[2]) Taĉmento de soldatoj, kiu egalas alilande la kompanion.

[3]) En Ukrainujo.

[4] Plej granda ukraina rivero, fluanta al Nigra Maro, sur kies bordoj kuŝaas la ĉefurbo de Ukrainujo — Kijev.

[5]) Rusa generalo kaj verkisto konata sub kaŝnomo: »Rusa Invalido«, verkanta speciale por militistoj (1778—1849).

---

preskaŭ ĉiujn meblojn, tio eble permesus al mi malgrandan vojaĝon . . .

Kaj jen, nenio por fari! Mi eĉ ne plu pensis pri la hodiaŭo, sed pri la morgaŭo. Nenio por fari! Mi ne estris miajn pensojn. Vana la rezisto. Vane kaŝi tiun specon de krimo, kia estis en mi. Mi ne regis min tiel, ke mi povis forigi la krimecan penson.

Mi laŭiris rapide la stratetojn, kiuj devis rekonduki min al la strato Pot-de-Fer. Mi eniris en mian domon, bone sciante, ke mi ĉiam delikate amis mian patrinon, sed ke mi estis absolute nekapabla defendi min kontraŭ miaj imagoj, ke mi estis nekapabla malebligi, ke ŝi estu mortigita en mi, ke ŝi estu mortigita en mi.

El la franca: *Joh. Hartog.*

Noto: Georges Duhamel, nuntempa franca aŭtoro, precipe distingas sin per la akra, eĉ naturalisma metodo de analizo. En liaj verkoj pli gravas la personoj per si mem ol la rakonto. Kaj tiuj personoj estas por la leganto plena mondo kun sufero kaj venko, turmento kaj gloro. Ĉiu el la rolantoj fariĝas monumento de perfekta beleco, kies konturoj estas akraj kaj rektaj, sed kiuj kune formas harmonian belajon. Li precipe famiĝis pro sia verko »La Vie des Martyrs« (La Vivo de la Martiroj), kiu priskribas momentojn el la Mondmilito.

La sekva fragmento estas prenita el la »Confession de Minuit« (Meznokta Konfeso). Temas pri juna homo, kiu estas maldungita pro bagatelo (li tuŝis la orelon de la direktoro). Malgraŭ multaj klopodoj li ne sukcesas trovi novan okupon kaj ĉiam pli kaj pli li malsupreniĝas en malesperon. Analize Duhamel priskribas la diversajn nuancojn de lia menso kaj tiel li liveris en »Confession de Minuit« unu el la plej artoplenaj verkoj de nia tempo.

Prononcado de francaj propraj nomoj: *Georges Duhamel:* jorj: düamEl — *Grenelle:* grenEl — *Vaugirard:* vojirAr; — *Littré* litrE — *Luxembourg:* lüksambur — *Clovis:* klovIs — *Pot de Fer:* Po de FEr.

# La Nederlanda pentrarto

— M. J. Wessel —

La Sud-Nederlanda pentrarto datas de la fino de la 14-a jarcento en kiu tempo la fratoj *van Eijck* en Brugge atingis la supron de la tiama arto.

*Hubertus van Eijck* (1366—1426) estas la fondinto de nova pentromaniero, kaj lia merito certe estas nerefutebla: ĉar li unuafoje uzis oleon por interligi la farberojn.

Per tiu nova maniero de farbopentrado li atingis nekonatan forton en kolortono kaj nuanco, tiel por ĉiam metante la pentrarton sur pli altan nivelon.

De el la mezepokaj imagaĵoj kaj ideoj li tuj eniris la realan vivon kaj sur ĉion premis la stampon de sia tempo kaj lando.

Estas kompreneble, ke li nekontraŭstareble influis ĉiujn siajn samtempulojn kaj la tutan postan pentrarton.

Fama verko de *Hubert van Eijck* estas »La adorado de la Ŝafido de Dio«, kiun li verkis por la St. Bavo, Ĉefpreĝejo en Gent.

Inter liaj konataj sekvantoj ni nomas *Rogier van der Weijde* (Bruselo) kaj *Hans Memling* (1435—1495) unu el la plej talentaj majstroj de lia tempo.

En Nord-Nederlando oni trovas postsignojn de la pentrarto jam en la dua duono de la 10-a jarcento en la Monaĥejo de Egmond, ankoraŭ hodiaŭ montrata en la Reĝa biblioteko en Hago.

Plue oni trovas murpentraĵojn en la preĝejo de Gorinchem el 1263; sed pri la komenciĝo de la Nord Nederlanda pentrarto oni povas nur paroli en la tempo de *Dirk van Haarlem* 1931—1478, kiam *Jan van Eijck*, frato de *Hubert van Eijck*, kaj *Jan van Beyeren* transloĝiĝis al N. Nederlando kaj instruis la nomitan *Dirk van Haarlem* pri la nova tekniko.

Post li *Geertgen tot Sint Jans* (1460—1480) memstare verkis laŭ propra maniero belajn verkojn. La Viena Muzeo posedas de li Dekrucigon, kies belkoloreco kaj natureco enhavas profetaĵon pri la grandaj meritoj de la 17-a jarcentaj majstraĵoj.

Nur la Holanda skolo konstante kaj plene realigas tiun ĉi principon de libera, individua arto, kiu ĉerpas el la tuta vivo de naturo kaj homo.

La lernantoj de la holandaj majstroj el la 15-a jarcento iris Italujon por pristudi la verkojn de *Rafael*, *Michel Angelo*, *Leonardo da Vinci* kaj aliaj, ŝanĝante sian stilon laŭ tiu de la italoj.

Unu el ili tamen ne sekvis tiun ekzemplon, sed restis en sia patrujo kaj tie disvolvis tian belegan, fortan talenton harmonian, ke li estas admirata dum ĉiuj tempoj ĝis nun.

Lia nomo estas *Lucas van Leyden* (1494—1533).

Li estas la heroldo de tiu brila epoko, la 17-a jarcento, en kiu komenciĝas la tria epoko de la Holanda pentrarto. Sed kun li ni devas nomi kelkajn aliajn pentristojn el la 16-a jarcento, kiuj preparas la vojon al tiu glorplena tempo. Ili estas i. a. *Cornelis Corneliszen* (1493—1544). *Jan Swart van Groningen Miezevelt* (1567—1641) kaj *Mooreetsz*, post kiuj sekvas la tutaj antaŭuloj de la princo inter la 17-a jarcentaj pentristoj, nia Rembrandt (1606—1669).

La politika kaj religia liberiĝo estigis novan atmosferon, kaj dum la pentrarto en aliaj landoj estas kaptata en tradicia maniero, ĉi tie oni forjetas ĉiujn premantajn ligilojn, libere movas sin laŭ propra spontanea elekto, kaj la granda Holanda pentroskolo estas la frukto de tiu spontaneeco.

La tujaj antaŭuloj de *Rembrandt* estas *Pinas*, *Frans Hals* (1584—1666), *Lastman* (1583—1633) kaj *Van Swanenburch*, la du lastaj estas konataj kiel instruantoj de *Rembrandt*.

Antaŭ ol paroli iom pli detale pri la homo, kiu per sia nekomparebla arto regas sian epokon, ni dediĉas kelkajn vortojn al la arto de Frans Hals, kies majstroverkoj troviĝas en la muzeo de Haarlem.

*Frans Hals* estas portretisto kaj liaj portretoj estas plenaj de vivo kaj spirito. Li havas senekzemplan teknikon. Per larĝa peniktuŝo li sin liberigas el la glata maniero de la antaŭa epoko kaj lia kolormikso estas vere brila.

Ni vidas, ke la tempo maturiĝas por naskigi grandan artiston.

*Rembrandt* estas vera talentulo, kiu prenas siajn mo-

---

elkoraj konfesoj, la malica perfidulino sciigis Skobjeljev-on pri la fakto, ke antaŭ du monatoj Obrjadin ricevis el Moskvo dek arĝentajn rublojn, senditajn por Skobjeljev de iu lia estinta kamarado (verŝajne vagisto) nuntempe komiza butikisto. Kaj, por atesti sian verdirecon, ŝi montris al li koverton kun kvin sigeloj. Leŭtenanto Obrjadin, ankoraŭ kiel iama bataliona adjutanto kaj kasisto, estis ne nur suspektata, sed ankaŭ akuzata pri ŝtelado de similaj sendaĵoj, sed li ĉiam sciis iel kaŝi la finojn en akvon.[6]) Kaj havi famon de honestulo. Skobjeljev, eksciinte pri la ago de la patro-komandanto, venis al li kun la malplena pakaĵo en la manoj kaj postulis la prenitan monon. La patrokomandanto honoris lin per vangobato, kaj li la patronkomendanton per vangofrapo. Se ĝi estus okazinta nur inter ili ambaŭ — ĝi estus finita senrezulte, sed ĉar la sceno estis en la ĉeesto de noblaj rigardantoj, oficiroj, tial la konfuziĝinta leŭtenanto Obrjadin, arestinte la soldaton Skobjeljev, raportis pri la okazintaĵo al la bataliona komandanto. Rezulte de la raporto, oni faris esploradon, kaj rezulte de la esplorado oni ordonis al la leŭtenanto Obrjadin eksiĝi el la militservo, kaj la soldaton Skobjeljev oni sendis en militan juĝejon. Kaj laŭ la juĝdecido la soldato Skobjeljev trapaŝis la verdan aleon,[7]) kiel ĝin nomas la soldatoj, sub du mil vergobatoj kaj estis ekzilita al Omsk por sep jaroj en arestorotoj.

Malĝoja okazintaĵo kaj, bedaŭrinde, ne sola en sia speco.

Malfeliĉa Skobjeljev! Vi naskiĝis kaj mortis en malliberecο. Vi volis ĝui la larĝan, dolĉan liberecon kaj vi flugis en Edikulon,[8]) vi flugis en mian sepjaran malliberejon kiel birdo-kantisto el Ukrainujo, kvazaŭ nur por rememorigi al mi mian karan, mian malfeliĉan patrolandon per viaj dolĉaj kantoj. Malfeliĉa, kompatinda Skobjeljev, vi honeste, noble redonis la vangofrapon al la nobla ŝtelistorabisto kaj pro la honesta ago vi iris tra vicoj de soldatoj kaj vi forportis la pezajn katenojn al la bordoj de la dezerta Irtiŝ kaj Om[9]). Ĉu vi renkontos en via nova malliberejo same atenteman kaj dankeman aŭskultanton, amikon de viaj sopiroplenaj, dolĉaj kantoj, kia mi estis? Vi renkontos — eĉ ne unu tiel saman kia vi, malliberalon-orfulon, samlandanon-punitοn, stampitan kiu elverŝos larmon de dankemo sur viajn pezajn katenojn por la agrablaj al koro, karaj, hejmaj sonoj . . . Kompatinda, malfeliĉa Skobjeljev . . .

El la ukraina: *Mgr. B. Strelczyk*

[6]) t. e. neniigi la aferon.

[7]) verda aleo estis speco de estinta puno en rusa armeo. Punito estis devigata paŝi inter du vicoj da soldatoj kaj estis batata de ili per freŝaj vergoj. Oftfoje la vergobatoj superis eĉ tri milojn.

[8]) tiel kutime nomas la soldatoj la fortikaĵon Novopetrovskaja.

[9]) Du riveroj en Siberio.

tivojn el ĉiuj landoj kaj epokoj, kaj li volonte ĉerpas el diversaj antikvaj libroj, sed plej multe el la Biblio. Sennombraj estas la pentrajoj, akvafortoj kaj desegnajoj prenitaj el la Malnova kaj Nova Testamentoj.

Super tio li havas senbridan fantazion kaj honoris siajn artofratojn el ĉiuj epokoj.

En lia artkolekto troviĝas verkoj de preskaŭ ĉiuj famaj en- kaj eksterlandaj pentristoj kaj skulptistoj. Kiel vera dotito de Dio, li sorĉas per lumo, kiun li kreas per mallumo kaj en liaj diafanaj mallumajoj neniam mankas la lumo mem.

Liaj akvafortoj same kiel liaj pentrajoj estas juveloj el teknika vidpunkto kaj kvankam li plene ellaboris siajn pentrajojn, ili ĉiam restas freŝaj kaj redonas la realan vivon.

Pri lia vivo kaj verkoj la kritikistoj kaj admirantoj pleniĝis centojn da libroj el kiuj klare montriĝas, ke kvankam li honoras la eksteran belecon, li pli alte taksas la internan grandecon, la nobelecon de la menso.

En lia Kristofiguro sur la »centguldenbildo« ni ne trovas imponan profeton; Sed la majesto elradianta de tiu simpla figuro estas neĝekveble trafa.

Vere, li estas, en la plej profunda signifo de la vorto, klarvidulo; li rigardas en la plej internajn sekretojn de la homa vivo.

Precipe dum liaj postaj jaroj, kiam li, batita de la sorto, devis cedi sian edzinon kaj filon al la morto kaj siajn artotrezorojn al siaj avidemaj kreditoroj, precipe tiam lia produktiveco estas nekredeble abunda kaj ekestis liaj plej sublimaj verkoj.

La figuroj en li pentritaj movas sin en mirinda lumo, ĝuste dirite en ia ajn sorĉbrilo, kvazaŭ ili estas ĉirkaŭitaj de fosforeskanta brileco.

Kiel kortuŝe li desegnas, sur malgranda akvaforto, la profundan suferon de Kristo sur la Monto Olivarba, el tio klare montriĝas, ke ankaŭ li enanime konas tiun malesperon kaj animdoloron.

La franca pentristo kaj kritikisto Eugene Fromentin skribas en sia: »La lasta granda pentroskolo« la ĉi sekvantan trafan priskribon de la Kristofiguro sur la pentrajo »la Emmaŭsirantoj« trovebla en la Louvre, la konata muzeo en Parizo:

»Kiom multfoje oni figuris la travivajojn de lia tera vivo; aŭ pentris la gloron de lia apoteozo! Sed ĉu oni lin iam montris; pala, malgrasiĝinta, rompanta la panon, kiel li ĝin faris, tiun lastan fojon ĉe la Vespermanĝo en sia pilgrimvesto: kun liaj bluecaj lipoj, ankoraŭ montrantaj signojn de lia torturado; liaj grandaj mildbrunaj okuloj, vaste malfermegitaj kaj ĉielen direktitaj; ĉirkaŭita de malvarmeta nimbo, speco de fosforbrilo, kiu envualigas lin en nedifinita glorlumo, kaj kun tiun neelparolebla io de vivanto, kiu spiras kaj kiu evidente jam mortis?

La teniĝo de tiu dia reviviĝinto; tiu nepriskribebla gesto, nepre ne kopiebla; la arda vervo sur tiu vizaĝo sentrajte desegnita, nur per la movo de la lipoj kaj de la rigardo — ĉio el inspiro, oni ne scias de kie, kaj oni ne scias kiamaniere esprimita — ĝi estas de netaksebla valoro.

Nenia arto povas esti komparata kun ĝi; neniu antaŭ Rembrandt, neniu post li, kiu iam tiel esprimis sin«.

Sajnas al mi iom enigma, ke la sama kritikisto en la sama libro iom moktone parolas pri la pentrajo nomata »De Nachtwacht« (la noktgardistaro) kiu en Amsterdam altiras la atenton de ĉiuj vizitantoj de la Regna muzeo.

Mi ne donos detalan nomadon de la centoj da pentrajoj kaj desegnajoj, kiuj estas dissemitaj en la tuta mondo; mi jam tro longe parolis pri li, sed mi faris ĝin, ĉar li estas la centro de mia skolo.

Liaj lernantoj estas multaj kaj el ili ankaŭ multaj fariĝis famaj pentristoj. Jen kelkaj el la plejfamaj.

*Gerard Don* (1613—1680). *Ferdinand Bol.* (1611—1680). *Gerbrand van den Eekhorst* (1630—1674) *Fabricius* (1614—1654). *Nicolaas Maas* (1632—1693) kaj multaj aliaj.

Flanke de *Rembrandt* staras *Bartholomeus van der Helst* (1613—1670) kies majstroverko »De schuttersmaaltijd«. (la festenmanĝo de la civilgvardistaro) en Haarlem montras lian majstrecon.

En tiuj samaj jaroj verkis kun granda sukceso i. a. *Gerard Terborg* (1608—1681) pentristo de familiaj scenoj, salonoj plenaj de Sinjorinoj vestitaj en brilriĉaj atlasaj vestoj.

*Gabriel Metzu* (1630—1667). Kaj la neforgesenda origina majstro de ĉi tiu glorplena epoko *Jan Steen* (1626—1679) ankaŭ pentristo de hejmaj scenoj kaj de bibliaj kaj historiaj pentrajoj.

Liaj verkoj posedas apartan subtilecon. Li estas gajiga kaj sprita rakontisto, kvankam neniam mankas la vivoseriozeco, kaj kontraŭe ĉiam konservas sian humoron, ankaŭ kiam li pritraktas la plej seriozajn bibliajn historiojn.

Ekster tiuj originaj figurpentristoj, la tiutempa skolo posedas sennombrajn pejzaĝ- kaj bestpentristojn, el kiuj mi nur povas nomi la plej konatajn:

*Meindert Hobbema* (1638—1709). *Jacob van Raysdael* (1625—1681). *Jan van der Meer* (1628—1691). *Adriean van der Velde* (1639—1672). *Wouwerman* (1619—1668) la fama pentristo de militotendarejoj kaj kavaleriaj bataloj. *Paulus Potter* (1625—1654) kies juna virbovo estas bone konata. k. t. p.

Samtempe verkis en la sudaj provincoj ne malpli famaj pentristoj.

El tiuj ni nomas *Pieter Paulus Rubens* (1577—1640) oni povas nomi lin la egalulo de *Rembrandt*. Ankaŭ li estas riĉdotita homo, kiu la mondon pliriĉigis per grandiozaj majstroverkoj ĉie konataj.

Kiel 23-jara junulo li vojaĝis al Italujo, kie li pristudis la italajn majstrojn *Tiziano*, *Paolo Veronese* kaj aliaj. Ilia arto nature influis la lian kaj tial ne estas du tia originaleco ol tiu de *Rembrandt*, kiu neniam vizitis fremdlandon.

Sed li estas ankaŭ viro de tre granda laboremo. Pli ol 1500 pentrajojn li pentris, dum ankaŭ en la politika vivo de sia lando li estis grava persono, kiu plurfoje estis sendata, kiel ambasadoro al eksterlandaj kortoj.

Lia tre konata kaj tre kapabla lernanto estas *Anthonie van Dijk* (1599—1641). Kiel delikatsenta artisto, precipe en la portretarto, li ne estas malsupera al sia majstro.

En tiu sama tempo verkas *Adam van Noort* kaj ties tre konata lernanto *Jacob Jordaens* (1593—1678) kiu estas bonega koloristo. *David Teniers*, pentristo de intimajoj kaj petolemaj okazajoj en kio la konata *Breughel* antaŭeniris lin.

*Pieter Breughel* (1530—1600), kiun oni kutime nomas la kamparana Breughel, kaj liaj filoj, kiujn same, oni pli bone konas sub iliaj alnomoj, la infera Breughel kaj la velura Breughel, estas konataj pro siaj preskaŭ ĉiam petolemaj verkoj.

Kiel lastan mi nomas *Adriaan van Ostad*, lernanton de *Frans Hals*, kiu, ankaŭ, en la kamparana vivo trovas riĉan fonton de gajigaj scenoj.

Domaĝe, ke post tiu brila epoko de nia pentrarto komenciĝas tempo de plena dekadenco.

Foje kaj foje ja estas iom da reviviĝo; sed pri geniuloj oni ne povas paroli.

Je la fino de 18-a kaj la komenciĝo de la 19-a jarcento pli bona tempo komenciĝis. Tiutempe verkis *Schotel* (1787—1838). *Van Schelfhout* (1778—1870) *Dirk Langendyk* (1748—1805) kaj aliaj.

La bona konata *Pieneman* havas multajn kapablajn lernantojn. Lia filo Nicolaas estas la instruanto de la delikatsenta *Jozef Israëls* (1824—1911), kies verkoj estas de supera kvalito.

Kvankam en liaj unuaj verkoj ni klare vidas la postsignojn de lia majstro, li poste liberigas sin el la tradicia maniero, kaj kreas al si liberan labormetodon.

Kiel kortuŝe simple li povas redoni la malĝojan animstaton kaj la afliktiĝon en la domo, kie la mortanĝelo forprenis unu el la familianoj.



# OBSERVO

## TARAS ŜEVĈENKO.
(10. III. 1814—11. III. 1861.)

Ni povas konstati, ke ne ekzistas en la mondo alia poeto lirika, kiu povus gloriĝi per tia kaj tiel konstante manifestata honoro, kiun ĝuas ĉe la ukraina nacio — Taras Ŝevĉenko. Nek Shakespeare ĉe la angloj, nek V. Hugo ĉe la francoj, Goethe ĉe la germanoj, Puŝkin ĉe la rusoj, Petöfi ĉe la hungaroj, nek eĉ Dante ĉe la italoj povas revi pri tia tute escepta, neniam dum jarcentoj ie renkontata kulto, kiel Ŝevĉenko ĉe la ukrainoj. Ni malatentas la literaturon pri Ŝevĉenko: la diluvon de disertacioj kaj disertacietoj, analizantaj ĉiun lian poemon, kaj tiujn sennombrajn »komentariojn«, kiuj ŝajnas esti manio de ukrainistoj kaj malfeliĉo de lernantoj en la ukraina lernejo. La centra punkto en la kulto de Ŝevĉenko ne kuŝas en la literaturo pri li, en skribitaj verkoj, do en regiono komprenebla nur al certa klaso de la nacio. Tiu ĉi kulto estas vere amasa, konstanta kaj daŭra. Jen, la societo ukraina en ĉiu urbo kaj en ĉiu vilaĝo, en ĉiu kolonio de politikaj aŭ perlaboraj elmigrintoj en malnova kaj nova mondo, ĉiu aro sentas la devon ĉiujare, dum marto, kiel dum la datreveno de naskiĝo de Taras Ŝevĉenko, aranĝi »Ŝevĉenkan koncerton«: enkondukan vorton pri la signifo de l' poeto por la nacio, deklamojn de liaj verkoj, kantojn por liaj vortoj, muzikon — ilustrantan liajn inspiroplenajn versojn. Tiu ĉi tradicia kutimo akceptiĝis baldaŭ post la morto de la poeto, kaj jen, dum kelkdeko de jaroj — ĉiujare, malatentante ĉiujn kataklismojn de la mondo, la monato marto estas ĉe ukrainoj de ĉiuj religioj kaj de ĉiuj politikaj partioj dediĉata al la kulto de Ŝevĉenko!...

Tiu ĉi homo postlasis unu volumon de poeziajoj. Malgraŭ la tuta senduba grandeco de poeta talento — sendube li ne superas multajn aliajn titanojn de monda literaturo. Li ankaŭ ne estis la unua en la nuntempa ukraina literaturo, ĉar lia »Kobzaro« aperis proksimume duonon da jarcento post la apero de »Eneido« de Kotlarevski, komencinta la nacian renesancon de ukraina literaturo. Kiel »sociulo«, kompreneble — kiel membro de organizaĵo, Kostomarov ludis en »La frataro de Kirilo kaj Metodo« sendiskute pli grandan rolon organizajan, ol li. Kia sekreto do kaŝas sin sur la fundo de la »Ŝevĉenka kulto«?!

Cerbumadis kaj cerbumas ankoraŭ ĉiam pri tio diversaj specialistoj de Ŝevĉenko. Kaj tamen neniu amasa movado, kiu daŭras dekojn da jaroj, estas io hazarda. Kaj la movado de la kulto de l' »Granda Taras« havas siajn profundajn psikologiajn bazojn.

Antaŭ ĉio, la nacia movado ukraina kaj la literaturo ukraina estas du riveroj, fluantaj en unu fluujo, el unu komuna fonto.

La ukraina nacia-politika renesanco havas sian komencon nek dank' al gajnita batalo, nek dank al individua aŭ ara heroago, nek dank' al iu historia kataklismo, sed dank al la poetoj, kaj precipe al lirikaj poetoj, kiuj kuraĝis je la heroa ago — je la enkonduko de vivanta popola lingvo en literaturon, anstataŭ la mortinta ukraina-eklezia-slava lingvo. Tio ĉi estas la unua logika kaŭzo por honori la revivigintojn de la literaturo kiel revivigintojn de la nacio: la ukraina lingvo popola, dank' al la literaturo regenerita, rehonorigita kaj suprenlevita al la nivelo de la literaturaj lingvoj de la kulturaj nacioj, fariĝis ja akso de batalo por la kristaligo de l' nacia vizaĝo kaj fundamento de batalo por la nacia-politika ekzistado. Sed la merito de Ŝevĉenko estis ne nur la fakto ke li, la unua el la poetoj de l' renaskiĝinta ukraina literaturo — kondukis ĉi tiun literaturon tuj al Parnaso. Li akiris la honoron kaj amon de sia nacio ne nur dank' al sia talento, sed ankaŭ dank' al sia kuraĝo, — kaj literature dirante: dank' al la temaro kaj al la sociaj ideoj de siaj verkoj. Li estis nur poeto, sed nacio ne povas tiel honori poeton skribantan per maldensigita inko, aŭ eĉ per la larmoj de sentimentalismo. La poezio de Ŝevĉenko akiris por li la kulton de milionoj nur tial, ke en ĝi sonoregas kaj pulsas la sango kaj ĝi mem defluas per la sango!

Ŝevĉenko surpaŝis la arenon de l' ukraina nacia vivo en la tempoj de servuto, en la tempoj de servuta mallibereco, mem kiel vilaĝano-servutulo, kaj tuj elpaŝis, kiel apostolo de la popolo, kontraŭ la nacia, politika kaj socia perforto, kaj samtempe, kiel profeto de la vero, kiu evidentiĝos en la renaskita potenco de lia »dormetinta« patrujo. Kaj kiam la poeto, kaŭze de siaj versaĵoj, foriris en ekzilon, kaj de tie sendis al Ukrainujo sopiroplenajn versajojn, — ili efikis, kiel manifestoj de la martiroheroo. Li estis vera profeto de sia popolo. Kaj kun aŭreolo de martira profeto-heroo li tro frue foriris en la tombon, postlasante sian »Zapovit« (Testamenton), kiel duan ukrainan nacian himnon, kantatan dum la revoluciaj 1917—20 jaroj de la amasoj de ukrainaj manifestintoj sur placo de Sankta Sofio en Kijv (Kijovo, ĉefurbo de Ukrainujo) kune kun »Ŝĉe ne vmerla Ukraina.« (»Ankoraŭ ne mortis Ukrainujo.).

Dediĉante okaze de la 120-a datreveno de naskiĝo

---

El tiu sama tempo ni ankoraŭ nomas *Bosboom* (1817—1891), pentriston de preĝejaj internajoj, *Mauve* (1838—1888), pejzaĝiston, *Rochussen* (1814—1894) historiopentriston. *Van Bors ten* (1825—1892). *Bilders* (1837—1900), *Roelofs* (1832—1897). *Van de Sande Bakhuyzen, Louis Apol;* Ĉiuj estas pentristoj famaj de nia Holanda pejzaĝo.

*Van Gogh* (1853—1890) kaj *Gabriel* (1828—1903), *Klinkenberg* (1852—1924.) *Alebé* (1838—1927) kaj nature pli, pli multaj aliaj, kiujn mi pro la longeco de la nomlisto ne povas citi.

Karakteriza trajto de la Nederlandaj pentristoj estas, ke ĉiuj formas unu skolon, kaj ĉiuj sekvas sian propran individuan ideon kaj pentromanieron.

Bona ekzemplo pri tio estas la filo de *Jozef Israëls*, kies verkoj apartenas al la impresionista skolo de la nova epoko.

*Isaac Israëls* estas la antipodo de sia patro. Vera impresionisto, forta, impulsiĝema, iom senpacienca; kelkfoje li trorapide ĵetas siajn impresojn sur la tolon; kaj tamen li admiras la seriozan manieron de sia patro, kiu, siavice, estas fiera pri la verkoj de sia filo.

En la 20-a jarcento, nia serĉanta epoko, novaj manieroj ekestas. Ni nomas la faman *J. Th. Toorop* (1860—1931.), kies simbolaj verkoj vekas admiron pro la sugestiaj ecoj; *Th. van Hoytema* (1683—1917). *Floris Verster* (1861—1927). *Thorn. Prikker*, kiu spertis la influon de *Vincent van Gogh*.

Kiel vera nuntempa juna koloristo, mi devas ankoraŭ nomi *P. v. d. Braken*, kies freŝaj pentraĵoj radiantaj de brila lumo ĝojigas la rigardantojn. Liaj verkoj ŝajnas naskiĝantaj el senco realeca kaj montras al ni lian poetan imagkapablon.

Eble la lumo venos ĉar ja el la cindro ree ekstaros la senmorta fenikso.

P. S. Ĉe la finiĝo de tiu ĉi artikolo, la gazetoj sciigas, ke nova tekniko al si vojon trabatas. En Maastricht en la suda parto de nia lando, la konata pentristo Jan Gregoire elmontras kvindekon el siaj verkoj; tamen inter ili estas nek oleopentraĵo nek akvarelo.

Li praktikas novan teknikon, ian novan freskon, lakitan aŭ nelakitan.

Jen, la malnova fariĝas nova; la grandega historia rado turniĝas, turniĝadas kaj post jarcentoj eble nova Van Eyck denove eltrovos oleoteknikon.

»Nenio nova estas sub la suno.«

de Ševĉenko ĉi tiun paĝon al la centra individuo de la ukraina literaturo kaj de la fonto de l' ukraina nacia-politika penso, ni intencis konatigi al tutmonda esperantista legantaro tiel grandan kaj tiel ankoraŭ malmulte konatan homon-geniulon. *B. Strelczyk.*

(Q) SENSACIO DE L' ARTHISTORIO. La arthistorio havas novan sensacion. En la barbo de la Moseo de Michelangelo, itala arthistoriisto trovis la portreton de papo Julio II. kaj en la bukloj de l' barbo la memportreton de Michelangelo mem. Proksimume antaŭ 400 jaroj kreis la renesanca genio unu el la plej belaj statuoj de l' mondo per tiu Moseo: multege oni skribis pri ĝi, oni ĝin analizis, klarigis, desegnis kaj fotografis. Jam vere ŝajnis ke nenion novan oni povos diri pri la statuo, kiam eminenta pastro-arthistoriisto de la Vatikano, Don Giuseppe Parroni, dum siaj studoj en la San Pietro in Vincoli en pluva, duonmalluma tago, rekonis la aferon.

La malkovro okazis tiel, ke Don Parroni sidiĝis antaŭ la statuo. Propre li volis skribi pri la Liberigo de Petro, de Domenicchino, kaj pri la Sankta Margareta de Guercino, sed en la pluva duonmallumo li ne vidis bone la bildojn kaj tial — kiel jam tiomfoje — ankaŭ nun li sidiĝis antaŭ la statuo. Kiu jam estis foje en tiu ĉi malgranda preĝejo — nomata ankaŭ Basilica Eudossiana — tiu facile komprenas sinjoron Parroni; sidi tie silente kaj rigardi tiun terure animkatenantan ĉefverkon de l' arta plenumiĝo estas io tia, kiel rigardi de marborda roko la eterne moviĝantan kaj eterne senmovan senfinon. Laciĝi eble oni povas pro tio, sed satiĝi neniam.



Don Parroni sidis en la kan-seĝo preĝeja kaj rigardis la statuon. Foje li rimarkas, kvazaŭ sub la kurbiĝinta buŝo la ondoj de l' eta barbtufo ricevas difinitan formon, kaj, kiam li rigardas pli atente, jen, disvolviĝas la konturoj de homa kapo. Eĉ ne pasis lia surprizo, kiam el la falegantaj marmoramasoj de l' barbo li vidis disvolviĝi la konturojn de la bone konata profilo de Michelangelo. Kvazaŭ la ombro de lia vizaĝo jetiĝis sur la statuon.

Infera momento! Don Parroni — kiel li mem poste rakontis — ne sciis, ĉu nur liaj nervoj ludas, aŭ li vidis vere ion realan. Li foriris, sed la postan antaŭtagmezon li ree alvenis por rigardi la statuon. Komence li nenion rimarkis, nur kiam ree li sin lokis tiel kiel la antaŭan tagon, iom dekstre de la statuo, li ekvidis klare la homkapon sub la buŝo kaj maldekstre de ĝi la ombroprofilon de Michelangelo. Sed li ne raportis tuj pri sia malkovro. Li venigis fotografiston kaj farigis plurajn fotojn pri la statuo. La fotografa lenso ne povas erari. Kaj sur la fotoj oni povis klare vidi la kapon sub la buŝo kaj la silueton de aglonaza, barba viro.

Post la malkovro komenciĝis diskuto: kiujn do figuras la bukloj de l' barbo. Pri la portreto baldaŭ evidentiĝis, ke ĝi prezentas papon Julio II. Tio estas senduba. Eĉ se la Moseostatuo ne estus farita por la tombmonumento de Julio II., la simileco al aliaj portretoj de l' granda renesanca papo estas tiel frapanta, ke oni ne povas kontesti la identecon. Michelangelo skulptis tien liajn trajtojn eble simbole, eble el nura arta ludo.

Sed granda estas la diskuto pri la memportreto. La karakterize aglonazan, barban vizaĝon oni povas vidi nur el certa rigardo-punkto. Farinte nur duonpaŝon flanken, oni vidas jam nur kolosajn barbamasojn, falegantajn marmorbuklojn. Precipe bone videblas la silueto posttagmeze, antaŭvesperiĝe, kiam la ombroj jam densiĝas.

Multaj kontestas la malkovron de Parroni, volante pruvi, ke ankaŭ en aliaj faldoj de l' barbo oni povas imagi siluetprofilojn. Sed tiaj klarigadoj ne sukcesis. Pli kaj pli multiĝas la subtenantoj de la opinio de Don Parroni, precipe de kiam ankaŭ Nogara, grandscienca direktoro de l' Vatikanaj muzeoj, akceptis la malkovron de Parroni.

Kio estis la intenco de Michelangelo per tio ĉi? Ĉu nura arta ludo? Eble aliaj kaŭzoj? Kiu scias? Certe la Moseostatuo gajnis multe da plia intereso per tiu ĉi superema arta artifiko: tri kompletaj portretoj, tri diferencaj karakteroj unuiĝas en sola kapo. Artan ludon al tio ĉi similan ne konas la arthistorio. Kvarcent jarojn estis kaŝita la elpensaĵo de Michelangelo kaj nun hazardo ĝin malkovris. Kiom da surprizoj ni povas ankoraŭ atendi de la renesanco, pri kiu ni kredas, ke ni jam plene kaj tute konas ĝin.

(Q) LA BARAKTADO DE KWEI-LAN. La romano »Dolĉa tero patrina« turnis unue la atenton de la eŭropa leganta publiko al Peare S. Buck, filino de amerika misiisto. Veninte al Ĉinio en sia frua infanaĝo, de tiam ŝi studadas la specialaĵojn de la ĉina raso. Ni diru pli ĝuste: ŝi ne studadas, sed, per konsterne ekzakta okulmezuro, ŝi fiksas tion, kio okazas en la animo de la indiĝenoj de l' Ĉiela Imperio. Unuflanke la nevenkebla ter-malsato de l' suprenstrebanta kulio, aliflanke la kadukiĝo de l' supra kasto postvivinta sin mem: jen estis la ĉefproblemoj, centraj aksoj en la »Dolĉa tero patrina«.

En sia nova libro, »La baraktado de Kwei-lan«, la aŭtorino elektis novan temosferon. Dum antaŭe ŝin okupis la batalo inter la klasoj de l' ĉina socio, nun ŝi pritraktas la koliziojn inter orienta kaj okcidenta kulturoj, moralkonceptoj, mondrigardoj. Arda malamo kaj arda amo alternas preskaŭ ĉiupaĝe, tra historio riĉa je dramaj turnoj, en atmosfero hejtita de profundaj homaj pasioj. Kaj fine definitive kaj neforviŝeble fiksiĝas en nia memoro la dolĉmalĝoja vizaĝo de l' eta Kwei-lan. Kaj la aŭtorino, kiu desegnis kun tiel artriĉa mano la figuron de tiu ĉi rompiĝema, varmkora virineto.

La respektindaj praulo j loĝis jam antaŭ kvincent jaroj en tiu pramalnova urbo de l' Ĉiela Imperio. Neniu el ili estis »moderna«, neniu el ili volsi ion ŝanĝi. La eta Kwei-lan do imagis sufiĉe ŝimpla la tutan mondon: kia estas mi — ŝi pensis — nur tia povas esti ĉiu homo vivanta en la mondo. Kwei-lan vere ne deziris ian ajn ŝanĝon. Tiel alvenis la tago de ŝia edziniĝo. Tio, cetere, ne dependis de ŝia volo: la gepatroj aranĝis la sorton de l' infanoj jam antaŭ ol ili naskiĝis. Do ankaŭ por Kwei-lan jam estis fiksita la sorto aŭ fatalo. Sed la fianĉo ekpensis ion aŭdacan: iun tagon li ŝipveturis trans la maron por plivastigi sian scion. Li iradis en multaj malproksimaj landoj, vidis novajn vojojn, ekŝatis novajn aferojn kaj, reveninte, li rigardis senreviĝinte la knabinon, kiun li devis baldaŭ edzinigi.

Fremde rigardas ankaŭ Kwei-lan sian estontan edzon, kaj fremdsente ŝi aŭskultas liajn instruojn. Sed ŝi iĝas saĝa virino. Kaj ekde la unua tago de l' geedza vivo, ŝi klopodas tutkore adaptiĝi. Kvankam tio ne estas facila. Estro kaj ordonanto de l' edzino estas la edzo — laŭ la

Skribo. Sed ŝia edzo deklaras: »Mi iras la vojojn de la nova direkto, kaj rigardas vin plene egala al mi; vi ne estas mia havajo, nek mia proprajo. sed, se vi volas, vi povas esti mia amiko... Poste li trovas malbelaj la piedojn de sia edzino, kiujn tiel zorgege ligis malgrandaj la patrino. Kaj ĉiuhore aperas demandoj, pri kiuj la juna edzo, irinta al Okcidento, havas tre decide formitan apartan opinion.

Sed Kwei-lan volas adaptiĝi kaj ankaŭ adaptiĝas. Ŝi vidas, ke ŝia edzo vere meritas tion. Li ja amas ŝin, ĝojas pri ĉiu ŝia paŝo, kiun ŝi faras en la direkto de la »nova vojo«, kaj li protektas sian edzinon eĉ kontraŭ la anoj de sia propra familio. Kwei-lan do iĝas virino inklina al moderniĝo, eĉ se komence ne tre ŝi komprenas: kial entute necesas tia modernumado. Sed kiam, post sendormaj noktoj kaj senfinaj meditadoj, ŝi formetas de siaj piedoj la ligilojn, kvazaŭ per unu fojo liberiĝas ankaŭ ŝia animo.

Nun komenciĝas harmonia gevivo, sed Kwei-lan nur paŝo post paŝo povas amikiĝi al la novaj postuloj. Ĉiam la sama vic-ordo: unue ŝi ekkonas la novon kaj teruriĝas pro ĝi, poste ŝi komencas ĝin esplori tra la okuloj de sia edzo kaj rekonas en ĝi la belajojn; fine ŝi alproprigas ĝin kaj komencas pri ĝi entuziasmi. Tiel ŝi observas tiujn konojn, kiujn ŝia edzo komunikas al ŝi pri la mondo; tiel ŝi rigardas ankaŭ ilian ekflorantan amon kaj infanon naskiĝontan; tiel ŝi akceptas la rigidan kontraŭstariĝon al la tradicioj tenante ĉe si sian infanon anstataŭ transdoni ĝin al la gepatroj de l' edzo kiel familian proprajon; tiel ŝi akceptas kompreneme la senekzemplan sakrilegion, ke ŝia frato edzinigas fremdan virinon; tiel ŝi ekprotektas kun varma koro kaj sincera sento la virinon forlasitan kaj malamatan de ĉiu.

Per simplaj, puraj artrimedoj malkovras Pearl S. Buck por sia heroino la fremdan okcidentan mondon, kaj kiam paŝo post paŝo ĝi disvolviĝas antaŭ Kwei-lan, ankaŭ la okcidenta leganto sentas sian koron pli rapide bati. Kvazaŭ li mem malkovras la belajojn de l' ĉirkaŭa mondo.

Je la fino de l' historio, intime sin trovas la du virinoj: Kwei-lan, edukita en ĉina atmosfero kaj la »fremda virino«. Unu al alia pelas ilin tio, kio estas la sama en ĉiuj virinoj de ĉiuj popoloj kaj tempoj: la amo kaj la patrineco. Jen la du eternaj kaj profundaj sentoj, pli fortaj ol ĉio. Ankaŭ la frato de Kwei-lan ja forlasas sian hejmon, rompas kun la prauloj kaj sanktaj tradicioj, kaj la virino forŝiriĝas de sia familio, kaj patrujo; sed la infano de ili ambaŭ kunĉenas la koron de l gepatroj, kiujn senfundaj abismoj de naskiĝo, raso kaj eduko dividis ekde sentempaj tempoj...

(A) MALFACILAJ TEMPOJ. Grandan sukceson promesis la nova teatrajo de *Bourdet* en la Michodiere-teatro. Provizore la teatro ankoraŭ pleniĝadas, precipe ĉar la publiko ankoraŭ anticipas la fidon, baze de la gloro de l' pasinto. Sed la grafikono de la vakantaj seĝoj tamen montras leviĝan tendencon. La komedio de Edouard Bourdet, skribita por karikaturi la burĝaron, tute ne estas komedio, eĉ malplie satiro. La satiro ja troigas la realon, projekciante ĝin en la ebenon de l' komiko. Sed Bourdet, kvankam li ja provis, tute ne sukcesis transtroigi la kompromisemon de l' franca kaj alilanda burĝaro. La kazo, kiun li surpingligas en sia komedio, ke belan junan knabinon oni trudedzinigas kun kriplulo, ĉar tiu ĉi havas monon, eĉ tre multan monon — tute ne estas troigo.

La vivo liveras al ni multe pli drastajn kazojn. Tiel okazis, ke la rigardantoj de la *Temps Difficiles* estas embarasitaj. Rajte, ĉar ili devas sin mem rekoni en la figuroj de la komedio, kaj oni malofte amuziĝas antaŭ spegulo. Ilia embaraso montriĝas ekzemple ankaŭ en tio, ke ili ne scias, kiam ili devas ridi. Kaj ĉar ili venis de hejme kun la intenco, ke ili amuziĝos, kaj ĉar ili scias, ke ankaŭ Bourdet havis la intencon (eĉ la deziron) ilin ridigi, — ili ridas ĉe tiaj scenoj kaj dramaj turnoj, kiuj postulus prefere seriozan enprofundiĝon kaj miakulpadon. Male, ĉe la teknike perfektaj komik-pafajoj ili rigardas antaŭ sin kvazaŭ malhele. Eĉ Viktor Boucher, la favorato, ne povas rikolti per siaj, alifoje ĉiam certaj, poentoj tiun efikon, kiun li povus atendi.

Estas eble, ke ĉio ĉi ne estas kulpo de l' aŭtoro, sed rezultas el tio, ke la publiko — kiel okazas ofte en revoluciaj kaj historiaj tempoj — trapasas profundan kaj esencan ŝanĝon de gusto kaj valortakso.

(I) ANDREJ BELIJ (Boris Bugaev 1880—1934) estas unu el la plej originalaj rusaj verkistoj. Li naskiĝis en Moskvo kiel filo de profesoro de matematiko. Sed la logiko de la ciferoj ne sukcesis kristaligi lian animon; neniu mondkoncepto, eĉ ne la mondkoncepto kreita de li mem, neniu dogmo sukcesis bridi lian eterne fermentantan spiriton. Jam en la gimnazio lin ekinteresas la pozitivaj sciencoj, li legas Darwin, Spencer, Mill kaj samtempe avide englutas la saĝecon de la jogoj, ŝatas okultismon, esploras budaismon. En la universitato li studas natursciencon kaj poste filologion. Li iĝas kunlaboranto de la simbolista gazeto »Vesij« (Pesilo) kiel poeto kaj kritikisto. En 1910 li entreprenas vojaĝon al Italio, Egipto, Palestino. Li konatiĝas kun la gvidanto de antropozofoj R. Steiner kaj restas kune kun sia edzino en Dornach, kie oni tiutempe konstruis la Goetheanumtemplon. Dum la milito en 1916 li reveturas en Ruslandon, travivas tie la revolucion, poste vojaĝas al Berlin. La lastajn dek jarojn li pasigas en Ruslando, laborante tie, kiel ĉiam, febre, sed flanke de la avangardo.

Trafoliumante la plej fruajn poemarojn de A. Belij (»Oro en la lazuro«, »Cindro«, »Urno«) oni rimarkas atmosferan simbolikon kaj estetikon de gemoj. Renkontiĝadas vortoj: suno, etero, lazuro, aŭroro, ĉielo, oro, arĝento, vino, rubeno, safiro, smeraldo, perlo, silko, veluro, flamo. Sed tiam ventblove eniĝas frosto, vintro, neĝblovado, ĉar neĝblovado kaj flamo ne estas kontraŭaj elementoj en la simboliko de A. Belij. Estus sensence aliri per termometro lian lirikon. Ĉe li la flamo kaj la neĝblovado havas la saman *geston*. Entute la unua distingilo kaj ĉefvaloro de la poezia arto de Belij ja estas la gesto. La konscio estas torde fleksata en liaj versoj, la pensoteksajo disŝirita kaj aeren disjetita. Pere de li antaŭe nekonata kuraĝo kaj impeto eniras la poezion. — La poeto diras, ke la ĉefmotivo de lia poemaro »Urno« estas medito pri pasemo de la homa ekzisto, ĝiaj pasioj kaj impulsoj. En la »Urno« li kolektis sian propran cindron, ke ĝi ne kaŝu la lumon por la viva »mi«.

Liaj priskribaj kaj aŭtobiografiaj poemoj (»Kristo reviviĝis«, »La unua renkontiĝo«) staras sur alta nivelo. Eble ili ŝajnas tro intelektaj, sed esence tiu ĉi intelekto estas nek malvarma, nek statika. En la profundo de sia animo A. Belij estas dinamika kaj revolucia: neniu formo, nek formulo plene kontentigas lin. En la rigidajn poezitaktojn li enjetas novan vivon. La verson, bonedukite paŝantan, li neniom hontante stumbligas. En la versojn li enpuŝas elementojn de l' prozo, dum la prozon li igas kanti. Li eksperimentas en la poezio pere de la muzikleĝoj, kaj tiel naskiĝas liaj kvar »Simfonioj«.

Sian plej bonan A. Belij estas tamen doninta en siaj romanoj. En la romano »Arĝenta kolombo« (1910) li penas solvi la demandon, ĉu oriento aŭ okcidento. En la romano »Peterburgo« (1912) ni trovas la medion de la 1905-a jaro, teozofion, ironion, fantastecon, komplikecon, tragikon, groteskon. La verkon regas neĝblovada humoro, sencela rapidado. En la romano »Moskvo« (1926) estas priskribita la vivo kaj psiko de la milittempa inteligentularo. Interesaj estas la memuar-romanoj »Kotik Letajev« kaj »Rimarkoj de strangulo« kaj la libro »La fino de la jarcento«. Liaj teoriaj verkoj estas tre interesaj.

Multajn kapablojn kaŝas en si la talento de Belij. Unue oni devas akcenti, ke li estas granda vortmajstro, li estas kvazaŭ magie tentata de la vortmistiko. Belij ankaŭ havas la maloftan scipovon pentri negravajojn per ekstrema intensiveco. — Kio rilatas lian humoron, ĝi estas nek ŝerco, nek ido tra larmoj, nek amara rikano, sed siaspeca romantika ironio. Dum sia tuta vivo li estas senlace, plena je kontraŭdiroj, baraktanta en la penso- kaj sentotempestoj. Por ĉiam starigi sian piedon sur iu firma grundo li ne povis kaj ankaŭ ne volis.

(X) EL LA VICO DE LA 1934-AJ CENTENARIOJ oni tramonde forgesis la datrevenon de la morto de kompatinda monaĥineto. En Firenze je la 2-a de aprilo en 1634 mortis en la monaĥinejo de Sankta Mateo *Soror Maria Celeste* dum sia 33-a jaro, — »fratino eksterordinare saĝa kaj bonanima«, kiel la kroniko diras. Kontraŭ sia volo kaj nur laŭ la deziro de sia patro ŝi fariĝis monaĥino, kaj ĉi tio ne malhelpis ŝin poste stari kun la plej granda amo kaj insisto apud sia patro konsole, kiam lin oni transdonis al la Sankta Inkvizicio. Nome tiu ĉi monaĥino estis la filino de Galileo Galilei!

(X.) PAUL MORAND: MONDĈAMPIONOJ. Kvar studentoj de la Amerikana Columbia-Universitato faras solenan promeson en 1909, ke, same kiel ĝis nun ili atingis rekordon en la diversaj branĉoj de l' sporto, de nun ankaŭ en la vivo ili klopodos por tiu ĉi rekordo. Ili interkonsentas kun sia favorata profesoro, ke ili renkontiĝos ĉiun dekan jaron kaj raportos pri ĉio. La kvar knaboj estas tute malsamaj laŭ naturo, temperamento, socia pozicio — kaj konforme al tio ĉi ili iras tute malsamajn vojojn. Ĉe la fino de la unuaj dek-jaroj ni vidas, ke *Jack Ram* fariĝis la unua boks-ĉampiono de Ameriko kaj edziniĝis fee belan sed malplenaniman, monavidan virinon. *Clarenco van Norden* fariĝis la plej fama flugisto de l' mondmilito, *Ogden Webb* atingis grandajn sukcesojn per diplomatia servo en Ruslando, kaj *Brodszky* la plej genia inter la kvar — estis en karcero. Ĉar lia genie fondita entrepreno ne povis plenumi la pag-limtempojn. Dum la sekvaj dek-jaroj la boks-ĉampiono mortigas sin; Norden, la flugisto, vivas diboĉe kaj fariĝas senpova sklavo de sia patrino kaj de la vidva belega edzino de Ram; la kariero de Webb — kiu liberiĝas kaj prenas al si Brodszky-n — ankaŭ plu leviĝas. Ankaŭ Brodszky-n la edzino, la belega Nadine — bankrotigas kaj tiu ĉi demona virino kaŭzas fine ankaŭ la katastrofon de Webb, sur la zenito de l' sukceso. Ekscita, katenanta legaĵo estas tiu ĉi interesa, lertege verkita romano, la romano de la mondo de l' rekordo.

(X.) DUM LA LASTAJ DEKKVIN JAROJ Germanujo estis la interpretanto inter la rusa literaturo kaj la publiko de la okcidentaj landoj; kaj la produktojn de la malnova kaj same de la nova rusa literaturo la germanaj tradukoj popularigis en Eŭropo. Lastatempe ĉesis tiu ĉi stato. Verŝajne ne lastrange pro la formiĝo de la politikaj cirkonstancoj apenaŭ aperas verko tradukita el la rusa sur la germana libro-foiro, kontraŭe estas tre interese, ke la lokon de la germanoj en tiu ĉi rilato okupis la italoj: en Italujo oni atentas la novajn rusajn aŭtorojn kun granda intereseiĝo kaj tre multaj rusaj libroj aperas nuntempe unue en itala lingvo.

# Funebra sciigo

Senindulge falĉas la morto en niaj vicoj. En ĉiu numero ni devas funebri pro la morto de eĉ kelkaj el plej konataj esperantistoj. Estas tamen plej malĝoja sento, kiam ni devas funebri la morton de relative tre juna batalanto, kiu estis ankoraŭ meze de nia movado. Duoble ni funebras pro

## Frans Schoofs

kiu mortis nur 45 jara pro subita malsano. Li estis la animo de la belga kaj internacia movadoj. Al lia klopodo estas dankebla la fama Interkonsento de Kolonjo kaj ni speciale funebras en li malnovan subtenanton, amikon kaj longjaran reprezentanton.

La funebron de la familio kaj de la tutmonda esperantistaro partoprenas ankaŭ ni kun malĝoja koro.

## ADMINISTRACIAJ SCIIGOJ

La marto-aprila numero de la gazeto aperis tro malfrue. La kaŭzo estas, ke ni volis nepre finkomposti la unuan volumon de la Enciklopedio, kies komposto fariĝis multe pli multa kaj komplika, ol ni tion antaŭvidis.

Ni esperas, ke la abonantoj de LM, kiuj estas preskaŭ ĉiuj samtempe membroj de AELA, pardonos al ni tiun prokraston, per kiu ni ebligis, ke la unua volumo de la Enciklopedio fine jam post kelkaj tagoj estu preta.

La maja numero de LM. kun *Lingvo-Libro* aperos meze de majo.

*S-ro Gurwicz* kaj aliaj mendintoj ricevos la Sturmer-verkon kune kun la maja verko de AELA: Arthistorio, kiu aperos sen ia malfruo.

*S-ro Kolobaŝkin.* Mono el Svedujo ne venis. Tiun de BEA ni ricevis, sed ĝi sufiĉis nur por parto de rekomendkostoj. Ni devis sendi al vi 7 pakajojn, do vi devas alpagi ankoraŭ por rekomendo 0.50 frsv. krome, se vi deziras ricevi Dante tiam 4.40 frsv. kaj la eventualan superpagon por la kompleta Enciklopedio. Pri la apertempo de Enciklopedio vi certe jam legis. Kompreneble la sendita mono per s-ro Hill estis la kotizo plus sendkostoj, sed ne kostoj por rekomendo! Tio estas ja tute aparta afero.

## ALVOKO

*S-ano Paul Tarnow*, Düsseldorf ĉi tie alvokas publike s-ron *Ilija Puhalo* el Jugoslavujo, ke li resendu la prunteprenitajn jarkolektojn de la gazeto »La Fervojisto«. Sro Puhalo pruntepetis ilin por ellabori artikolon pri fervojista Esperanto-movado por Enciklopedio de Esperanto kaj malgraŭ ĉiuj ĝisnunaj petoj, rekomenditaj leteroj, li ne resendis al s-ro Tarnow la gazetojn, ne plu ie haveblajn.

S-ro Tarnow deklaras, ke s-ro Puhalo faras malhonestaĵon, ne resedante la gazeton kaj al tiu deklaro aliĝas ankaŭ la redakcio de la Enciklopedio. Tiaj agoj malebligas ĉian sciencan laboron pri Esperanto kaj ni devas plej akre juĝi personojn, tiel agintajn.

## ANONCETOJ

Mi estas sepjara esperantistineto. Sendu al mi poŝtkarton kaj mi sendos al vi mian foton.

Christiane Léger, Ecole Militaire, LES ANDELYS, Francujo.

## ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

Ni informas ĉiun kunlaboranton, ke ekde la ricevo de tiu ĉi numero por la literoj A-J ni povas akcepti nenian kompletigon, krom se temas pri grava preseraro, kiun ni povos presi sur aparta paĝo je la fino.

Ne rilatas korektojn de senditaj presprovaĵoj.

Kompletigoj por la aliaj ltieroj povas alveni ĝis 1-a de junio.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*aplustre* (lat): ornamita ŝipmalantaŭo; *bebo:* eta infano; *brizo:* speco de vento; *bunta* (Christaller): varikolora; *descendi* (Chr): malsupreniĝi; *eskapi* (Grosjean-M.): liberiĝi el situacio; *evento* (Grabowski): ne malgrava okazaĵo; *introspekti* (Wüster): rigardi en sin mem; *jubili* (Chr): ĝojkrii; *morna:* preme malhela, malgaja; *rostrum* (lat): ŝipantaŭo; *samnito:* praitalia gentano; *suspiri* ĝemspiri; *stridi* (Presa Societo): akre siblegi; stuporo (Boirac): rigidiĝo pro miro, timo ktp.; *stumbli:* falpuŝiĝi; *trista:* malgaja.

